# *Enkonduko al la dudek-kvara kajero (Nova Serio)*

*Kiel unuan kontribuon en tiu ĉi kajero vi trovas kunlaboraĵon de Cor BRUINS, kiu vizie (ne viziere!) atakas la vastan problemon pri kreo de nova kulturo tutmonda helpe de Esperanto ... sen krei novan sekton! Kun multaj historiaj dokumentoj li ekzamenas tiun ĉi problemon. Ĉiu leganto ĉerpos utilan sciaĵon el tiu serioza studo.*

*K-do S. AARSE prezentas al ni vivon kaj verkon de granda liberecana aŭtoro el Nederlando: MULTATULI, kiu precipe famiĝis per sia romano „Maks Havelaar”.*

*Marjorie BOULTON konigas al ni Richard ADAMS kun lia ekster-ordinara libro pri kunikloj, en komparo kun la homa socia konduto.*

*Rolando LEVREAUD alarmas nin per sia studo pri la Atomcentraloj kun ilia timinda detrua potenco.*

*La Haga Organiza Komitato de la 48-a SAT-kongreso, sub la plumo de J. KUIJPERS, havigis al ni interesan artikolon pri tiu ĉi urbo famkonata en la eŭropa historio; al ĝi faris la desegnojn K-ino I. BORSBOOM.*

*H. BREUNINGER klarigas al la salajruloj en tutmondo la signifon de la valorperdo de la mono kaj la mankojn en la distribuado de la produktoj.*

*HAGO. Nia frontblido prezentas pordegon irantan al „Binnenhof”.*

Nova Serio
N-ro 103

# SENNACIECA REVUO

Jaro 1975

Eldonata kaj redaktata ĉe S.A.T., 67 avenue Gambetta, Paris-20

# Sennacieca kulturo

### La problemo

La La 21an de aŭgusto 1907 la aŭtoro de Esperanto faris paroladon en Londono. Temis i.a. pri patriotismo, kaj tiam Zamenhof diras, ke li estas pli bona litovo ol multaj homoj, kiuj per armiloj deziras pruvi tion. „Kiam via sankta nomo ĉesos esti armilo en la manoj de diversaj malhonestuloj! Kiam fine ĉiu homo ricevos la rajton kaj la eblon algluiĝi per sia tuta koro al tiu peco da tero, kiu lin naskis!" [1])

La problemo por Zamenhof estas pruvi, ke li „idea esperantisto, kiu revis pri frateco inter Ĉiuj" [2]) popoloj tamen amas sian patrion. En la sama jaro li ja en la Kembriĝa kongreso stimulas proponojn pri internaciaj sistemoj, kiel ekzemple internacian monsistemon, horsistemon, kalendaron k.t.p. [3]). Se ni akceptas internaciigon de tiaj sistemoj, ni samtempe rifuzas la uzon de specialaj naciaj. Kaj ĝuste en tiuj specialaĵoj montriĝas nia aparteno al iu nacio. Speciala por angloj estas ilia maniero por mezuri longojn, pezojn, valorojn. Tiaj aferoj apartenas al la tradicio de iu lando. Enkonduko de novaj sistemoj do rompas la tradicion. Ĉu ni volas fari tion? Ĉu ni povas fari tion?

En iu numero de „Sennaciulo" ni povis legi artikolon pri Folkloro en Sennaciismo. La verkinto, Dragan Dimitrijevic Ruschitty, tie resumas la opinion de Lanti jene: „Nenia ligo kun tradicio. Lia principa vidpunkto rezultas el la esenco de lia instruo pri sennaciismo. La tradicio estas la narkoto de naciismo. Pro tio ĝi havas neniun lokon en sennaciisma sistemo." [4]) La aŭtoro kontestas tion kaj asertas, ke: „La folkloro devas ankaŭ havi en sennaciismo sian respektivan rolon, sian konvenon lokon... sed nur historie, etnologie, etnografie." [5])

En intervjuo kun Reinhard Haupenthal la poeto Kolomano Kalocsay vortigas sian opinion pri sennaciismo: „Nun la sennaciismo laŭ mia opinio, estas nenio alia ol la karikaturo de la interna ideo, ĉar ĝi volas nei la naciajn valorojn. Eĉ Ragnarsson iam diris, ke la esperantistoj devas postuli, ke E-o estu la sola lingvo de ĉiu homo sur la tero, ĉar alie ni ne povus kuraci la homojn el ilia naciismo. Sed tio estas la plej freneza afero, kiun ni povus eltrovi, ĉar se la tuta mondo parolus E-on, tio estus la pereo de E-o, ĉar tiam ĝi disdialektiĝus... Se ĝi estos ĉies dua lingvo, ĝi ne disdialektiĝos... R.H.: Tio signifas, ke E-o devus resti superstrukturo. K.K.: Jes." [6])

En la opinioj de la tri cititoj speguliĝas la tuta problemaro. Oni asertas anstataŭ pruvi. Ĉu folkloro kaj naciaj valoroj estas la samaj? Ĉu la peco da tero, kie mi naskiĝis, estas mia patrolando? Kio estas la rilato inter miaj personaj travivaĵoj kaj

la kulturo? Ĉu oni povas per edukado influi la junan homon? Ĉu oni povas lin eduki tradicie aŭ progresive? Ĉu la edukanto povas libere elekti inter tiuj metodoj?

## Folkloro

La vorto „folkloro" estas uzita por la unua fojo de la sekretario de la Cambden-societo, Thoms, en la jaro 1846. Li komprenas per ĝi „La tradiciaj kredoj, legendoj kaj kutimoj, vivantaj en la ordinara popolo." [7]). Jos Sĥrejnen (Schrijnen), la fondinto de la nederlanda folklora scienco, respondas al la demando, kion signifas la vorto popolo. Ĝi ne estas la plej suba tavolo en la socio. Ĝi ne estas primitiva socio. Sed la folklora scienco tamen havas ligojn kun la etnologio, ĉar ambaŭ esploras la krudajn kulturnivelojn. La etnologio studas ilin ĉe la „primitivaj socioj", la folklora scienco „studas ilin ĉe tiuj popoloj, kie la diferencoj inter alta kaj malalta kulturoj manifestiĝas; tie ĝi studas la popolon en la popolkulturo. Ĝi do ne okupas sin per tio, kion oni ĝenerale striktasence nomas la kulturo de difinita popolo, sed per tio, kio formas de tio la buntan substraton, kaj kio sola kapablas donaci al la popola vivo ion specifan, ion karakterizan; ne per la alta kulturo, sed per la subkulturo." [8])

Ni do povas konstati, ke Kalocsay diras la samon rilate al la ligo nacia kulturo kaj sennacieca kulturo, kie la lasta estu la superstrukturo, la antaŭaj subkulturoj. Certe estas, ke la nacia kulturo ne estas la sama kiel la folkloro.

Sĥrejnen uzas la vortojn „alta, malalta". J. de Fris (Vries), avertas, ke ni ne faru tion. Laŭ li temas pri la pluekzistado de malnovaj vivoformoj, kiuj „estas sanktigitaj per malnovaj kutimoj kaj tradicioj kaj ne ekzistas neceso por liberigi sin de ili." [9])

## Nacia kulturo

En la dekoka jarcento ĉie en Eŭropo ankoraŭ regis la feŭdismo. La nobeloj vivis bele kaj brile en siaj kasteloj, la malriĉaj kamparanoj revis pri bela mondo postmorta. En la popolkantoj vi aŭdas pri nobeloj bravaj, kuraĝaj, brutaj kaj diboĉaj. Ili estas krudaj en siaj agoj: mortigas malgrandajn infanojn, perfortas ĉastajn virginojn. Ili estas noblanimaj: disdonas plenmanojn da mono al honestaj mizeruloj, batalas por justo kaj amo. Ofte la du specoj interbatalas. Preskaŭ ĉiam la bonaj nobeloj venkas.

En la ĉielo la bona dipatrino propetas por ni. Tie nia vivo estos dolĉa. La eklezio estas la ligo inter ni kaj la ĉielo.

En la urboj regas la gildoj. Ili havas siajn proprajn ritojn. Sed la reguloj de la gildoj ne plu povas teni la ekonomian progreson. Venas la granda franca revolucio, kiu rompas ilin. Kaj tiam forfalas ankaŭ la ritoj. En la kamparo la influo estas malpli granda. La sociaj rilatoj restas, la kutimoj restas. Nur iom post iom la ekonomiaj ŝanĝiĝoj rimarkiĝas. Kaj precipe kiam multaj kamparanoj iras al la urboj por fariĝi la nova industri-proletaro, la kutimoj, la kantoj, la rakontoj malflusas. Ie kaj tie la homoj en la fabrikoj spertas la samajn cirkonstancojn kiel antaŭe. Ili povas transponi tiujn spertojn en la antaŭaj kantoj. La malriĉa knabino, kiun perfortis la kruda nobelo, nun estas la mizera laboristino brute traktata de la fabrikdirektoro. Ofte oni eĉ ne ŝanĝis la vortojn.

Tiom longe kiom la laboristoj venas el la sama regiono ili sentas sin ligitaj kaj la malnovaj tradicioj havas bazon por daŭri. Sed ju pli la mastroj rekrutas siajn servistojn el diversaj partoj de la lando, des pli mallonge daŭras la tradicioj. Krom tio la transloĝiĝoj en la urboj estas pli oftaj, tiel ke la homoj baldaŭ jam ne havas kontaktojn, eĉ se ili venas el la sama regiono. La transvivado estas ebla nur pere de la infanoj. Kaj la infanoj havas kaŭzon akcepti la malnovajn rakontojn kaj kantojn. En ili la malgrandaj homoj povas senti sin kvazaŭ „knabo-Fingro", kiu estas pli ruza ol la giganto. Ĉar la geknaboj formigras kune kun la gepatroj, la bazo por infankulturo forfalas. Por la infanoj la nova bazo fariĝas la lernejo kaj la butikoj. Nun ankaŭ la televido.

La lernejo estas instituto nacia. Ĝi volas




eduki la infanon al civitano de la lando. Por tio oni uzas la geografion, la historion, la muzikon, la literaturon, k.t.p. La infanoj lernas, ke ili apartenas al unu nacio, tio signifas al unu popolo. Tiu popolo havis grandan historion. Ilia devo estas fari la popolon ankoraŭ pli granda. Ili kantas naciajn himnojn, historiajn kantojn. Ili festas naciajn festojn. Do ne temas pri iu superstrukturo, sed pri alia kulturo: tiu de la nacia kapitalista ekonomio. En la lernejo oni perforte forpuŝas ĉiajn elementojn pri antaŭaj tradicioj. La parolado de regionaj dialektoj estas malpermesita.

Restas nacioj, kiuj ne kapablas integrigi la diversajn elementojn. Tiukaze preskaŭ ĉiam temas pri agraraj partoj. Restas grupoj, kiuj ne kapablas integriĝi en evoluanta socio. Denove preskaŭ ĉiam ili situas en agraraj regionoj. Sed kiam oni metas en tiuj regionoj fabrikojn, se la pozicio de la agrikulturo fariĝas malbona kaj la junuloj devas iri al la urboj por labori tie, baldaŭ ŝanĝiĝas la kutimoj. La diablo kaj la pereo minacas. Efektive. La pereo de relikvaj kulturformoj, por kiuj ne plu ekzistas neceso konservi ilin. Kaj la popolo restas senkultura.

En la antaŭa jarcento malmultaj infanoj vizitis la lernejon. En la komenco de la nuna oni enkondukis la lerndevon, pro kio nun preskaŭ ĉiuj infanoj devas viziti almenaŭ la elementan lernejon. Tie la instruistoj enkapigas al la infanoj la belojn kaj bonojn de la patrio. En Nederlando ili aŭdas pri ora epoko, en kiu tiu lando regis la mondon. Ili ne aŭdas, ke en la sama tempo preskaŭ la tuta ordinara popolo vivis mizere. Ili aŭdas pri famaj pentristoj (Rembrandt), pri la princo de la poetoj (Vondel). Sed ili neniam estos kapablaj viziti muzeon aŭ teatron.

Kelkaj procentoj (5-15) poste vizitos la mezgradan lernejon. Apartenas al la etoso paroli pri la grandaj antaŭuloj. Preskaŭ ĉiu adoleskanto imagas sin nova Rembrandt, nova Vondel. En la lernejo ili legas la verkojn de la plej grandaj poetoj. Hejme ili forgesas pri tiuj tedaj legaĵoj. Nur tre malmultaj vere ŝatas la prezentitajn perlojn. Kiam ili forlasis la liceon kaj frekventas la universitaton aŭ prenas gvidan postenon en la socio, ili apenaŭ legas la gazeton. Nur kiam la socio deviigas ilin iri al teatro, ili faras tion. Por vidigi sin.

Ĉiujare ili denove vizitas la prezentadon de Gysbrecht van Aemstel, glorado de la ĉefurbo de la mondo. Kiu ne vidis tiun novjaran spektaklon, ne estas kulturita persono. Jen la nacia kulturo. Kulturo de nur tre malmultaj. Same kiel la riĉaĵoj la kulturo apartenas al nur kelkaj homoj. La nacia kulturo estas ŝajnkulturo. Ĝi ne vivas en la animoj kaj koroj de la popolo, sed nur en la cerboj kaj poŝoj de kelkaj. La pentraĵoj de la „famaj" pentristoj estas por ili. La domoj kaj konstruaĵoj de la grandaj arkitektoj estas por la riĉuloj. La statuoj staras en la domoj de monhavaj personoj.

Kompreneble mi, kiu estas edukita en tiu parto de la mondo, kiun oni kutime nomas Nederlando, povas paroli nur pri la cirkonstancoj tieaj. Sed mi estas konvinkita, ke la situacio en aliaj landoj ne estas alia. En Anglio oni nomas Ŝekspiron la plej granda poeto. Por kiom da homoj? Kiam oni antaŭ dek jaroj festis la rememoron de la tricenta naskiĝjaro kaj prezentis antaŭ la televido serion da teatraĵoj liaj, la granda publiko trovis tiujn

aferojn tedaj. Pri tio ne kulpas Ŝekspir, sed certe ankaŭ la edukado, kiu forgesis instrui pri li.

Antaŭ kelkaj monatoj mi vizitis prezenton de la Moljera Tartuffe. Ĉeestis nur malmultaj personoj. Ankoraŭ ĉiusemajne la klubo ludas la saman strangaĵon. Ĝi ja estas Moljera. Efektive ŝajnkulturo. Multekosta konstruaĵo. Multekosta prezentado. Homoj en kostumoj el la tempo de Ludoviko la 14a. Enhavo nula. Nur vortoj, vortoj. Vortoj, kiujn la publiko en la rapidaj deklamoj eĉ ne povas kompreni. Same kiel ili ne komprenas la tutan kulturon. Ĉar ĝi ne havas kontakton kun la vera vivo. Same kiel la kapitalisma ekonomio diserigas la produktprocedon, tiel ke la produktanto ne plu havas kontakton kun sia produkto, la kapitalisma kulturo diserigas siajn partojn. Ĝi fariĝas memstara fenomeno. Kaj ĉiu parto fariĝas siavice memstara: la pentrado, la arkitekturo, la muziko, la poezio. Kaj la poetoj fariĝas apartaj personoj, vivantaj ekster la socio. T.e. ekster la ekonomia socio.

La amaso loĝas en kadukaj domoj, ornamas ilin per bildkartoj aŭ bazaraj figuroj, kiujn la industrio larĝflue elvomas. Ĝi legas, se ĝi legas, kelkcendajn romanojn, en kiuj la detektive ĉiam venkas la krimulojn aŭ la malriĉa knabino fine edziniĝas al la belaspekta kuracisto. La agreso povas forvaporiĝi dum histeria ĉeesto de futbalkonkurso, kie „niaj knaboj" atakas la alikluban, aliurban, alilandan malamikon. Dudek du agantoj, dekmiloj da spektantoj. La kapitalisma kulturo estas kulturo por nur kelkaj aktivuloj. Ĝi estas kulturo pasiva.

### Romantiko

La industria revolucio komenciĝis en la jaro 1764, kiam angla teksisto inventis novan ŝpinmaŝinon. Unu jaron poste alia anglo, Percey, kolektis malnovajn „anglajn" popolkantojn. En Germanio, dua industria centro, Herder eldonis en la jaroj 1778-1779 aron da internaciaj popolkantoj. Lin sekvis Brentano (1806-1808), fratoj Grimm (1816-1818) kaj Hoffman von Fallersleben (1831-1862).

La lasta eldonis 12 volumojn kun flandraj kantoj kaj tiel inspiris la loĝantojn de Belgio, kiuj ne parolis la francan lingvon, por rekulti la propran. Ili loĝas precipe en la norda agrikultura parto de la lando. La franclingva valona parto intertempe industriiĝis.

Von Fallersleben verkis en 1841 ankaŭ poemon, kies titolo estas „Germanio, Germanio super ĉio". En tiu tempo ekzistis ankoraŭ diversaj regionoj, „landoj". La senco de la kanto estis: super tiuj apartaj regionoj ni strebu al politika unueco. Kaj tiel ni denove ĉe Von Fallersleben renkontas la substrukturon kaj la superstrukturon. En la jaroj 1866-1871 von Bismarck sukcesis forĝi la unuecon.

La kunsarkado de popolkantoj efikis al la oficiala literaturo. Gete (Goethe) asertis, ke li trovis belan popolkanton pri knabo kaj rozo. Poste montriĝis, ke li mem faris la poemon. Pri la kolekto Ossian de Macpherson ankoraŭ nun ni ne certe scias, ĉu li tradukis malnovajn skotajn kantojn aŭ ĉu li mem estis la poeto. Kaj fariĝas kutimo por verkisto en la komenco de sia libro vaste rakonti kie kaj kiel li trovis la materialon: en malnovaj manuskriptoj, fermitaj kestoj, monaĥejoj, k.t.p. La libroj temas pri la estinto, pri iama glora tempo aŭ persono. Kaj kie la realo estas nigra per fabrikfumo, la homo povas fuĝi en buntkoloran revadon. Returnen. Eĉ al la naturo. Kaj de nun la naturo ludas rolon en la literaturo. Ne nur floroj kaj pejzaĝoj estas priskribitaj, sed ankaŭ la vetero: ŝtormoj, aŭtuno. La homa psiko, kiu fremdiĝis de sia socia medio, estas komparata kun la naturo. La literaturan periodon oni nomas: Ŝtormo kaj Impeto.

La mondo estas kruela. Speciale por malriĉaj homoj. Por ili ekzistas la brando por forgesi. Nur kelkaj sukcesas trovi alian vojon. Sed ankaŭ tiu vojo estas ne ebena, kvankam la vojiranto kredas, ke iam ĝi kondukos al la mielkuklando. Tiel Andersen kreis novajn fabelojn, en kiu la knabino kun la alumetoj en la ĉielo trovas la paradizon, aŭ kie la malbela anaso fariĝas bela cigno.

Dickens komencis sian laboron en fabriko. Li spertis la mizeran vivon kaj li sukcesis priskribi ĝin. Plej sukcesa estas lia David Copperfield, preskaŭ aŭtobio-

grafio, en kiu Dora ludas la rolon de la sorĉa feino, kiu plibeligas la vivon de la heroo.

Per libroj kaj revoj oni tamen ne reale povas plibonigi sian sorton. Rousseau instruis, ke la naturo estas bona, sed ke ĝi deformiĝas en la homa socio. Ni do reiru al la naturo. Zola konsentas kun Rousseau: la homa socio deformas la homon. Sed lia instruo estas alia: ni do ŝanĝu la socion. En la literaturo aperas la realismo, kiu detale pentras la diablecon kaj krimecon

En la politiko la utopian socialismon forpuŝas la scienca socialismo. Ni ne revu pri pli homeca mondo. Ni studu la socion kaj laŭ la sociaj leĝoj ni reknedu ĝin pli bona. La teorio de Marks do ne staras ekster la socio, sed estas parto de ĝi. Por la adeptoj de Marks la teorio fariĝas kvazaŭ nova religio, kiu povas anstataŭi la malnovan.

Kaj tiel denove la tuta kulturo restas ŝajnkulturo. La oficiala literaturo, muziko, k.t.p. restas por malgranda grupo, kiu povas fuĝi pere de ĝi la teruran mondon. Aliaj serĉas la harmonian vivon en malnovaj legendoj, kantoj, kutimoj. La granda amaso estas kaj fariĝas ĉiam pli senkultura. Por ĝi la religio kaj la alkoholo efikas kiel opio.

## Socialisma kulturo

La kulturo de la socialisma movado estis inspirita de la kapitalisma. Fakte ĝi alprenis la samajn simbolojn, sed donis al ili novajn nomojn. La triunuo de la kristana religio: patro, patrino kaj filo, aŭ dio, filo kaj sankta spirito. Por la katolikoj la eklezio estas la patrino.

La socialistoj, kiuj grupiĝas en batalorganizoj, anstataŭigas tiujn simbolojn per kapitalo, kredo kaj kafejo. Oni adoras dion ne ĉie sammaniere. En Nederlando regis jam dum kelkaj jarcentoj la sankta spirito de la asketo Kalvino. Tial la asketismo de la kontraŭkafeja movado forte influis la socialisman movadon. En manifestacioj kunmarŝis grandaj grupoj da abstinuloj kun la bluaj flagoj. En la jaro 1913 politika programero de la socialdemokrata partio estis la „sekiĝo" de la komunumoj. Mi ne scias, en kiu jaro oni forigis tiun postulon. Ankoraŭ nun oni ne vendas alkoholaĵojn en la socialismtendencaj naturamikaj hejmoj.

En la literaturhistorioj ni povas legi, ke la nederlandanoj estas pia popolo. Kvankam la socialistoj batalis kontraŭ la Eklezio, ili ne atakis la religion. Kontraŭe, la partio estis kvazaŭ nova religia hejmo. Kiam la religiema poetino H. Roland Holst, i.a. aŭtoro de la Vivo de Roza Luksemburg, tradukis la Internacion, ŝi ŝanĝis la tekston „Nek la cezar', nek dia volo / La savon portos de l' tiran' ", jene: „La regantoj kun diabla ruzo / narkotas nin per sanga haladzo." Krome ŝi ŝovis ĉi tiun duan strofon al la tria loko. La tri lastajn ŝi tute ne tradukis. La kantoj kaj poemoj, kiujn oni faras, preskaŭ ĉiam temas pri bela mondo, kiu iam venos. Tre ŝatata estis la ĥorala melodio kun teksto de Herman Gorter: „Mergu vin, laboristoj, mergu vin profunde en la maron de l' mondo. Amu la homaron, pli ol vin mem, vian edzinon, viajn infanojn. Amu la homaron kaj la socialismon, kiu venos en ĝi. Donu vin al ĝi kun via tuta animo, via koro. Volu vivi, volu morti pro ĝi. Pripensu: dependas de vi, ĉu la mondo estos libera. Pro tio mergu vin profunde en la maron de l' mondo."

Iom post iom venas libroj, verkitaj de „socialistoj". Ili verkas pri la mizera popolo, la laboristaro, la senlaboruloj, kiuj trovas konsolon en la socialista partio. Kvanto kaj kvalito de tiaj libroj tamen ne estas grandaj. Kaj kvankam la movado stimulas la klerigon, la granda amaso restas sur la nivelo de la nacia instruo de la elementa lernejo.

En Francio la katolika eklezio havis pli grandan influon. La kara dipatrino, la senmakula virgulino estis la granda koro, kiu povis konsoli nin. Bedaŭrinde perfortis ŝin la brutaj pastroj kaj episkopoj. Sed feliĉe ŝi leviĝis fenikse, kiel la franca virgulino Marianne. La socialisma movado batalas kontraŭ la perfida pastraro sub la devizo „nek dio, nek mastro". La Internacion Eŭgeno Pottier faris en 1871 dum la Pariza Komuno laŭ la melodio de la franca himno, la Marseljezo. Nur poste Pierre Degeyter komponis la hodiaŭan.

Laŭ la melodio de la Marseljezo oni

verkis alian tre konatan kanton. En la Laborista Kantareto (1923) troviĝas traduko en Esperanto de O. Dresden. En „Ni Kantu" de F.L.E. A. Cizmadia tradukis du versojn jene: „La forton, saĝon de ĝi prenas / Fabriko kune kun preĝoj'." Sed la virgulino ne estas nura abstrakta simbolo. Ŝi povos esti la premio de la kuraĝa, fervora batalanto. Jen:

*Marjan', mi estas, proletaro,*
*ĉie konata sur la ter'.*
*Mi portas sur la flirtaj haroj*
*la ruĝan ĉapon de l' liber'.*
*Naskiĝis mi el plebo kruda*
*kaj kiam batos venka hor',*
*edzigos mi la plej apudan*
*kuraĝan viron en favor'.*

Ĉi tiun strofon devas kanti iu kamaradino. Post tio vira ĥoro kantas la refrenon:

*Iru, Marjano,*
*vi gvidu nin.*
*Batalu por soci'*
*sen fitiranoj.*
*Liberaj ni. liberaj ni.*

Precipe en la komenca periodo de la socialismo tiujn kantojn oni kantis ankaŭ en eksterlando. Sed pli kaj pli ĉiu nacio bakis siajn proprajn. En akordo kun la gusto. En la germanaj kantoj vi aŭdas la soldatajn botojn. La tekstoj parolas pri batalo, pafado, kanonoj, morto. La promeso al la granda gvidanto anstataŭas la ĵuron al la imperiestro.

*Ek, al batal', batal'.*
*Batalo ja necesas.*
*Ek, al batal', batal',*
*batali pretas ni.*
*Al Karl Libkneĥt*
*ni tion ja promesis,*
*al Roza Luksemburg*
*la manon donas ni.*

*Ne timas ni, ne ni*
*la tondron de l' kanonoj.*
*Timigas nin, ne nin*
*la verda polican'.*
*Kaj Karl Libkneĥt,*
*faligis lin friponoj.*
*Kaj Rozan Luksemburg*
*mortigis murda man'.*

*Jen staras vir', ja vir'*
*fiksita kiel kverko.*
*Travivis li, ja li*
*tra sturmo kaj danĝer'.*
*Eble li es-*
*tas morgaŭ en la ĉerko*
*ĉe kamaradoj*
*falintaj pro liber'.*

Vane oni serĉos tian kanton en Nederlando. Tie oni kantas: Milito al milito, fratoj / Sangverŝo okazu ne plu / Rifuzu esti ni soldatoj, / Kazernon eniru ne plu. / L' armilojn sangajn vi forĵetu. / For la signojn de perfort', / L'uniformon hontan tuj demetu, / Kun ĉiuj iloj de la mort'! (Trad. W. Nutters.)

Ne estas sen senco rimarki, ke nun en rondoj de la Socialisma Junularo en Nederlando grupoj, kiuj emas al renverso de la oficiala ŝtatpolitiko, kantas la malnovajn germanajn batalkantojn. Multaj el tiuj kantoj estiĝis dum la batalo sur la barikadoj mem. Ofte la poetoj estas nekonataj kaj la melodioj apartenas al aliaj kantoj. En ripozo poetoj povas krei kantojn pri pli bela mondo. Komponisto trankvile povas fari sian laboron. Iliaj produktoj estas preskaŭ nekonataj ekster la rondoj de la „kunbatalantoj". Fakte nur unu ŝokis la tiaman mondon: Berthold Brecht (Bertolt Breĥt). En la Trigroŝa Opero li desegnis la putradon de la kapitalisma socio. La moderna muziko de Kurt Weil (Vajl) efikis tiel, ke la kantoj estis ĉie kantataj. Mi dubas tamen, ĉu ĝuste tiu opero efikis ankaŭ al la laborista klaso, la armeo de senlaboruloj, kiu precize tiam kreskis, kreskegis. La kalendaro ja montras la jaron 1929. Kvar jarojn poste Breĥt devas fuĝi al Usono. Kian influon li havas tie? Nenian!

Al la kamaradoj pli efikis liaj batalkantoj. Por ili melodiojn faris Hans Eisler (Ajsler). Internacian famon akiris i.a. la Solidareca Kanto el la filmo Kuhle Wampe. Sed ankaŭ tiun filmon oni ne prezentis en la oficialaj kinejprogramoj. Post la dua mondmilito Breĥt transloĝiĝis

al G.D.R. Tie oni kultas al li kaj la Solidareca Kanto fariĝis la nacia himno.

En la jaro 1905, kiam la unua revolucio klopodis renversi la caran reĝimon, kiam la potenculoj sukcesis sange subpremi tiun klopodon, la posta gvidanto de la nova ŝtato, Lenin, formulis siajn ideojn pri literaturo. Jen kelkaj frazoj el lia artikolo: „La literaturo devas fariĝi partia literaturo. La literaturo devas fariĝi parto de la ĝenerala proleta afero. Ni volas krei kaj efektive kreos presaron, kiu ne nur estas libera tiusence, ke la polico ne okupas sin pri ĝi, séd kiu estas ankaŭ libera de la kapitalisma jugo, libera de ĉiu strebado kaj, kio estas eĉ pli bona, libera de la burĝa individuisma anarkiismo.[10]) Lenin komprenas la antitezon en sia tezo. Sed ĝi estas nur ŝajna, li diras. La kapitalisma literaturo ne estas libera, ĉar ĝi dependas de la kapitalisma socio, kiu estas korupta. La literaturo en socialisma socio estos vere libera, ĉar la verkisto ne dependas de monhava individuo aŭ grupo. Kompreneble li dependas de la socio. Kaj lia laboro estu por ĝi. Por Lenin bona ekzemplo de verkisto estas la viro, kiu spertis mem mizeran vivon kaj kiu akceptis la pseŭdonimon Gorki (la Amara). Gorki tamen ne simple verkas pri laboristoj, sed pri Ruslando. Efektive li ne forgesas mencii la sociajn cirkonstancojn sub la cara reĝimo. Sed la rusa animo ĉie ĉeestas.

Kiel Lenin, la batalanto por la mondrevolucio, povas akcepti tion? Facile. Ĉar ja estas du aferoj, pri kiuj temas. „Batali kontraŭ ĉiu nacia subpremo — senrezerve jes. Batalo por ĉiu nacia evoluo, por tiu nacia kulturo simple — senrezerve ne." „Ĉu grandrusa marksisto povas akcepti la devizon de grandrusa kulturo? Ne. La loko de tia homo estas inter la naciistoj kaj ne inter la marksistoj. Nia afero estas batali kontraŭ la reganta reakciega kaj burĝa nacia kulturo de la grandrusoj kaj nur en internacia spirito kaj en intima ligo kun la laboristoj de la aliaj landoj evoluigi tiujn ĝermojn, kiuj troviĝas ankaŭ en nia historio de la demokrata laborista movado." Gorki do estas tia ĝermo. Tiuj, kiuj deziras scii pli pri la vidpunkto de Marks, Engels kaj Lenin koncerne kulturon, estetikon kaj literaturon, studu la cititan verkon.

Por Lenin la problemo, ĉu certa verkisto apartenas al la kapitalisma aŭ al la socialisma kulturo, estis facile solvebla. Li sciis la solvon. Sed la amaso ne estas ankoraŭ edukita en tiu direkto Ĝi ne povas distingi. Tial spertuloj devas elekti por ili, por ke la homoj ne estu infektataj de burĝa veneno. Kaj tiu veneno estas ĝuste la individuismo, la dubo pri la elektita vojo, la kritiko al la grupo, kiu decidas por ni.

Ho ve, ho ve, ho ve! La internacia publiko ne legas la verkojn de Gorki. Ĝi konas Pasternak kaj Solĵenicin, homoj kiuj estas „ne ŝatataj" en Sovetunio. Sed la granda amaso rigardas al Peyton Place. Unu, du, tri, kvar jarojn. (En elsendo adaptita!)

De Lenin transprenas la torĉon Popola Ĉinio. En la konata revuo de la sama nomo ni povas legi: „Niaj literaturo kaj arto estas por la popolo." „La proletaj literaturoj kaj arto estas parto de la tuta afero de la proleta revolucio, aŭ laŭ la vortoj de Lenin, radeto kaj ŝraŭbeto en la tuta revolucia maŝino. Do la loko de la literaturo kaj arta laboro de la Partio en ĝia tuta revolucia laboro estas difinita kaj asignita; ĝi estas subordigita al la difinita revolucia tasko de la Partio en certa revolucia periodo. Ĉia ajn opozicio al tiu ĉi asigno certe kondukos al dualismo aŭ pluralismo kaj esence egalas al la formulo de Trocki: „politiko — marksisma; arto — burĝa." [12]).

La dualismo ne estas trovebla nur ĉe Trocki. Ankaŭ en la antagonismo inter Lenin kaj Roza Luksemburg temis pri la sama afero. „Por ilustri la grandegan diferencon en spiritostato inter ŝi kaj Lenin, mi ĉi tie atentigas pri ilia tiom malsama sinteno rilate la burĝan kulturon. Lenin povis estimi tiun kulturon nur kun malbona konscienco, kaj estis la politikisto en li, kiu samtempe kvazaŭ cenzuras tiun estimon. (En letero al Gorki li skribis, ke oni ne aŭdu tro ofte la muzikon de Beethoven; kaj kiam li kun la juna Trocki preteriris la Westminster-abatejon, li di-

ris: „Ho jes, ili bone aranĝis tion.") Roza Luksemburg restis dum sia tuta vivo sen antaŭjuĝo malferma por la estetikaj kaj etikaj valoroj de l' burĝa kulturo, kiujn ŝi preskaŭ ĝis sia lasta vivtago danke akceptis, ensorbis kaj asimilis." [13])

En „Senn. Revuo" 1973 mi skribis pri la malvastigita pensmodelo, kiu kontraŭas la emociojn. Tion ni do ankaŭ povas konstati ĉe Lenin, kiam li cenzuras sian estimon por la burĝa kulturo. Averton li direktas al Gorki, kiu espereble estas kapabla mem juĝi. Sed al la granda amaso oni devas malpermesi la kontakton kun tiu kulturo, kiu devojigos ĝin de la bona direkto. La cenzuro en la individuo fariĝas cenzuro en la socio. Kion oni devas subpremi en si mem, tion oni certe devas subpremi en la socio, ĉar la sociaj delogaĵoj ja povus denove stimuli niajn proprajn emojn. La socia cenzuro fariĝas projekcio de la individua. Mi devas tamen averti la leganton, ke tio ne signifas, ke Lenin, nur Lenin, diktas sian cenzuron al la socio. Lenin mem estas la fokuso de tiu socio. Sen ĝi li ne havus influon. Se li havus ideojn, kiujn la socio ne akceptus, ĝi cenzuras lin. Tio okazis antaŭ 1917. Post granda interna perturbo la situacio ŝanĝiĝis. Kaj tiam la socia konscienco devas juĝi. Kaj por ke ĝi jam ne estu logata de la antaŭaj deziroj, ĝi devas ekstermi tiujn, kiuj ebligis al ĝi montri tiujn dezirojn. Tio estas la bazo de la torturprocesoj, pri kiuj mi skribis en la sama „S.R." kaj kio denove fariĝis aktuala i.a. ankaŭ en Ĉilio. Sed raporto de Amnestio Internacia mencias tiujn aferojn en tri kvaronoj de la mondo. Pri la alia kvarono ĝi dubas. Do afero tute homa? Efektive jes. Tiom longe, kiom la individuo devas subpremi parton de sia individueco, same longe en la socio estos aparato, kiu subpremas la rilatan tendencon.

La socio posedas diversajn rimedojn por subpremi tion, kion ĝi ne ŝatas. Mortigo, torturo, karcero, punlaboro estas kelkaj. Tiujn verdiktojn oni uzas ĉe kulpuloj. Sed kompreneble estas pli bone preventi. Kaj kiam temas pri kulturaj aferoj, oni zorgu, ke produktoj de la malamika kampo ne estu importitaj. La realigo de tio estas pli facila por Ĉinio ol por Sovetio. La distanco inter la lasta kaj la okcidenta regiono estas pli malgranda, kaj jam en la cara tempo Okcidenta Eŭropo multe influis Ruslandon. Kontraŭe la okcidenta politiko bremsis la kulturfluon al Ĉinio kaj uzis la landon nur por ekspluati ĝin. Kaj ankaŭ nun la distanco estas sufiĉe granda. Tamen malgranda por invititoj el la kapitalistaj landoj, kiuj rajtas rigardi la benojn de Avo Maŭ. Kaj ankaŭ malgranda por la eta ruĝa libro, kiu fluas al ĉiuj landoj, kiuj ne timas ĝin. Malgranda por la ĉinaj produktoj, kiuj en oficialaj ekspozicioj montras la kvaliton de la ĉinaj varoj. Malgranda por ebligi kontakton inter la oficiala komunista registaro de Popola Ĉinio kaj la oficialaj registaroj de kapitalistaj burĝaj ŝtatoj.

Sed kiam temas pri kontaktoj inter la ordinaraj homoj en la respektivaj regionoj, tiam la distanco montriĝas tiom granda, tiom granda... Raketon oni povas sendi al Venuso, homojn al la luno, sed ordinara ĉina esperantisto ne povas sendi leteron al ordinara esperantisto en iu ajn alia lando. Nek inverse. Verŝajne oni en Ĉinio kredigas al la amaso, ke en eksterlando ankoraŭ ne ekzistas la poŝto.

Kelkfoje mi konstatis, ke legantoj aŭ aŭskultantoj akceptas mian ironion kiel veron. Tial mi atentigas tiujn, ke la lasta frazo de la antaŭa alineo entenas ironiaĵon. Sed mi rapidas aldoni, ke tamen en ĉiu ironio troviĝas kerno da vero. La vero en la lasta estas eĉ duflanka. Unue ĝi diras ion pri la alia kampo, due ĝi implicas la propran. Pri la aliaj ĝi asertas ion malbonan. Ili ne posedas ion, ili ne kapablas fari kion ni kapablas, ili estas malbonmensaj, malbonmoraj, koruptaj, vampiroj, k.t.p., k.t.p. Kaj vi, leganto, kiu neniam vidis Marsanon, imagu al vi, ke iam oni raportos pri li. Kaj en ĉiu raporto vi legos, kiom kruda, abomena, perforta, k.t.p. estas la loĝanto de la ruĝa planedo, ĉu vi opinius lin pli bona ol la raportoj? Ĉu vi opinius vin pli malbona ol lin. Se jes, vi estas elstara homo. Mi ne estas tia. Mi kredus la raportojn. Kaj ankaŭ la ĉinoj estas ordinaraj homoj. Ankaŭ ili kredas la informojn, kiujn ili ricevas. Ili juĝas tiujn informojn el sia propra vidpunkto. Kaj prave konstatas, ke ili estas pli bonaj.

Tio estas la dua vero en la ironiaĵo. La




ĉina popolo opinias sin pionira popolo. La komunista partio en Ĉinio opinias sin pionira partio. Kaj la tasko de la partio estas stimuli la proletan revolucion, en kiu la literaturo kaj la arto ludas sian specialan rolon. De tempo al tempo grupo da koruptitaj enloĝantoj estas delogata de la imperiisma mono. Tiam necesas nova revolucio. Kaj laŭ Maŭ necesos ankoraŭ cent. Kaj post ĉiu purigado ni povas pli hele vidi la nunon kaj kontraŭmeti ĝin al la nigra estinto. Tiel la ĉina literaturo abundas je pecoj pri la batalo kontraŭ Japanio. En la lernejoj venas maljunaj homoj, kiuj parolas al la infanoj pri la malbonaj cirkonstancoj, en kiuj ili vivis. Oni povas legi pri heroaj knabinoj, virinoj luktantaj por la bono de la komunumo. Oni povas ĝui statuojn de amaso da atakantaj soldatoj kun pafiloj kaj la komunista flago, statuon de Liu Hulan, juna komunistino, kiu „post sia aresto heroe kaj aplombe martiriĝis sub la fojntranĉilego de la malamikoj." [14]

Ankaŭ en la literaturo por infanoj ni trovas la saman tendencon. Infanoj batalas ruze kaj sukcese en la batalo kontraŭ la malamiko. La infanoj montriĝas pli inteligentaj ol la stultaj malamikaj plenkreskuloj, kiuj lasas sin trompi. Ofte knabinoj montriĝas pli inteligentaj ol knaboj. Ili persistas malgraŭ doloro kaj vundoj kaj estas heroe aklamataj de la plenkreskaj kamaradoj. Kaj tiel ankaŭ la ĉinaj knabinoj-fingroj finfine fariĝas belaj principidinoj.

Kiu knabo ne edziĝus al tia fea estaĵo? Do knabinoj, vi kiuj ne jam estas elektitaj, vi kiuj opinias vin malpli plaĉaj ol via najbarino. Jen via ŝanco; ĉar la ĉinaj knaboj „ne havas intereson por eksteraj aferoj." Ili neniam parolas pri tio, ĉar „beleco estas interne. Kiel ŝi estas ideologia, kiel ŝi tenas sin pri la laboro, kiel ŝi tenas sin al la amasoj, kiel estas ŝia klasspirito. Se vi volas pasigi vivon kun iu, tio estas la gravaj punktoj." [15]

Mia kapitalista sorĉkesteto promesas ion alian al la knabinoj: Se ŝi aĉetas novan dentpaston, ŝin prenos belstatura knabo en sia aŭtomobilo. Se ŝi uzos tiun specialan

haŭtoleon, ŝi feliĉigos aron da dancemuloj. Se ŝi fumos iun cigaredon, ŝin prenos en sia boato sporta junulo por veturigi ŝin tra la mondo. Se...... Se ŝi nur aĉetos. Facila afero. Baldaŭa sukceso en mondo plena de materiaj kaj korpaj ĝuoj.

Kiel Herkulo, Herkulino, ŝi devas elekti. La knabino en la kapitalisma socio elektas. La knabino en la komunisma Ĉinio elektas. „Elektas".

Aŭ spirita feliĉo pere de vivo malfacila, luktoplena? Kun la ŝanco, ke post via morto oni faros poemojn pri vi, konstruos statuojn pri vi. Verkos legendojn pri vi. Kiel ĉe Herkulo.

Efektive „elektas" inter citiloj, ĉar kiam unu el la vojoj estas barita, oni ja devas iri la alian. Kaj kiam oni sufiĉe ofte iras tiun vojon, oni plu ne rimarkos la ekziston de la vojo barita. En la intervjuo, kiun havis ĵurnalisto de nederlanda revuo kun studentoj kaj studentinoj en Ĉinio, ni povas legi interalie jenajn frazojn: (Temas pri la nombro da infanoj dezirata. Tio montriĝas du.) „La intervjuanto demandas, kial ne pli. La gvidantoj diras, ke du sufiĉas. Kaj kiam la gvidantoj diras tion, tiam ni pensas, ke ili pravas kaj tiam ni faras tion." ((Se vi faros ion, kio laŭleĝe ne estas akceptata?) „La leĝon ni havas en nia kapo." En la interparolo kun la studentoj la ekzisto de sensaj deziroj estas eĉ neata." [13]) La lasta rimarko povas rememorigi nin ekz. pri la Bhagavad-Gitan: „Abstinema hom' forpelas de la mens' sentum-impresojn; la saĝulo liberiĝas eĉ de tentoj kaj deziroj." [16]) Kaj tiu, kiu iom scias pri la praktikoj en la Romkatolika eklezio povas transponi ĉiujn frazojn: La pastro vizitis nin „kaj admonis nin, ke ni denove bezonas infanon. La leĝo de Kristo troviĝas en mia koro. Li ĉiam vidas, ĉu mi estas kulpa antaŭ Li.

Paralelojn kun la kristana religio vi povas trovi ankaŭ alie. 11-jara knabino desegnas bildon kun subskribo: „Prezidanto Maŭ estas ruĝa suno en mia koro." [17]) Katolika infano parolas pri Jesuo, kiu estas la suno en ĝia koro. Ĉiujare la lernantoj rememoras la t.n. Longan Marŝon. En la tereno ili strekas vojon similan al tiu, kiun faris Maŭ, triumfe venkante la malamikon. La vojo tre similas al la Kalvaria Vojo kaj dividiĝas kiel ĝi en dek du stadiojn. Tiun lastan nombron vi cetere povas trovi ankaŭ en aliaj religioj. Ĉi tie mi ne povas mencii ĉiujn similaĵojn. Sufiĉas indiki kelkajn, mi esperas.

**Renesanco de la folkloro**

En Ĉinio oni klopodas konstrui novan kulturon baze de la proleta revolucio. Materialon oni povas trovi en la batalo kontraŭ la malamiko kaj en la revolucio mem. Alian materialon oni trovas en la ideoj, kiujn oni deziras efektivigi.

Kiam la socialismo en Eŭropo komencis trovi adeptojn kaj kiam tiuj postulis neburĝan kulturon, granda parto de la produktoj konsistis el efemeraj poeziaĵoj pri spertitaj okazaĵoj. Nur unu kanto fariĝis mondkonata, sed preskaŭ neniu sciis ion pri la estiĝo. Nun ni scias, ke Leonid Ger Radin mallonge antaŭ sia ekzilo al Siberio kun melodio de nekonata ruso faris poemon. Kiam en 1897 oni transportis kaptitojn el unu malliberejo al alia, la transporto fariĝis politika manifestacio, ĉar la malliberuloj subite ĥore kantis tiun kanton: Fratoj al sun', al libero.

Baze de efemeraj produktoj oni neniam povas konstrui novan daŭran kulturon. Kaj fonon por siaj idealoj bezonis tamen la amaso, kiu ja ĵus forlasis eklezion. Ĝi ne plu taŭgis. Ĝi estis perfida. Ĝi estis opio por la popolo. (Sciu ke Marks mem skribis: La religio estas la opio de la popolo.) Kaj oni trovis la malnovajn popolkantojn, la malnovajn popoldancojn, la malnovajn popolfestojn...... „La socialista majfesto havas por la laboristaro egalan signifon, kiel la kristanaj festotagoj por la unuaj kristanoj. Ne ekzistas pli elokventa ekzemplo por la bezono de la amaso al simboliko, kiu estas ligita al la cirkla moviĝo de la jaro, ol la historio de la Majfesto." [18]) „Kio estis por la germanaj kaj keltaj paganoj la printempa festo de la naturo kaj por la katolikoj la festo de la Sankta Virgulino ornamita per rozoj, de la printempo de l'homaro, tio fariĝis por la socialista laboristo la tago, kiu atestas pri la triumfo de renovigo neevitebla de ĉio malnova kaj mortinta. Oni transprenis ĉe tio multajn festofor-

mojn, transdonitajn en la malnovaj popolfestoj, ĉu kun karaktero ĝenerala, ĉu kun karaktero loka: la manifestacioj ornamitaj per verdaĵo kaj floroj, la angla kaj flandra majfesto, k.t.p." [18]) En la citita verko Herman de Man dediĉas tutan ĉapitron al la religia simboliko, la eskatologio kaj la solidareco. Li atentigas pri paskokongresoj, ruĝaj kristnasko-festoj en Moskvo. En Nederlando la gvidanto de la socialdemokratoj faris en unu kristnasko-tago paroladon al la partianoj. Ĝi estis represita laŭlitere en la partigazeto kaj legata kiel la leteroj de apostolo Paŭlo.

Mi povas aldoni, ke la socialdemokratia partio en Nederlando estas fondita de dek du viroj, kiujn oni tradicie nomis la dek du apostoloj. Ankaŭ la junularo havis siajn festojn. Precipe dum pentekosto. Oni venis el la tuta lando al la tendaro ĉirkaŭ la...... Paskomonteto. Tie tradicia punkto estis la prezento de ludo farita de H. Roland-Holst kun titolo: La vekiĝo de Orĝojo. En la fino Orĝojo, la pentekosta fianĉino, estis portata tra la tendaro, kvazaŭ viva statuo de la Senmakula Virgulino. Kaj oni devis oferdoni al ŝi. Monon, monon, monon. Kiu devas veni el la plataj sakoj de la kamaradoj. Sed ĝi estas por la sankta afero. Interalie por la konstruo de la Troelstra-oord, konferencejo kaj feriejo de la socialisma movado, nomita laŭ ĝia unua gvidanto, Trulstra. La unua gvidanto de la junularo, Koos Vorrink, skribas pri ĝi: „Estis unu el la plej belaj momentoj dum la Pentekosta Festo de la Laborista Junulara Centro, kiam sur la verda ludherbejo ĉe la piedo de la kampdomo „La Paskomonteto" ,estas kolektita la Pentekosta donaco por la Trulstra-konferencejo. Simpla durada kampara ĉaro estis ornamita per freŝa verdaĵo printempa kaj per helflava genisto. Sur tiu ĉi ĉaro, tirata de nombro da viglaj knaboj, sidis, kiel la fiera Pentekosta floro, kronita per verdaĵo kaj floroj, Orĝojo, el la simbola ludo de l' Pentekosta Festo de la L.J.C. Antaŭ ili marŝis la muziko. Oni batis la tamburon kaj vokis la kamaradojn el la tendaro. Kaj en la ornamitajn pelvojn de knabinoj same kronitaj per verdaĵo kaj floroj, fluis la ofermono, destinita por donaco al la Trulstra-konferencejo. La donacado estis bela, kaj suna kaj gaja festeno — kiel decas al donacado." [19]) Kaj iom poste la mono estas donata. „Estis solena kaj entuziasmiga momento kune, kiam Klaas Toornstra, povis paroli pri la amo de la junularmovado por la socialisma movado, de kiu ĝi formas parton kaj kiam li povis transformi ĉi tiun amon en simplan faron, la festdonaco por la Trulstra-konferencejo." [19])

Kaj kiam Vorrink en 1934, ĝis tiam junular-gvidanto, fariĝas la nova prezidanto de la Social-Demokrata Laborista Partio, li en tiu sama loko faras sian adiaŭan paroladon „La fajro neniam estingebla". Tie li karakterizas la socialismon. Kaj la karakterizojn li resumas jene: „Kaj fine: la socialismo estas ankaŭ *la amo al la Vivo, amo al ĉio vivanta,* esti prenita en la potenca ritmo de leviĝo kaj malleviĝo, de estiĝo kaj forpaso, kiu trafluas Ĉielon kaj Teron." [20])

Tiu, kiu venas el la religia kampo kaj deziras iri al la vicoj de la socialistoj devas ne nur ŝanĝi la vorton „frato" por tiu de „kamarado", sed devas krome kutimiĝi al liturgio alia. Tio ne favoras la kreskon de la socialisma movado; kontraŭe, ĝi larĝigas la antitezon inter kristanoj kaj socialistoj, tiel ke la lastaj fariĝas nova limigita sekto, kies anoj prave povas aserti, ke ili ne apartenas al la eklezio, sed estas anoj de la S.D.L.P. Kaj kiam tiu partio iom post iom malfermas siajn pordojn ankaŭ por kristanoj, tiam forflugas en nebuloj ĝia kulto kune kun la sekteco. For la paganaj simboloj, for la folkloraj dancoj ĉirkaŭ la majfosto, for la popolkantoj. For la majmanimestacioj. For la ruĝaj flagoj. For, for, for. Nur kelkfoje en romantika rememoro kelkaj maljunuloj sopiras al la sorĉaj kunvenoj iamaj. Iam kaj tiam aro da nepoj klopodas ree organizi esoterajn vesperojn, kiel en la tempo de la grandaj pioniroj, la patriarkoj de la socialismo.

Intertempe la kondiĉoj por la laboristaro precipe post la dua mondmilito pliboniĝis. La ekonomia nivelo kreskas kaj kreskas. La tekniko faras venkon post venko. La vivnivelo leviĝas, venas pli da libera tempo. Sed la migro al la urboj fariĝas tiom prema, ke nun la ferioj servas por povi fuĝi el ĝi. Kaj tiuj, kiuj antaŭe ridis pri tiu junularo, malĉastaj ruĝuloj, kiuj tendumis,

nun aĉetas tendojn, tendegojn, ruldomojn aŭ privatan domon, kiun ĵus forlasis iu kamparano por trovi laboron en la urbo. Butikistoj, unuiĝintaj en asocio por fremdultrafiko, klopodas tiri la fluon de turistoj al sia vilaĝo. Ili ja jam perdis sufiĉe pro la formigro de la loĝantaro al la industrio. Ke la turismo povu iom kompensi tion. Kaj ili cerbumas. Tiuj, kiuj forlasas la urbon, la teknikon, la raciigon, la aferecon, deziras la odoron de la kampara bieno, la manlaboron, la romantikon de la estinto. Kaj huŝ, kaj fuŝ, ili bakas la estinton. Iuj virinoj verŝajne havas ankoraŭ malnovajn vestojn en la ŝranko el la tempo de la avino. Certe, nek ili, nek la patrinoj iam uzis tiujn. Ne gravas. Ne gravas ankaŭ, ke ne ĉio estas originala. Se la afero nur iomete estas adaptita al la romantika gusto. En la urbo *oni portas ledajn ŝuojn*. Sed kamparanoj uzas lignajn. Tiuj venas de la fabriko. Ofte kun belaj ornamaĵoj aŭ surskriboj: salutojn el Holando. Tiajn ne portas la kamparanoj, sed ĉu gravas? Kompreneble la nederlandanoj ne volas aĉeti tiajn. Ili ŝatas verajn. Manlaboritajn. Feliĉe ankoraŭ troviĝas en la tuta lando unu homo, kiu kapablas fari tiun laboron. Sekve inviti lin por nia „antikva kamparana foiro". Antikva korbfaristo, antikva ŝafisto, antikva abelbredisto, antikvaj beboĉaroj. Nu, la lastajn oni efektive ne plu uzas. Sed ĉu gravas? Antikva orkestro. En kamparanaj kostumoj. Tiaj neniam ekzistis, sed ĉu gravas? Kaj nun feston. Popolfeston kun popolaj ludoj kaj popolaj dancoj. Nederlando bedaŭrinde jam ne posedas grandan stokon da tiaj dancoj. Do ni lernigas al la knaboj kaj knabinoj kelkajn svedajn, germanajn, anglajn, izraelajn. Ĉu gravas? La turistoj venas. Ili ŝatas la romantikon. Ili aĉetas la manfaritajn tukojn, ĉapojn, robojn, ŝuojn, telerojn, bastonojn, vazojn, kukojn, ĉiujn manfaritaĵojn. En la fabriko. Ĉu gravas? Ke la mondo deziras esti trompata, jam sciis la *antikvaj romanoj*.

Kiam temas pri eksporto oni povas esti eĉ pli vastanima. Tiam oni povas kolporti florkronojn en fiŝista kostumo. La fiŝistoj de la insulo Marken neniam kulturis florbulbojn kaj la kulturistoj de florbulboj neniam portis tian kostumon, sed la aspekto estas bela. Ĉarma. Kaj ĉarma la foto, kiun vi povas montri hejme: vi kune kun „knabino el Volendam vendanta al vi florkronon antaŭ muelejo". El kartono. Ne nur la foto, sed ankaŭ la muelejo. La floroj estas realaj. Ankaŭ la knabino, kvankam ŝi ne venas el la fiŝista vilaĝo Volendam kaj ordinare ne portas tiajn vestojn. Ĉu gravas?

Kaj kiam vi, damnindaj eksterlandanoj, tamen ne volas veni al ni por aĉeti niajn nesupereblajn produktojn, tiam ni venos al vi. Per flugmaŝino kaj kun grupo da efektivaj nederlandaj kamparaninoj. Ili estas vestitaj en la konata ordinara originala kostumo, kiun ankoraŭ nun ĉiu nederlandanino portas: la kostumo de la fiŝistedzinoj de Volendam. Ili portas lignajn ŝuojn, la kutiman piedveston de la nederlandanoj. Ili dancos por vi kelkajn popolajn dancojn kaj igos gustumi al vi la nederlandan kamparanan fromaĝon. Nu jes, en Usono neniu scias, ke ordinara kamparano ne povas pagi flugveturon de grupo da kamparaninoj. Kaj la fabrikisto scias, ke la usonaj grandkomercistoj emas pli al aĉeto de lia fromaĝo, se la knabinoj povas prezenti ankaŭ aliajn fruktojn de la nederlanda tero. Kaj antaŭ la forflugo la knabinoj konfidas al radio-intervjuisto, ke ili kaŝas tiujn fruktojn sub la kostumo, sed ke ili en Usono certe montros ankaŭ tiujn al la sinjoroj, en la intereso de la nederlanda ekonomio. Tamen ekonomio honesta, kiu eksportas la nudan veron; ekonomio egaliga, kiu scias, ke sub la jupoj dancistino similas al kamparanino. Sed eble la unua povas movi siajn krurojn iom pli lerte. Ju pli lerte, des pli profite. Por la ekonomio.

Kaj intertempe tiu ekonomio kreskis kaj kreskis. Ni jam ne nur vizitas la propran kamparon. Ni povas vojaĝi eĉ eksterlanden. Kaj tie ni trovos la perditan paradizon. Kvankam mi surprize devas konstati, ke tiu paradizo troviĝas en ĉiu lando. Kaj ĉie *la* Evoj paradas en belaj kostumoj. Bankostumoj aŭ folkloraj kostumoj. Tio dependas de la nivelo, ĉu ili apartenas al la superstrukturo aŭ al la substrukturo. Kaj ju malpli estas la ekonomia progreso de la koncerna lando, des pli da belaj kostumoj ili povas prezenti al ni.

Sed en la okcidenta mondo la ekonomio

kreskas kaj kreskas. Kaj jam ni povas vojaĝi al...... la orienta parto. Jam ne ekzistas por ni, turistoj el la okcidenta mondo, la fera kurteno. Kiam ni ŝanĝos nian monon kontraŭ la duobla kurzo, ni povos ĝui duoblan paradizon. Jam prospektoj vokas al ni pri la benoj de la socialismo kaj la beloj de la virinoj. Ĉarmaj virinoj en ĉarmaj kostumoj. Bankostumoj aŭ folkloraj kostumoj. Ju pli paradiza la lando, des pli multe da folkloraj kostumoj.

Ne indigniĝu, kara leganto, se mi tedas vin. Ne kulpas mi. La ekonomio estas teda afero. Ja ĝuste tial ni serĉas la perditan paradizon. Kaj se vi ankoraŭ ne trovis ĝin, eĉ ne en la socialismaj landoj, tiam vi klopodu en la landoj, kiuj antaŭ kelkaj jaroj ankoraŭ ne sciis pri la ekzisto de speciala arbo de la Scio. Certe, ni nun volas donaci al tiuj landoj kelkajn spesdekojn por evoluigi ilin, kaj jam ni povas konstati, ke ni iom sukcesas, ke efektive tiuj negroj klopodas vivi vivon pli civilizitan. Gazetsciigoj raportas al ni pri decaj malpermesoj: malpermeso de poligamio, malpermeso de sklavintenado, malpermeso de vualportado, malpermeso de la senegala ĉefministro al la virinoj danci kun nudaj mamoj, **...... Kaj la leganto iras al la lito, kontenta. Kaj ekdormante li sonĝas. Pri tiuj foraj landoj. Ĉu efektive ĉie oni sekvos la malpermesojn, ĉu ne ie, ĉu ne hazarde li povus renkonti...... Kaj la postan tagon li prenas la gazeton kaj li vidas tutpaĝan afiŝon, multkoloran. Pri Maroko. Kun kameloj kaj knabinoj en belaj kostumoj. Folkloraj kostumoj. Bankostumoj mankas, sed ili ja ne estas necesaj, ĉar la tualeto de la „originalaj haremaj junulinoj" estas jam sufiĉe diafana. Ĉu li iros tien? La bankoj organizas specialajn malmultekostajn vojaĝojn. Kaj verŝajne la elspezoj en tiuj neevoluintaj landoj ne estas tre altaj. Li decidas ferii tie. Tio okazos post duona jaro. La ekonomio tamen permesis al li ĝui liberan dimanĉon, liberan sabaton. Kion fari? Denove kartludi, denove televidi, denove...... Ha, jen io ekzota. Ne de la televido, sed vivanta. Anonco de originala senegalia dancgrupo, kiu intencas diskonigi sian propran prapatran kulturon. Oni prezentas specialan programon de kultaj dancoj, magiaj dancoj, fruktigaj dancoj. En originalaj kostumoj. Kostumoj? La foto ne montras multe da ili. Tiom pli bone, ĝi donas fidon pri la aŭtentikeco de la prezento. La recenzisto konfirmas tion skribante, ke „la knabinoj, vestitaj nur per la originalaj herbojupetoj, entuziasmigas la publikon per siaj viglaj gambomoviĝoj". 21) La leganto revas. For de la kruda realo. Tial li ne plu scias, ke la gvidantoj de la koncernaj landoj jam manĝis la frukton de la paradiza arbo, ke ĝuste tiu manĝado kaŭzis la konscion pri la propra nudeco. Fizika kaj ekonomia. Kaj la gvidantoj konscias ankaŭ, ke tiel la kovro kiel la malkovro de la nudeco povas esti la intereso de la ekonomia evoluo.

Mi ne scias, ĉu ni en la proksima estonto malkovros ankoraŭ pli paradizajn regionojn kun ankoraŭ pli primitivaj statoj. Sed mi kredas, ke ni preskaŭ estas ĉe la fino. La fino de la primitiveco kaj la fino de nia ekonomia progreso. Jam oni konstatas ie kaj tie konsciiĝon ankaŭ pri tio. Kaj denove oni povas aŭdi, kvazaŭ tutnova sentenco: la riĉuloj fariĝas ĉiam pli riĉaj kaj la malriĉuloj fariĝas ĉiam pli malriĉaj. Sed nun jam ne temas interne de iu nacio, sed ĝi fariĝas, jam estas, problemo mondskala. Kaj ligita al ĝi ni denove trovas la du strukturojn: la superan kaj la suban. Ni ne forgesu, ke la supera estas nia nivelo. Kaj nia problemo estas: kultivi la substrukturon en la intereso de ni mem per fondo de zoologiaj ĝardenoj por homgrupoj, aŭ eduki la subevoluintajn sociojn koste de nia propra prospero.

Fenomenoj kiel super- kaj substrukturo do ne pendas memŝvebe en la aero, sed ili estas forte ligitaj al la ĉiutaga tera ekonomio. Kaj tion devas konfesi ankaŭ verkisto pri folkloraj kostumoj nederlandaj: „Ĝenerale estis la kamparanoj, fiŝistoj, maristoj, kiuj karakterizis sin per komuna, tradicieligita vestaro, kontraŭe al la urbanoj, kiuj jam frue sekvis la modon". 22) Tio ne signifas, ke la folkloraj kostumoj ekzistas jam de jarcentoj. La aŭtoro diras, ke multaj partoj de diversaj vestaĵoj ne estas pli aĝaj ol 50 ĝis 60 jaroj. Kaj li ankaŭ asertas, ke diversaj kostumoj transformiĝas, kiam la portantoj kontaktas kun homoj de aliaj grupoj, kvankam kontakto kun aliaj grupoj ankaŭ povas firmigi la apartecon de la vestaro. En la lasta kazo oni volas akcenti

la specialan karakteron de sia grupo. La vestaro fariĝas distingilo.

Tio, kion mi skribis pri la vestoj validas ankaŭ sur aliaj terenoj. Tio estas vera rilate al la ekonomia bazo, kiel al la „origineco" de iu parto. Tiel ekz. la jugoslavoj kredas, ke la „kolo" estas speciala jugoslavia danco, kvankam la bulgaroj kredas la samon koncerne sian „horro", kaj la rumanoj denove la samon pri sia „horra". La izraeloj siavice asertas, ke ilia „horra" estas aŭtoktona. En „La Migranto" n-ro 32 vi povas legi, ke Izraelio ne plu posedis aŭtoĥtonajn dancojn, sed ke ili importis kaj adaptis ilin por la nacia bezono. Tiel ili apartigis sin de la aliaj naciaj dancformoj.

Lasta ekzemplo. Ĉiu scias, ke legendojn vi povas aŭdi ĉie sur la tero. La enhavo estas ofte egala al konataj hejmaj rakontoj. Nur la nomoj de la agantoj kaj lokoj prenis nacian formon. Ni povas diri, ke post la diferencaj formoj kaŝiĝas ofte sama skeleto, baza strukturo.

En nova nederlandlingva libro pri folkloro De Haan skribas, kiam li klopodas konvinki la leganton pri la valoro de sia temo: „Ĝuste praskemoj kaj temoj, la tielnomataj „arketipoj" (por paroli kun la svisa psikologo Jung), montriĝas nedetrueblaj tra la jarcentoj, levitaj super modaj ŝanĝoj kaj intelekta raciado kaj subite denove ekstreme modernaj en „progresiva" periodo, kiu ekzilas kaj ekzorcas malplenan hipokritecon kaj mucidajn burĝajn tabuojn." [23]) Ni konstatis jam kial la homoj serĉas la malnovajn formojn: ĉar la hodiaŭaj ne kontentigas ilin. De Haan pravas, sed ne pro tio, ke la publiko opinias la malnovajn formojn pli bonaj. Ne en tio kuŝas la eterna valoro, la arketipoj. De Haan uzas terminon, kies signifon li ne komprenas. Arketipo ne estas formo, sed nur skemo. Kaj la skemo, kiun ni ĉiam trovis, estis la deziro por reiri al la perdita paradizo. Kiel oni vestas tiun deziron, dependas de tempoj, cirkonstancoj kaj lokoj.

**Esperanto**

En S.R. n-ro 100 mi skizis la evoluon de la lingvo kaj la koincidon kun ekonomiaj ŝanĝiĝoj. Tie ni vidis, ke ankaŭ esperanto estas deziro al perdita paradizo, la paradizo de homa kompreno, kiu forfalis, kiam en la antaŭa jarcento la industriiĝo kaj la nacia merkato disdividis la homaron en malgrandajn kaj malamikajn unuojn. En la literaturo, precipe en la komenco, ni trovas la spegulbildon de tiu deziro. Esperanto venkos la mondon, la verda stelo lumigos la teron, ni estos unu paca familio ktp. Ankaŭ nun ni trovas adeptojn de tiu sinteno, la interna ideo, kiu fakte fariĝis nova religia formo. Por la anoj de tiu religio Baghy estas la plej granda verkisto.

Disde tiu ideo esperanto tamen havas karakterizaĵojn, kiuj diferencigas ĝin de aliaj lingvoj. En „S.R." n-ro 100 mi skribis, ke esperanto estas la nura neklasa lingvo.

En „Norda Prismo" 1972, n-ro 1, Ragnarsson priparolas la libron de Basil Bernstein pri lingvaj karakterizaĵoj en rilato al la sociaj medioj. Bernstein konstatas, ke ekzistas du kodoj de lingvo: limigita kaj ellaborita. La unuan uzas la homoj en la malaltaj sociaj medioj, la duan tiuj en la superaj klasoj. Ĉi tie vi do povas denove trovi la superstrukturon kaj la substrukturon. Nun la pedagogoj scias, ke infanoj en la malaltaj klasoj ĝuste pro tiu limigita lingvokodo estas bremsitaj en la plua evoluo. Sed praktike ne estas eble ŝanĝi nur la lingvokodon de la lernantoj sen fundamenta ŝanĝo de la soci-ekonomia strukturo.

Ragnarson diras, ke esperanto posedas nur la ellaboritan kodon, kaj li sugestas, ke esperanto tial verŝajne povus helpi en la adaptiĝo al tia kodo en la nacia lingvo. Ragnarsson forgesas kun Bernstein, ke ne temas pri du aspektoj de unu lingvo, sed pri du tute malsamaj lingvostrukturoj. Kaj la lingvostrukturo de esperanto ne estas same ellaborita kiel la naciaj. Ni povus diri, ke la ellaboriteco kreskas kun la nombro de sociaj rilatoj. Ju pli kohera, ju pli aŭtarcia estas iu grupo, des pli limigita estas la lingva kodo. La nombro por konkretaj fenomenoj estas granda, la nombro por abstraktaj rilatoj estas malgranda. Do ankaŭ rilataj vortoj estas malmultaj. Kiu nun nur iome konas la strukturon de esperanto, scias ke tie ĝuste la nombro de konkretaj vortoj estas malgranda, sed ke kontraŭe ekzistas aro da vortoj kun abstrakta kaj ĝenerala senco. Kutima parto de esploro

pri la lingva nivelo ĉe infanoj konsistas el la apudmeto de du kontraŭaj vortoj. Mi kredas, ke tian kriterion oni ne plu povus uzi, se ĉiu infano scipovus paroli esperanton. La samon oni povas konstati rilate la uzon de serioj da vortoj kun kreskanta aŭ malkreskanta dimensio. Denove la samo valoras por la uzo de in- aŭ id-vortoj.

La prepozicioj, kiuj formas en la naciaj lingvoj grandan malfacilaĵon, estas fiksitaj en esperanto. Kaj la sistemo de korelativoj jam per si mem estas „ellaborita" afero. Esperanto do ne estas egala al la naciaj lingvoj, sed superas ilin. Se esperanto formas superstrukturon, la naciaj lingvoj nepre same formas la substrukturon. Kaj same kiel la homoj, kiuj estas devigataj pene ellerni la cerban nacian lingvon, emas al refalo en regionan aŭ socian lingvaĵon, same ni povas konstati, ke tio okazas en esperanto, kie la „ĉiamaj bonan-tagon-esperantistoj" parolas esperanton kun nacilingva buŝo, se ili malfermas ĝin. Ju pli granda fariĝos la nombro da parolantoj, des pli granda fariĝos tiu nombro. Ni povis konstati tion ĉe la miloj de Ĉe-kursanoj. Tio ne signifas, ke mi kontraŭas tiujn kursojn. Certe ne. Sed la kursgvidantoj devas scii, perfekte scii, ne nur esperantajn vortojn, sed ankaŭ la strukturon de la lingvo kaj ili devas posedi didaktikajn kvalitojn.

En la sama numero de „Norda Prismo" vi trovas alian artikolon, kiu traktas la artan karakteron de la literaturo. Kaj la verkinto diras, ke „Nur rilate ĝenrojn specife universalajn la esperanta literaturo atingis sian plej altan gradon de estetika realiĝo."[24]) Mi kredas, ke la aŭtoro pravas. Prave li mencias krome la nomon de La Infana Raso. Tiu poemo estas ne nur tre universala, ĝi estas ankaŭ verko kun tute nova vivpercepto. Kiel Dante estis la poeto en la itala lingvo por la burĝaro, tiel Auld estas la poeto por la nova popolo, kiu ne plu infane serĉos sian feliĉon en iu ĥimera paradizo, sed kiu plenkreske scias, ke la esenco de la vivo estas la vivo mem. La vivo estas tasko, ne fuĝo.

Oni povus konkludi, ke la universaleco, la abstraktismo de esperanto kondukos al nura skemismo, neŭtralismo. Tio nepre ne estas vera, kontraŭe: „La liriko subjektiva estas pli universala ol la objektiva, ĉar ĉi tiu, fiksiĝante sur eksteraj objektoj kaj personoj, postulas reliefigon de iliaj individuaj trajtoj, kontraŭe al la alia, kiu ripozas sur sentoj, impresoj kaj ideoj pli malpli homkomunaj."[25])

La lasta citaĵo havas ankaŭ psikologian bazon, kiu cetere denove estas ligita al la nocio de limigita lingva kodo. Ju pli kohera la grupo, des pli grupkonforma estas la sinteno de la individuo. Ju pli heterogena la grupo, des pli individua fariĝos la sinteno de la grupanoj. La individueco kreskas en rilato al la nombro da kontaktoj. Homoj, kiuj limigas siajn kontaktojn al specifaj grupoj, bremsas sian individuecon kaj transformas sin en „grupano". Ju pli oni uzas esperanton, des pli da kontaktoj, des pli universala fariĝos la lingvo-uzo kaj same kreskos la individueco de la uzanto. Se nur ... esperanto ne restas religisa sekto, kie oni nur dum la ĉiusemajna ĵaŭdvespero aŭskultas la predikon de la kluba prezidanto, pagas sian obolon kaj transiras al la ordinara vivo, kie oni parolas alian lingvon.

Jam de la komenco la individuismo ludis rolon en esperanto. Ĉiu, kiu eklernis la lingvon, post la deka paĝo jam sciis, ke li nepre enkondukos tiun aŭ alian reformon. Tie la individuisma tendenco kontraŭis la universalecan. La lasta venkis, kvankam tio ne signifas, ke ni nun nepre devas uzi la lingvo same kiel la najbaro. En „Heroldo" de 16 dec. 1973 Reto Rossetti skribas, ke en esperanto la stiloj de la verkisto estas pli individuaj ol en la naciaj lingvoj. Tio kompreneble dependas ne nur de esperanto, sed ankaŭ de la tempo en kiu esperanto naskiĝis, sed tiam ni denove estas ĉe nia elirpunkto.

Kun tiu fenomeno koincidas ankaŭ la fakto pri la universaleco de la religio. Vi legu nur la preĝon sub la Verda Standardo, en kiu Zamenhof klopodas abstrakti la religian senton de siaj liturgiaj formoj. Ĝuste tiam la homo povas formi sian propran ideon. Ju pli strikta la liturgio, des malpli da libero por la individuo. En Oficiala Gazeto de la jaro 1912 ni povas legi, ke oni regule donos informojn pri Bahai, ne nur, ĉar tiu religio akceptis esperanton sed ankaŭ, ĉar ĝi estas tiom universala.

Ambaŭ facetoj de esperanto ne estas

memstaraj fenomenoj. Ĉiu scias ion pri la abstrakta arto. Estas interese, ke la unuan eldonon de la Infana Raso beligis kelkaj abstraktecaj desegnaĵoj, sed ke en la dua eldono troviĝas kaj klarigoj pri la poemoj kaj romantikaj ilustraĵoj. En la pedagogio oni ĉiam pli akcentas la valoron de la individuo, kaj ankaŭ. en la homaj rajtoj temas pri individuoj. La virino, kiu pleje stimulis la individuecan instrumanieron Maria Montessori formulas la celon de la edukado: servi la abstrakton.

### Konkludoj

Ni vidis, ke la fenomeno „kulturo" ne pendas libere en la aero, sed ke ĝi radikas en la ekonomia bazo. Ĉar tiu bazo ne estas unuforma, ankaŭ la kulturmanifestiĝoj ne estas unuformaj. Sed ĉar la ĝenerala trajto de la ekonomio estas ĝia „nehoma" karaktero, la ĉefmotivo de ĉiuj kulturoj estas la serĉo de la homa feliĉo. Tial la kulturo havas dialektitan rilaton al la ekonomio. La tendenco de la kapitalisma kulturo direktas sin al ekstrema individuismo, tiu de la komunisma kulturo al ekstrema konformismo. La danĝero de la unua estas diseriĝo, de la lasta nova fermiteco.

Neniu kulturo estas aŭtarcia. Ĉiu transprenas formojn de alia. En nur kelkaj okazoj kulturformoj estas akcentataj specialaĵoj. Tio stimulas la fermitecon.

Kaj nun ni povas diri ion pri la estonta evoluo de sennacieca kulturo. En la kapitalismaj landoj la deziro al plivastigo de spertoj kreskos. Ankaŭ la ekonomio fariĝos pli kaj pli supernacia, same kiel la politiko. Individuismaj tendencoj kreskos proporcie kun ĝi.

En la novaj landoj oni kontraŭe deziros kulti la senton de memstareco, de aparteco. La samon ni povas konstati en la komunismaj landoj. La fermiteco kaj la grupkonformismo kreskos. Se necese, oni tie kultos antikvan folkloron kaj naciajn sentojn. En la kapitalismaj landoj iom post iom forfluos la folkloraj specialaĵoj.***) Oni transprenos tion, kion oni bezonas, sendepende de la lando de origino.

Se la ekonomio prosperos, se ankaŭ la homa prospero kreskos, tiam kreskos ankaŭ la individuisma tendenco. En Sovetio ni jam povas konstati tion. La kapitalismaj landoj incitos tiun tendencon, sed la rebato povas esti, ke ĝuste pro tio la subpremo kaj la limigiteco grandiĝas.

Esperanto povas ludi gravan rolon en la akcelo de nefermita kulturo. Kondiĉo por tio estas, ke la teritorioj deziras tiun nefermitecon. Kaj jen la plej grava punkto: ni nun ne scias, kiel poste la tutmonda ekonomio prenos formon. Ĉu ni longe havos du blokojn? Ĉu ni povos interkonsenti pri efektiva tutmonda ekonomio? Se jes, tiam la nefermiteco okazos, kaj tiam la universaleco kaj la individuismo povos realiĝi. En la esperanto-literaturo ni jam povas konstati tiun tendencon. Kvankam la hajko estas speciala japana versformo, ankaŭ nejapanaj esperanto-poetoj esprimas siajn sentojn en tiu maniero. Inverse la soneto estas uzata en ne-okcidentaj landoj. La universaleco do efektive kreskas, kaj la individuo prenas tion, kion li bezonas, sendepende de naciaj kutimoj.

Ekster esperanto ni povas konstati tiun tendencon rilate al la vestoj. Ĝis nun la grupo decidis pri la taŭgeco de la vestoj, influataj de la modo kaj la modoprincoj. Sed pli kaj pli la individuo serĉas propran stilon. Amsterdama junulo portas jakon el Nepalo, portas jupon kaj longajn harojn, knabino portas ŝtrumpojn kaj jupon el la tempo de la avino, ktp. Sed mi devas tuj aldoni, ke la publiko opinias tion degenerado. Kaj en okcidento kaj en oriento. Tio denove pruvas, ke niaj reagoj ne estas liberaj elektoj, sed grupkonformaj. Stimuli la individuan starpunkton devas la lernejo. Tamen, kun la kresko de la lerndevo la enreligo en la socia sistemo ankaŭ kreskas. Tio denove signifas, ke ŝanĝojn ni ne povas atendi de la oficialaj instancoj. La valoro de esperanto ĝuste kuŝas en tiu tereno, ke ĝi ankoraŭ estas libera. Ĝi devas konservi tiun liberecon, sed ĝi krome devas pli serioze kulturi siajn eblojn. Ĝis nun ankaŭ la esperantistoj konsideris sian lingvon kiel iun tempopasigan kartludon. Nur kelkaj kredas, ke esperanto estas egalvalora al la naciaj lingvoj. De nun ni pli kaj pli devas akcenti la superecon de esperanto super la naciaj lingvoj kaj kulturoj. Tio ne signifas, ke ni devas stimuli iun specialan esperanto-kulturon, novan sekton, ĉar tio stimulus

la fermitecon de nia grupo. Kontraŭe ni devas strebi al plena liberiĝo de iu specialaĵo, ĉu socia, ĉu religia, ĉu teritoria. Tio ne signifas, ke ni estas neŭtralaj, ke ni devas akcepti ankaŭ la malbonon kaj malbelon. Se ni farus tion, ni ne elektas kaj ni ja ĝuste volas stimuli tion. La palacoj de Versajlo, la piramidoj en Egiptio estas imponaj. Sed kiel ili konstruiĝis? Kiom da ĝojo, kiom da plezuro, kiom da doloro, kiom da mortoj ili kuntrenis? La estinto povas esti por ni averto. Kaj tiu averto valoras por la tuta homaro. Tial ni bezonas historion pri tiu homaro. Ne kiel oni ĝis nun ĝin priskribas, vidata de starpunkto de generalo. Ni bezonas librojn pri tuthomara kulturevoluo, pri tuttera geografio. Kaj denove ne estas interese kie troviĝas la oleo, sed kiel ni povas ekspluati tiun oleon por la tuta homaro. Aŭ eble ne ekspluati ĝin, ĉar ĝi endanĝerigas nian medion. Ni devas studi la tutteran ekologion. Kaj speciale ni devas studi ĉiujn fenomenojn ligitajn al tio.

En niaj someraj universitatoj ni tro ofte paroligas homojn, kiuj prelegas pri sia fako. La samon ni povas aŭdi en nia propra urbo. Mankas preskaŭ ĉiam la ĝeneralaj, universalaj problemoj.

Mi esperas, ke la esperantistoj komprenas la tre gravan rolon, kiun esperanto povas ludi en la evoluo de sennacia, tuthoma, universala kaj ĝuste pro tio individua kulturo.

*Cor Bruins*

---

* Leidsch Dagblad 14 jan. 1974: „En Ĉinio oni hodiaŭ metis Ludovikon v. Beethoven kaj Franz Schubert inter la eksterlandaj komponistoj, kiuj montris burĝan kaj kapitalistan spiritostaton."

** Leidsch Dagblad 30 okt. 1973: „En Senegalio la sinjorinoj ne plu havos permeson, laŭ sciigo antaŭ-nelonga, prezenti siajn tradiciajn dancojn publike kun nevestita supra korpoparto. Prezidento Leopoldo Senghor opinias tiajn dancojn „obscenaj kaj neafrikaj" kaj „nek niaj virinoj nek nia lando povas fieri pri ili."

*** Robert Brain, De primitieve volken, W. Gaade, Den Haag, 1972. p. 80: „La malnova kulturo de Havajo ekzistas ankoraŭ nur por la turistoj. Efektive la homoj estas plene adaptitaj al la usona vivo. Malgraŭ ĉiuj arte konservataj ekzotikaj kutimoj Havajo estas centprocente usona kaj pri tio ĝi fieras."

---

*Vortaro:*

*relikto:* kulturformo, postrestinta el antaŭa tempo, ne havanta ligon kun la nunaj kutimoj.

*Notoj :*


1) L. L. Zamenhof, Originala Verkaro, Leipzig 1929, p. 383.
2) same p. 383.
3) same p. 379.
4) Sennaciulo 1972, n-ro 1, p. 4.
5) same.
6) Norda Prismo 1972, n-ro 3, p. 134.
7) Dr. Jos Schrijnen, Nederlandsche Volkskunde, Zutphen, s.p., I, p. IX.
8) same p. 21.
9) Prof. Dr. J. de Vries, Volk van Nederland, Amsterdam 1937, p. 6.
10) Links Richten, Amsterdam 1973, p. 7.
11) Marx, Engels, Lenin, Über Kultur, Ästhetik, Literatur, Leipzig 1971, p. 249.
12) El Popola Ĉinio, julio 1967, p. 33.
13) H. Roland Holst, Roza Luksemburg, S.A.T. 1949, p. 27.
14) El Popola Ĉinio, julio 1967, p. 33.
15) Panoramo, 60-jaro, n-ro 43, p. 73.
16) Bhagavad-Gîtâ, Brazilio 1942, p. 22, sentenco 59.
17) El Popola Ĉinio, 1967, kontraŭ p. 28.
18) Hendrik de Man, De Psychologie van het Socialisme, Arnhem, 1929, p. 99.
19) Gedenkboek Troelstra-oord, Amsterdam 1927, p. 99.
20) Koos Vorrink, Het vuur, dat niet wordt uitgeblust, Amsterdam, 1934, p. 4.
21) Leidsch Dagblad, 6 nov. 1973. Komparu: **.
22) Dr. Tj. W. R. de Haan, Volkskunst der Lage Landen, Amsterdam, 1965, I, p. 75.
23) Dr. Tj. W. R. de Haan, Folklore der Lage Landen, Amsterdam, 1972, p. 8.
24) Norda Prismo, 1972, n-ro 1, p. 8.
25) same p. 6.

# Multatuli

## Artisto pro socia indigno

*La protektado de la indiĝena loĝantaro kontraŭ arbitra eluzado de kiu ajn estas unu el la plej gravaj devoj de la Ĝeneral-Guberniestro. Li devas zorgi, ke la regantaj oficistoj strikte agu laŭ la jamaj aŭ venantaj reguloj kaj leĝoj kaj ke la indiĝenoj havu ĉie okazon libere ensendi plendojn.*

Par. 55 India Registara Regularo.

Ni, SAT-anoj, uzas Esperanton en batalo por socia justo en la plenumo de tasko de eduko kaj kulturo. Al la lasta tasko ni rajtas aldoni la aplikon de Esperanto por la realigo de kultura justo. La malgrandaj literaturoj malofte falas en la atenton de la Nobel-komitato, la membroj neniam havas la ,eblon sperti kaj estimi la riĉan nederlandlingvan literaturon. Oni konas en Stokholmo la nomojn Spinoza kaj Rembrant, oni tie registris la 16 nomojn de nederlandaj sciencistoj, sed neniam ili enskribis la nomon Multatuli. Por ni, SAT-anoj, M. ne nur estas genia stilisto, sed li ankaŭ estis heroa batalanto por la homaj rajtoj. Krome li valoras por ni pro siaj originalaj kaj kritikaj ideoj, sub la moto: Eble nenio estas tute vera kaj en sia indigno pri propra nacio proksimis sennaciistan vidpunkton. Li malkaŝis la malverojn de la naciismo, donis surprizajn, nekonatajn faktojn pri la nacia historio de Nederlando, kvankam li neniam ekkonis pri la historimaterialismo de Marks.

La nomo Multatuli estis tiom ofte uzata kaj ankoraŭ estas, ke multaj belgoj kaj nederlandanoj ne scias, ke malantaŭ tiu plumnomo kaŝis sin Eduardo Douwes-Dekker (1820-1887), eksoficisto de Nederlanda Indio.

En la sekvanta artikolo ni volas eviti biografian skizon, ni ne traktos M. kiel beletriston, sed kiel sendependan pensulon, kiu ŝturmis tradiciajn, ŝimkovritajn nederlandajn bastionojn. Ĉar tradukoj de lia ĉefverko nur ekzistas en la angla, sveda kaj germana lingvoj, ni por la membroj, loĝantaj en aliaj lingvaj teritorioj, donas kelkajn ekzemplojn de lia potenca lingvo en Esperanto, esperante, ke nia traduko donos trafan impreson. Dum la legado certe montriĝos, ke malgraŭ la foriĝo de la nederladna koloniismo M. de antaŭ 100 jaroj aperas al ni kiel aktuala.



*Multatuli 33-jara.*

*La verkinto*

Por multaj belgaj kaj nederlandaj gejunuloj Multatuli dum longe tempo estis la senmakula, heroa batalanto kun pura idealismo. Li kritikis, atakis kaj provis renversi aferojn kaj pensojn, kiujn junuloj en ĉiuj landoj malŝatas kaj malamas: aŭtoritato, premaj tradicioj kaj preskriboj, rigidaj kutimoj kaj hipokrita mo-

ralo, etburĝaj, egoismaj sociaj konceptoj. Krome M. posedis trajtojn, kiujn junuloj admiras kaj estimas: sincero, senegoisma nobleco kaj bonfaremo, emociaj ekemoj, senpensaj elverŝoj de kolero kontraŭ maljusto kia ajn. M. ĝuste kontentigis la idealojn kaj dezirojn de junaj homoj, kiuj ankoraŭ ne estas fuŝitaj de religia etmoralo, kiuj ankoraŭ ne estas ŝnuritaj en la establita ordo, en la prema reto de sociaj, sensencaj preskribitaj devoj. Por ili M. estis kavaliro, atakanta la rabistojn de ilia libero. Por la pli aĝaj homoj, la sataj, kontentaj burĝoj, la subtenantoj de la establita ordo kaj moralo M. estis la senmorala vivanto, la oficisto eksigita malhonore pro la fakto, ke oni trovis diferencon inter la kontoj kaj la sumo en la kaso. Por multaj plenkreskuloj M. estis iu Mefisto, la spirito, kiu ĉiam neas, se ili almenaŭ estus legintaj Goethe. Ni vidos en tiu ĉi artikolo, kiu bildo de M. proksimas pli la realon, tiu de la senspertaj, entuziasmaj, blinde admirantaj gejunuloj ol tiu de la cinikaj burĝoj sen ia idealismo. Eble la moto de M. „nenio estas tute vera" estas aplikebla ĉi tie.

Eduardo Douwes-Dekker alvenis en la tiama Nederlanda Indio en 1839, 19-jara, kiel skribisto en la Ĝenerala Kalkulĉambro, la unuajn du monatojn sen salajro. Poste li trairis diversajn aliajn oficojn en malsamaj lokoj, ĝis li fine estis asistant-rezidento en Lebak en la okcidento de Javo. Li edziĝis kun baronino Everdina van Wijnbergen, kiun li ĝenerale nomis Tine en leteroj. Ŝi havis nur la rangnomon baronino, — posedojn ŝi ne havis. En letero el 1845 M. malkaŝas, ke li estas pli artisto ol praktika oficisto: „Kara Everdina. Mi supozas, ke ankaŭ vi kredas, ke mi estas kapabla. Ne estas tiel. Mi posedas la malkapablon por la taga vivo de J. J. Rousseau (ruso) plene. Mi lasis mian taskon tute malordiĝi kaj poste ĝi estis bone plenumata de enlanda knabo".

En Lebak Multatuli regis du monatojn. Okazis konflikto kun lia ĉefo, la rezidento, kaj fine kun la Ĝenerala Guberniestro, ĉar M. postulis plenan aplikon de la bela leĝo por la kolonioj, publikigado de raportoj kaj haltigo de plua maljusto kaj ekspluatado. Malgraŭ la oferto de la Ĝenerala Guberniestro de aliloka ofico al M., M. petis pri eloficiĝo mem.

En la sama jaro 1856 li returnis sin al Eŭropo, lasante siajn edzinon kaj infanojn en la zorgoj de sia frato Jan, kiu havis tabakplantejon en Javo. Dum kvar jaroj M. trairis mizeran, anemian vivon en Nederlando kaj Belgio, daŭre luktante kontraŭ manko de mono kaj nutro, renkontante plenan indiferenton pri sia sorto kaj pri la sorto de siaj protektatoj, la Javanoj. Laŭ la oficialaj, tute falsitaj raportoj regis en la kolonioj prospero, ordo kaj kontento kaj ĝuis la enlandanoj la benojn de la nederlanda kolonia regado. En 1860 fine aperis lia unua libro: Maks Havelaar aŭ La Kaf-aŭkcioj de la Nederlanda Komerco-Kompanio.

La verkinto nomis sin Multatuli. Li kompilis kaj verkis ĝin en mansardo en Bruselo, dum unu ekzalta, nerv-elĉerpa tensio en 16 tagoj dum novembro 1859. La ĉambreto havis rompitan fenestron kaj estis nevarmigata pro manko de karbo. Malgraŭ la fakto, ke M. ŝuldis la sumon de la luprezo por sep monatoj, la hotelestro donis al li nutron. En letero al Tine li klarigas la nomon Multatuli: „Tiu nomo sonas strange, sed elokvente kaj ĝi tiras atenton al la libro." La nomo signifas: multportinta, multsuferinta, certe aludante al liaj kvar mizeraj jaroj en Eŭropo. Pension M. neniam ricevis.

La libro *Maks Havelaar* montriĝis majstraĵo de la nederlanda literaturo, ĝi falis kiel ondkaŭza bombo en la trankvile plaŭdanta lago de beletro kaj de politiko de la tiama Nederlando, kie la kultura akvo apenaŭ moviĝis aŭ sulkiĝis. M. faris en la sama ĉambro ankaŭ kopion de sia libro kaj malbenis tiun laboron same kiel Mocart, kiu devis kopii la muzikon, kiun li jam estis aŭdinta interne. Sed por bone kompreni la surprizan aperon de la libro, ni provas skizi la kulturan kavon kaj vakuon, en kiun ĝi falis.

★

La Nederlando de 1860 estis kompatinda, anemia restaĵo de la iama Holanda Respubliko, kiu antaŭ 200 jaroj en mallonga tempo faris sin la plej potenca imperialista kaj kolonia potenco de tiu

tempo per surprizaj energio kaj entreprenemo, per kuraĝo, perforto kaj per korupto. Ankaŭ kulture ĝi estis ekzemplo por Eŭropo en toleremo kaj kultura libero. Ĝi donis azilon al la tri plej grandaj spiritoj de la tiama mondo: la franca filozofo Descartes, la judo Spinoza kaj la angla filozofo Locke, sed samtempe ĝi detruis tri sagacajn politikajn cerbojn de si mem; sian 1-an ministron Oldebarnevelt kaj la du fratojn de Wit.

Dum du generacioj la aktiva, vigla burĝa komercistklaso, kiu almenaŭ konservis burĝajn demokratajn regoformojn, degeneris al ogligarkia korpo, al sateco, al kontento, al malaktiveco. Ĝi degeneris al regantoj, kiuj komencis vivi per rentoj kaj dividendoj, kies nura politika tasko estis: divido de la oficoj, se eblas en famili-rilatoj. La vera procezo de dekadenco okazis inter 1750 kaj 1850. La lasta jarnombro certe montras la plej profundan de la kavo. La riĉaj patricioj komencis prunti monon al la iamaj malamikoj, al Francio kaj Anglio, kiuj kontinuis la kapitalistimperialistan evoluon. La holandaj rentistoj kaŭzis en propra lando nur senlaborecon pro neinvestado, kaj kiam la Francoj venis en 1795, Amsterdamo havis 150.000 loĝantojn, el kiuj la duono estis senlabora. Tiuj vivis per modesta subteno, per almozado aŭ per ŝtelado. Pro tiu etvizia ekonomio ankaŭ falis la kultura aktiveco kaj precipe la literaturo. Multatuli trafis en stagnan, staran socion, en kiu la kapitalposedantoj ne montris ian entreprenemon; ne volante riski sian monon, ili simple kontinuis la procezon, pro kiu la respubliko mortis: akumulado sen investado. La poetoj kaj verkistoj de 1860 nutris sin per la glora pasinto, ĉar ilia realo ne havis faktojn aŭ okazojn, kiuj instigis ilin al inspiritaj kreoj, ili eĉ revis pri returniĝo de la perdita gloro. La kalvinismo, iam la fajra ideologio por la batalo kontraŭ Romo kaj Hispanio, estis falinta al rigidaj, tradiciaj formoj, sen enhavo aŭ konvinko. La pastoroj kaj multaj membroj ne povis superi la nivelon de teologia debatklubo. El Francio kaj Svisio venis provoj al revivigo ĉirkaŭ 1820, kiu ankaŭ influis la velkan kalvinismon en Nederlando.

La revivigo efikis eksteren kaj internen, eksteren al la socia realo per aplikado de kristana filantropio, internen al pli persona konvertiĝo kaj al pli pura kredo. Tiuj ŝanĝoj kaj reviviĝoj okazis konscie precipe en intelektulaj rondoj, inter pastoroj, poetoj, verkistoj kaj burĝoj, la granda malriĉa amaso restis kredantoj de la tradiciaj reguloj por forgesigi sian mizeron en atmosfero de mistiko.

Kompare kun aliaj ŝtatoj, precipe kun Anglio kaj Francio. Nederlando estis subevoluinta lando en 1850. La urboj tute similis al tiuj de 1650, en la loĝantaro ankoraŭ estis multe da nelegpovantoj, analfabetoj, inter la rekrutoj 12%, kaj en 1893 10% de la infanoj ne frekventis iun lernejon. En 1844 la ŝtato staris antaŭ bankroto, kiu fakto povus klarigi la mankon de rimedoj por forigi la analfabetecon kaj kontraŭefiki la timindan malsanon, la tuberkulozon, kiu precipe suferigis la laborist-amasojn kaj mortigis frue iliajn infanojn.

La senespera revado de poetoj kaj romanverkistoj pri la glora pasinto kaj pri ĝia ebla reveno donis fekundan grundon por la romantika kulturkoncepto, sed sen iu socia, revolucia idealo. La nederlandaj romantikistoj restis adorantoj kaj glorantoj de historiaj herooj, precipe de regantoj el la Oranĝa dinastio. Se estis verkistoj, kiuj kuraĝis tuŝi la realon de la 19-a jarcento, ili vivigis beletre la ekziston de kontentaj, sataj burĝoj, el kiuj ofte riĉigis sin en la kolonioj. Se la verkistoj tuŝis ordinarajn popolanojn, ili faris tion kun certa snoba kompato, montrante samtempe sian klassuperecon.

Le studanto de tiu nederlanda etkulturo tre facile povus imagi, ke la tuta atmosfero de trankvilo, de ripozo, sopiris al iu fulma, genia sparko, kiu ekbruligos la lignan stakon. Se oni atendis, ke la eksoficisto Douwes-Dekker de Javo posedas tiun genian sparkon, oni devis post lia alveno en 1856 atendi ankoraŭ 4 jarojn, ĝis majo 1860. Tiam genieco komencis veki la talentan etkulturon.

★

Antaŭ la traktado de tiu rimarkinda libro ni devas mencii la okazojn antaŭ la

apero, el kiuj montriĝos, ke la libro estis uzata kiel politika armilo. Post la unustreĉa, nervoziga elverŝo de socia indigno de Multatuli, en novembro 1859, li donis la manuskripton al kelkaj literaturistoj, kiuj estis tre entuziasmaj. Ĉar M. ne estis hejme en la praktiko de Libro-eldonado, li cedis la eldonrajton al la verkisto van Lennep, kiun tiu neniam redonis. Anstataŭ tuja aperigo, por kiu M. ricevis antaŭpagon de 200 florenoj, komencis furiozi iu etmorala kverelo pri presigo aŭ nepresigo je certaj kondiĉoj. Estis 3 partioj: Multatuli, van L. kaj la ministro. Unue van L. ne emis presigi la libron, ĉar li estis konservativa politikisto kaj li timis la influon de la libro al la ribeloj, kiuj tiam okazis en Javo. Poste li ŝanĝis sian taktikon kaj minacis la registaron per aperigo, se tiu ne volas cedi al la deziroj de Amsterdamo rilate certajn fervojplanojn. Sed ankaŭ M. uzis la libron kiel batalilon. El liaj leteroj montriĝas, ke M. ofertis neaperigi la libron, kondiĉe, ke li iĝu Konsilanto de Nederlanda Indio. La ministro ofertis bonan oficon en Okcidenta Indio, kion M. ne akceptis.

Lia frato Jan, la tabakplantisto, vizitis la ministron, por ke M. povu iĝi lernejestro en Batavio, ĉar tio favoros liajn tabakkontraktojn Sed M. restis ĉe sia postulo de Konsilanto kaj eĉ nun preferis esti Ĝenerala Guberniestro. Li skribis en letero: „Se ne, mi estos Multatuli."

Mi diras kiel Luter: „Jen mi staras. Dio helpu min." Feliĉe por la literaturo, post duona jaro da ŝnurtirado la **Maks Havelaar** aperis. M. okazigis proceson pri la eldonrajto, en kiu li malvenkis, ĉar li subskribis la Akton de Cedo. Van L. neniam redonis la rajton, kio estas morale riproĉinda. Sed M. ricevos la parton el la profitoj, kiun li ankaŭ estus ricevinta en kazo de posedo de la eldonrajto. La motivoj de van L. ne estis financaj. La hezitoj de M. pri la aperigo kaj promeso abortigi la libron, interŝanĝe por alta ofico estis kompreneblaj. Lia financa stato estis mizera. El la unua ricevita mono li tuj devis cedi parton por pagi ŝuldojn, kiujn li faris ĉe kelkaj onklinoj.

Malgraŭ la rekomendoj de la verkisto v. Lennep, kiu ankaŭ estis membro de la parlamento, enoficigi M. en alta ofico por takte subpremi la ribelojn en Javo, la ministro ne faris tion. M. nun devis lukte vivi per enspezoj el la vendo de sia libro kaj per prelegoj. Tine, verŝajne pro intrigoj de siaj familianoj, forlasis lin kaj mortis poste mizere en Italio. M. komencis kunvivi kun juna admirantino kaj loĝis la lastajn jarojn en Germanio, kie li mortis en 1887 en Nieder-Engelheim en Rejnlando.

La atenta leganto jam divenis la karakteron de M. el ekz. liaj altaj postuloj interŝanĝe por la nepresigo de sia libro, lia imago kvazaŭ li estus Luter. Tiaj elverŝoj stampas lin kiel homon kun vanta memsento, kun forta individuismo, tute konscia pri sia genio, ili stampis lin kiel homon kun aristokrataj sentoj, konscian pri sia misio skui la nederlandan popolon, malkaŝante la veron pri la korupta regado en Javo. M. trovis nur agnoskon en literaturaj rondoj, la liberala politika partio uzis lin ekskluzive por politikaj profitoj, ĝenante la registaron per lia libro. Ankaŭ kelkaj burĝaj intelektulaj rondoj ŝatis liajn ideojn kaj kritikon, sed reste la eĥo de liaj krioj por justo estis tre malfortaj. Tio estas atribuebla al la kolizio inter du karakteroj, kiuj pro radikalaj diferencoj ne povis estimi unu la alian.

La nederlanda popolo estas tipe meznivela, ekvilibra popolo, la mensa kaj morala pendolo regule pendas en la mezo, sen grandaj svingiĝoj dekstren aŭ maldekstren. Tia popolo neniam estas ĉiele alta aŭ morte malalta, tute mala al la popolo, de kie la nederlanda popolo venas, la germana. Radikalajn ŝanĝojn, renversajn revoluciojn ĝi ne akceptas. Burĝoj kun malamo mokis lin, la proletarioj, kvankam en mizero, ne emis akcepti lian radikalismon. Ĉiun, kiu provas leviĝi el tiu plaŭda, meznivela lago, ĉiun, kiu kaŭzas ondojn, kiuj ĝenas la ripozon kaj trankvilon, ĉiun kiu provas superi la kutiman, ordinaran nivelon, oni provas haltigi, retiri al la nivelo de la amaso. Kaj M. havis duan malavantaĝon.

Li aperis kaj falis en stagnan, staran, kontentan socion, kun nuraj kulturportantoj, meztalentaj, sed ne geniaj.

M. alte superis tiun ripozigan, nur plaŭdan kulturon de sia tempo, pro tio oni provis repuŝi lin al la mezo, ne agnoskante lian geniecon, puŝante lin fine al la rando de la socio. Io simila okazis al Rembrandt kaj Spinoza. Eble la usona liberpensulino, fraŭlino Silver, pravas, kiam ŝi komparas la homaron al kraboj en sitelo. Se unu volas elgrimpi, la aliaj retiras lin per siaj tondpiedoj.

La nederlanda popolo estas bonhumora, ĝi ne estas sprita kaj M. estis sprita, sarkasme sprita, mortige sprita. Kontraŭ la bonhumora kritiko de la nederlandaj poetoj kaj verkistoj la sprita kritiko de M. akre kontrastis kaj vekis koleron. Kaj lia kritiko estis nepre necesa en la tiama socio kun ŝtoniĝintaj rilatoj, moralo kaj rutinoj. En sia teatraĵo li metas sian kritikon pri la meznivela, ordinaro en la buŝo de liberala reĝino Luiza:

*La ordinaro estas venena parazitplanto,*
*Kiu mem ne portas fruktojn kaj uzas*
*Sian venenon por mortpremi tion,*
*Kio ekkreskas apud ĝi kaj kondamni*
*Al sama malfekundo.*
*La ordinaro estas malamiko de merito,*
*Protektanto de eteco, de malico,*
*Kio elstaras estu fortranĉita,*
*Kio brilas malpuriĝu,*
*Kio leviĝas, estu terenbatata, katenata,*
*Talento estu neata aŭ sufokata per sedoj,*
*Kaj mortneata se eblas.*
*Genieco estas fabelo, mito,*
*Eĉ io malbona, io maldeca,*
*Iu putra malsano, prefere nemenciata,*
*Aŭ per evita vorto, stranga, neordinara.*

Tiuj linioj montras kontraŭ kiu M. devis lukti por agnosko kaj kontraŭ kia menso kaj socio li devis batali. Plue en sia teatraĵo „Lernejo por Reĝoj" M. ankaŭ, same senespere kiel la angla poeto Shelley, provis trovi poezion en prema, putra, senhome kruela kaj kruda socio.

Krom la faktoj, ke M. per sia genio superis la meznivelan talenton kaj per flama indigno ĝenis la kontentajn burĝojn en ilia komforta ripozo, oni havis aliajn kialojn por malami lin. M. ne posedis la virtojn, nek la malvirtojn de la nederlanda popolo. Li ne estis solida, li ne estis ŝparema, nek modera, ordema kaj pacienca, li ne estis precizema kaj singardema. Li ne sulke pripensis la eblajn sekvojn de iu ago, li ne posedis la sobran, senpasian realismon, kiu akceptis multajn aferojn, kiaj ili estas. Li estis ekkolere agema, sentema homo kun diboĉa koro por noblaj faroj, li agis, kiel la angloj diras: en la sprono de la momento. Sed M. ankaŭ ne posedis la malvirtojn de la popolo, la dorsan flankon de la nederlanda medalo: ŝparemo ĝis avaro kaj monskrapemo, bagatelemo, duondecidemo, hezitemo. Oni rajtas diri, ke M. aplikis la bonajn kvalitojn de la nederlandanoj, ekz. helpemon, ĝis malsaĝa troigo. Malmultaj singardemaj nederlandanoj estus detruintaj reklamŝildon, kiu prezentis negron katenitan al la piedoj de fumanta eŭropano, malmultaj estus pagintaj la kostojn de kermesplezuroj por du maljunulinoj, kiuj neniam havis ian ŝancon eliri por amuziĝo, malmultaj estus regalintaj multajn orfojn per kuko kaj migdallakto kaj per ludiloj, malmultaj estus pagintaj la ŝuldojn de malriĉaj artistoj, neakceptante harpon kaj violon kiel garantion, malmultaj estus nutrintaj knabinon de la strato kaj helpintaj tiel, ke ŝi ne plu bezonis peki, malmultaj nederlandaj koloniaj oficistoj estus forludintaj sian salajron dum forpermeso en la monludejo de Spa por poste perdi la pruntpagon por la revojaĝo en la kazinon de Homburg kaj reveni ŝarĝita de ŝuldoj. Tiuj agoj venis el la vaksmola koro de M. Maljusto kaj hipokrita prediko simple vomigis lin. Lia bona edzino Tine tute komprenis lin kaj pacience elspertis la konsekvencojn. Multaj ŝparemaj nederlandanoj certe indigniĝis, kiam M. detruis 500 ekzemplerojn de foto, sur kiu li siaopinie aspektas tro juna. La kostoj estis 300 florenoj. Aliflanke li rifuzis akcepti monon pro bonfaraj celoj. Li verkis broŝuron por helpi la viktimojn de subakviĝo en Javo: Montru al mi la lokon, kie mi semis. La rezulto estis 1300 florenoj, sed M. ne volis ricevi unu cendon. Li estis kiel Rembrant, senprudenta, senpensa financisto. Kiam li verkis la libron en Bruselo, li eĉ ne havis monon por aĉeti poŝtmarkon por letero al sia edzino.

Jam juna li montris fortan, vantan memsenton. En la gimnazio kaj poste en la kalkulĉambro li ripete diris „esti destinita por fari pli grandajn aferojn". El tiu aristokrata trajto eble fontis lia politika kredo. Li ankoraŭ kredis al la liberala reganto, la ĝusta reĝo sur la ĝusta loko, kiu povos per reformoj sociaj forigi mizeron kaj maljuston. En la teatraĵo „Lernejo por Reĝoj" li image kreas reĝinon Luiza, kiu plene simpatias kun la popolo kaj daŭre batalas kontraŭ neagemaj kaj babilemaj ministroj. Kiam la manuskripto de Maks Havelaar estis preta M. skribis: „Sendu la manuskripton al la reĝo; se tio ne helpas, presigu ĝin".

M. ne realiste vidis la evoluintan burĝan monsocion, kiu forprenis de la monarkio ĉian realan potencon kaj ŝnuris la reĝojn per konstitucio kaj kaŝis ilin en ora kaĝo, kelkfoje donante permeson vidigi sin al la naiva popolo. M. ŝajne tute ne vidis la sekvojn de la franca revolucio, en kiu la burĝoj renversis aliajn politikajn potencojn kaj barierojn.

Lia aristokrata individuismo ankaŭ forlogis lin kondamni la parlamentismon. Li nomis parlamenton „babilkolegio". Elektado de multaj estis por li: doni ŝancon al mezkapablo, al homoj, kiuj per elektado neniam havos ŝancon pruvi, ke ili estas veraj individuoj. La tielnomata parollibero estis por li „fuŝa afero". Se ĉiu parolas, oni forgesas aŭskulti. M. ĉi tie kritikas kaj kondamnas ŝajnliberon kaj ŝajndemokration kaj certe de tiu tempo, en kiu nur malmulte da homoj rajtis elekti. Sed eĉ tiuj limigitaj rajtoj estis por M. popoltrompo. „Se mi estus la plej malica tirano, mi donus kompletan parolliberon, senliman rajton de kunveno, estante certa, ke mia popolo skribos, babilos kaj kunvenos ĝismorte. La anglaj lordoj sciis, kion ili faris, kiam la popolo postulis liberon. Neniu popolo estas tiom elsuĉata kiel la angla. Rigardu la salajrojn de episkopoj kaj la amasigitajn kapitalojn de la terposedantoj. Bismark ankaŭ estis ruza homo. Li donis al la popolo du parlamentojn. La popoloj estas sufiĉe malsaĝaj por kontentigi sin per paroladoj. Se ĉiu parolas, oni neglektas la pensadon kaj baldaŭ kunveno ne plu estas kolektivo por komuna utilo, sed kverel- kaj babilkolegio. Mi persone en kunveno lernis nenion kaj certe ne en laboristkunvenoj".

En 1860 Multatuli vokis la Laborist-Asocion, kiu vere konsistis grandparte el etmastroj, sed oni ne akceptis lin. En 1873 la Demokratia Ligo de Nederlando kaj Belgio invitis lin paroli en Bruselo kaj nun M. rifuzis veni. Li skribis jene: „Ĝis nun mi eĉ ne ricevis respondon al mia letero al la reĝo, nek de li, nek de la nacio. Tiu nacio neniam respondis al mia Maks Havelaar, kiu jam aĝas 13 jarojn. Mi ne komprenas, kial oni invitis min. Antaŭ multaj jaroj mi elmetis flagon, neniu venis. Mi vokis, neniu respondis, mi skuis la popolon kaj oni lasis ĉion endormiĝi." En tiuj amaraj jaroj M, eĉ proksimis la sennaciecon. Li skribis: „Mi vidas klare, kiel malbone la historio de la patrio estas verkita. Tio pliboniĝos, kiam ni ne plu havos patrion kaj estos liberaj de la senespera neceso fabriki heroojn uzindajn por la junularo. Dio, al kiaj malveroj oni kredigas la infanojn! Oni ne inventas faktojn, sed oni kaŝas faktojn kaj oni teatre ornamas la malmultajn, kiuj vere okazis. Kiam ni estos provinco de la germana regno kaj laŭvere priskribos Vilhelmon la Silenteman laŭ fontoj kaj dokumentoj, neniu faros el li ion specialan".

Kiam Prusio estis venkbatinta Aŭstrion en 1866, multaj landoj timis, ke Prusio konkeros tutan Eŭropon. M. skribis: „Prusio grandiĝis pro divideco de Germanio kaj pro timo je Francio. Prusio devas iri antaŭen, stagno, halto ne eblas. Kaj post la unua puŝo la putra Nederlando falos. Nederlando ne laboras, ĝi spekulas, ĝi monludas. El la loĝantaro 99% ne povas partopreni la ludon kaj staras kiel lakeoj en la salono, atendante ĝis io falos el la profito. Se Prusio aneksas ĝin kaj se tio estos bona por la homaro, mi diros Amen, sed kun doloro mi vidus germanojn en Hago". Konsidere al tiu malaktiva stato de la tiama Nederlando M. ne opiniis ĝin matura por popolreprezentado. M. verŝajne ne antaŭvidis la postan rapidan industrian progreson, sed plejparte lia aristokrata, individuista karaktero kaj

soci-koncepto malhelpis lin vidi la tiaman staton pli meritinda.

### La Maks Havelaar

Multatuli, ŝargita de socia indigno ne emis krei beletran verkon, sed pledon por justo, unue por la javanoj kaj dualoke por si mem.

Kiam iu skribis al li, ke li ĝuis la libron, M. reskribis: „Tiam vi estas anemia, mizera homo." Ekster la volo de M. la libro montriĝis literatura majstraĵo. Multaj legantoj certe surprizite spertis, kiom riĉa la nederlanda lingvo estis da esprimebloj, ke oni povas krei tiom da trafaj, imagvokaj bildoj per ĝi, ke ĝi en la plumo de M. povas esti tiom atentkapta kaj legkatena. Verŝajne multaj legis ĝin en unu streĉo kaj dumlege miris, ke la kreinto povis elverŝi tiun riĉon en 16 tagoj. Jam la originala kompilo trafis la unuajn legantojn, kutimajn legi historion aŭ romanon kun okazoj en sinsekva ordo. Alterne la leganto de Maks Havelaar estas en Amsterdamo, aŭskultante la pensojn de hipokrita etburĝo, alterne la leganto kunregas kun la oficisto Maks Havelaar, figuriĝo de M. mem, alterne oni kunsuferas kun du javanaj gejunuloj, alterne oni legas la korespondadon inter M. kaj la guberniestro kaj fine oni kun M. sendas indignan leteron al la reĝo.

La amsterdama etburĝo malfermas la vicon kaj M. elpensis karakterizan nomon por li, kiu fine estis akceptita kiel oficiala posedo de la nederlanda lingvo, nome Batavus Droogstoppel. Rekte tradukita ĝi estas Sek-stoplulo kaj la nomo karakterizas la senfantazian, hipokritan, egoistan etburĝan makleriston, homo por kiu poezio estas malŝparo de tempo, homo, kiu nur vivas per ciferoj, prezoj, profitoj kurzoj kaj procentaĵoj de la borso, kiu kredigas al si, ke la kolonioj bonfartas, ke plendantoj malpravas kaj ke mizero estas nur propra kulpo. Batavus estas tute la malo de Multatuli. M. aperigas sin mem en la libro kiel ratmalriĉa vaganto, kiu kiel surtuton nur portas ŝalon, nomante sin Ŝalulo. Li posedas manuskripton, kiun li vane ofertas por presigo al s-ro Droogstoppel. M. ankaŭ priskribas liajn du monatojn de regado en Lebak, en la okcidento de Javo. Lia anticipinto estis ĵus mortinta en tre suspektinda maniero. El la partoj de la libro, kiuj priskribas scenojn en Indio, sin rivelas surprizaj kaj konsternaj statoj kaj faktoj, precipe por nekoloniaj legantoj. Montriĝis, ke la rektaj ekspluatantoj kaj misuzantoj de la javana popolo ne estis la nederlandaj oficistoj kaj regantoj, sed la enlandaj distriktestroj kaj vilaĝestroj, la princaj kaj baronaj terposedantoj. Ili regis per mezepokaj rilatoj kaj kutimoj, ili devigis la vilaĝanojn senpage aŭ senkompense labori sur siaj kampoj kaj neglekti proprajn kampojn. Eĉ infanoj kaj virinoj en graveda stato suferis sub tiu mezepoka jugo. Multaj fuĝis pro malsato kaj aniĝis ribelajn grupojn.

Tiu ekspluatado okazis malgraŭ la belaj formuloj de la nederlanda kolonia leĝo, ĉar preskaŭ neniu oficisto riskis konflikton aŭ emis riski sian vivon. Se estis plendantoj, la javanaj princoj venigis ilin kaj per minacoj, per bastonado aŭ per aliaj torturmetodoj devigis ilin repreni sian plendon. Ofte oni trovis kadavron en la rivero kaj neniu kuraĝis uzi la vorton „murdo". La vorto „sinmurdo" estis pli sekura.

La regosistemo en la kolonioj estis alta hierarkia piramido. Sur la supro tronis la ne atingebla Ĝenerala Guberniestro. Sub li estis la ŝtuparo de guberniestro, rezidento, asistant-rezidento kaj kontrolisto Tiu tuta piramido zorgis, ke per falsitaj raportoj, per kaŝado de faktoj, la supro povis raporti al la „patrin"-lando, tute male al la realo, ke ĉio estas bonorda kaj trankvila. Kun vario al konata libro: El la oriento nenio ĝena. M. traesploris diversajn raportojn pri la produktado de rizo kaj trovis, ke oni tiel ĵongladis kaj akrobatis per ciferoj por pruvi, ke en Javo estis pli da rizo ol vere estis.

Tamen troviĝis regionoj kun malsato. M. kun brula sento por justo komencis apliki la leĝon laŭ la literoj. Vespere aŭ nokte dum la mallumo M. ricevis la plendantojn, ĉar esti vidata en la domo de la asistant-rezidento estis tro danĝere. Tiel M. oferis multe da noktripozo por la martirata popolo. Li fine raportis detale

al la rezidento kaj postulis fundan esploradon. La rezidento plendis ĉe la Generala Guberniestro pri malagrabla kaj insulta agado de M. kaj tiu decidis transmeti M. en alian oficon aliloke. M. nun eksiĝis proprapete kaj provis paroli kun la guberniestro. Tiu rifuzis 3-foje ricevi lin kaj la 4-an fojon li ĵus pensiiĝis kaj foriris al Nederlando. Post la foriro de Multatuli la esploro pruvis, ke M. tute pravis. Por bone kompreni la tutan situacion, oni ankaŭ konfesu, ke la ekspluatata loĝantaro mem kunkulpis pri la mizero. Ili pro kutima subiĝemo ŝatis labori por tiuj altuloj, ili ŝatis senpage konstrui 2 aŭ 3 belajn domojn por la estro, ĉar sen tia pompo li ne eldevigas ian respekton. Apud tiu libervoleco certe ankaŭ regis la timo. Aliflanke oni ne imagu, ke la distriktestroj estis riĉaj. Por imponi ili bezonis certan kortegon kaj multaj estis elŝtelataj de parazitaj parencoj, kiuj daŭre devis esti kontentigitaj post almozpetoj. Kaj meze de tiuj du sociaj tavoloj, la mizera popolo kaj la pompaj estroj regis la oficisto, reprezentanto de la nederlanda aŭtoritato, kiu havis salajron, per kiu li apenaŭ povis vivteni sin kaj la familion.

Krom tiu ekspluatado okazis alia profitsistemo. En 1830 la nederlanda registaro enkondukis la tielnomatan kultursistemon por fini la ĥaoson en la ŝtatkaso kaj pro timo al investado de angla kapitalo.

Per tiu sistemo oni devigis la javanon cedi kvinonon da sia tero kompense je nepago de la rento. Sur tiu peco la javano devis liveri produktojn por la eŭropa merkato: rizo, kafo, tabako. Sed fine oni ankaŭ komencis postuli pagon de la rento. La rezulto estis malriĉaj javanoj kaj plenigita ŝtatkaso. En 35 jaroj enfluis 780 milionoj da guldenoj. Sed la kritiko en Nederlando iĝis tiom forta, ke oni pli kaj pli abolis la devigan kulturadon. Favore al la kultursistemo oni faris falsan kaj hipokritan propagandon. La trompa nomo estis: Libera Laboro por la Javano. M. verkis sarkasme kritikan broŝuron kontraŭ ĝi. Post 1875 la situacio tute aliiĝis. Oni enkondukis kapitalon kaj kreis kapitalistajn rilatojn kun „liberaj" proletarioj, kiuj funde skuis la malnovajn mezepokajn rilatojn. Profitojn el la kultursistemo sentis nur la impostpagantoj, la mizera popolo, kiu ne pagis, ja restis tute indiferenta pri la posedo de kolonioj.

Per la postulo de M. arestigi la rezidenton super li, li forte ĝenis la hierarkian piramidon. Post lia eksiĝo praktike nenio ŝanĝiĝis. Oni punis kelkajn subulojn, sed la respondeca enlanda reganto eĉ akiris pli altan subtenon kaj kvitiĝon de ŝuldoj.

Oni eble miras pri la fakto, ke malgranda lando per kelkmil oficistoj povis „regi" tiel grandan regnon kun multaj malsamaj insuloj kaj popoloj. Tiam oni forgesas, ke la sistemo estis subtenata de riĉaj enlandanoj, baronoj, princoj, estroj kaj riĉaj ĉinoj. Tiuj sociaj grupoj tute ne ŝatis kaj aprobis la revolucion de Sukarno. Fine la regado ankaŭ eblis per la pasiva devosento de la nederlandaj regantoj.

Multaj admirantoj de M. kredis kaj ankoraŭ kredas, ke li propagandis la liberigon de la kolonioj. Malgraŭ sia pasia indigno li ne perdis iun realistan vidon. Li skribis al parlamentano: „Mi agnoskas, ke la javano tuj libera iĝus sovaĝa, perdus sian civilizon, des pli, ĉar la kultursistemo ŝnuras lin. Tiun sistemon oni konservu ankoraŭ longan tempon, ĉar ĝi estas samtempe sistemo de regado. Guberniestro kun mil bone organizitaj oficistoj regas milionojn, sed unu miliono da privataj profitistoj sen organizado ne povus bridi 12 milionojn da javanoj. Tiam la dua generacio pagus la sangan ŝuldon, kiu pezis sur la fortunoj de la unua generacio".

★

La agado kaj regado de Multatuli en Lebak estigis kelkajn trafajn paĝojn de la libro. Ili malkaŝas la grundan talenton de M. paroli al orientanoj en ilia lingvo per bildoj kaj metaforoj, kiuj rekte trafis ilin. Kun la foriro de M. el la kolonioj perdiĝis ekstreme lerta politika parolisto kaj gvidanto. Por nederlandanoj tiuj paĝoj ankaŭ estis mirinda surprizo. Se la teoriistoj pravas, ke la lingvo estas fermita, tradicia sistemo, ke ĝi estas iu kodo, per kiu la uzanto verdire estas kaptito.

tiam la parolado de M. al la distriktestroj de Lebak pruvas, ke la nederlanda lingvo, kiel unu el la aglutinaj germanaj lingvoj, donas al la uzanto grandan elastan liberon kaj pli da esprimebloj kiel la sudeŭropaj etiketlingvoj aŭ kiel la senridaj, malsindonaj skandinavaj lingvoj. Ni tradukas el la menciita parolado la plej trafajn partojn.

„Vi, kiuj estas estroj en Lebak, mi salutas vin. Mi donigis al mi dokumentojn, kiuj traktas viajn distriktojn kaj mi konstatis, ke estas multe da bono en ili. Via popolo posedas rizkampojn en la valo kaj en la montoj. Vi deziras vivi en paco kaj vi ne deziras loĝi en regionoj, kie aliaj loĝas. Jes, mi scias, ke estas multe da bono ĉi tie.

Sed mi vidis, ke via loĝantaro estas malriĉa kaj pro tio mi ĝojas interne en mia animo. Ĉar mi scias, ke Alaho amas la malriĉulon kaj ke li donas riĉon al tiu, kiun li volas elprovi. Sed al la malriĉuloj li sendas tiun, kiu parolas lian vorton, por ke ili levu sin en sia mizero. Ĉu Li ne donas pluvon, kie la trunketoj velkas kaj roserojn en la florkaliko, kiu soifas?

Jes, mi ĝojas esti vokita ĉi tien. Li sendis min al loko, kie ne ĉiu laboro estas finita kaj Li juĝis min inda esti tie antaŭ la tempo de rikolto. Ĉar la ĝojo ne estas en la tranĉado de la rizo, sed la ĝojo estas en la tranĉado de la rizo, kiun oni plantis mem. Kaj la animo de la homo ne kreskas pro la pago, sed pro la laboro, kiu gajnis la pagon.

Estroj de Lebak, ĉu ne estas multe da laboro farenda en via regiono? Diru al mi, ĉu la kamparano ne estas malriĉa? Ĉu via rizo ne ofte maturiĝas por tiuj, kiuj ne plantis? Ĉu ne estas multa malbono en via lando? Ĉu la nombro de viaj infanoj ne estas malgranda?

Ĉu ne estas honto en viaj animoj, kiam vizitanto de viaj regionoj demandas: Kie estas la vilaĝoj kaj kie la laborantoj? Kaj kial mi ne aŭdas la muzikinstrumentojn, kiuj esprimas ĝojon per kupraj buŝoj, nek la batadon de la rizo de viaj filinoj?

Ĉu ne amaras al vi vojaĝi de ĉi tie al la suda bordo kaj vidi la montojn, kiuj ne portas akvon sur siaj flankoj aŭ la ebenojn, kie neniam bubalo tiris la plu-



gilon? Jes, jes mi diras al vi, ke via kaj mia animoj malĝojas pri tio! Kaj ĝuste pro tio ni estas dankaj al Alaho, ke Li donis potencon al ni por labori ĉi tie. Kie Alaho sendas akvofluojn, kiuj forprenas la kampojn... kaj kie li ŝrumpigas la teron ĝis senfrukta ŝtono... kie li ardigas la sunon por brogi la teron... kie li sendas militon, kiu renversas la kampojn, kie li batas per malsanoj, kiuj velkigas la manojn aŭ per sezono de sekeco, kiu mortigas la spikojn... tie, estroj, ni humile klinas la kapon kaj diras: Estas Lia volo. Sed ne estas tiel en Lebak. Mi estas sendita ĉi tien por esti via amiko, via pli aĝa frato.

Ĉu vi ne avertus vian pli junan fraton, se vi vidus tigron sur lia vojo? Estroj de Lebak, ni ofte misfaris kaj nia lando estas malriĉa, ĉar ni faris tiom da misagoj. Ĉar en multaj regionoj estas multaj, kiuj naskiĝis en nia lando kaj kiuj forlasis nian landon. Kial ili serĉas laboron fore de la loko, kie ili enterigis siajn gepatrojn? Kial ili fuĝis de la vilaĝo, kie ili ricevis la cirkumcidon? Kial ili preferas la freŝon de la arbo tie super la ombro de niaj arboj?

Kaj estas multaj trans la maro, kiuj estu niaj infanoj, sed kiuj forlasis Lebak por rondvojaĝi en fremdaj regionoj kun ponardo kaj sabro kaj pafiloj. Kaj ili mortas mizere, ĉar estas potenco de la registaro tie, kiu venkbatas la ribelanojn.

Mi demandas vin, estroj de Lebak, kial multaj forlasis nin por ne esti enterigata kie ili naskiĝis? Kial demandas la arbo, kie la viro estas, kiun li vidis ludi kiel infano ĉe ĝia piedo?

Estroj de Lebak. Ni ĉiuj estas en la servo de la reĝo de Nederlando. Li volas, ke ni faru nian devon. La Granda Sinjoro, le Guberniestro, estas justa kaj volas, ke ĉiu faru sian devon. La Granda Sinjoro loĝas fore de la lokoj, kie okazas maljusto. Ni ĉiuj volas fari nian devon. Se estus inter ni, kiuj neglektas sian devon por profitoj, kiuj vendas la rajton por mono aŭ kiuj forprenas la bubalon de malriĉuloj kaj la fruktojn de tiuj, kiuj malsatas, kiu punos tiujn? Se unu el vi scius tion, li ĝin malebligus. Kaj la distriktestro ne indulgus, ke io tia okazu en lia distrikto. Ankaŭ mi kontraŭos, kie mi povas. Sed, se ne mi, nek vi scius, kiu farus juston en Lebak?

Nu, estroj de Lebak, ni ĝoju, ke nia distrikto estas subevoluinta kaj tiom malriĉa. Ni staras antaŭ bela tasko. Se Alaho restarigas nin vivantaj, ni zorgos, ke venos prospero. La tero estas fekunda kaj la loĝantaro bonvola. Se ĉiu ricevos la fruktojn de sia streĉo, tiam sendube en mallonga tempo la loĝantaro kreskos, en homnombroj kaj en posedoj kaj en civilizo, ĉar tiuj efikas unu apud la alia. Mi repetas vin konsideri min kiel amikon, kiu helpos vin, kie li povas, precipe kie ni devas kontraŭi maljuston. Kaj nun mi rekomendas min forte al via kunlaborado. Estroj de Lebak, mi eldiris. Vi povas returni vin, ĉiu al sia loĝejo. Mi multe salutas vin ĉiujn."



*La lasta loĝejo de Multatuli en Igelheim en Germanio.*

*Eble nenio estas tute vera kaj eĉ tio ne.*
*(Multatuli).*

Per tiu konciza linio M. importis la relativismon en lando kun socia stagno kaj pro tio kun rigidaj tradicioj de scienco, moralo kaj etiko. La tiama spiritostato tute ne estis matura ankoraŭ por akcepti la renverson de absolute aprobitaj veroj kaj valoroj. La nova kaj moderna ekonomia ŝanĝo okazis post 1870 kaj tiam Nederlando febre regajnis en 10 jaroj perdi-

tajn jarcentojn. La novaj industrioj detruis la trankvilajn kaj bonhumorajn rilatojn en la kamparo, la homoj komencis dubi pri etikaj kaj religiaj certoj kaj sociaj normoj. En la urboj komencis formiĝi mizera „libera” proletaro, la burĝoj reaktiviĝis per nova investado, la granda klaso de butikistoj estiĝis el iu socia nenio, poste armita per la kalvinista ideologio, la spirita armilo ĝenerale de la etsocianoj. La etfakuloj kaj etmastroj estis ankaŭ kuntrenataj en la nova tajdo.

Verŝajne tiu ŝtorma renoviĝo instigis Multatulin komenci siajn volumojn de Ideoj. Tiuj sep volumoj ne tondre profetis novan mondon, sed ili vekas kritikemon pri la stagna, la jama, la tradicia, kaj vastigis tiam la spiritan horizonton de multaj. En la manuskripto de Ŝalulo M. enmetis 150 temojn kaj problemojn, kiuj tiklis liajn intereson kaj intelekton. Ni menciu kelkajn nur por montri, kiom M. anticipis sian mortan tempon: Pri la Sanskrito kiel patrino de la germanaj lingvo-branĉoj, Pri la origino de nobeloj, Pri proteino en la atmosfero, Pri malliberejo kun ĉelsistemo, Pri la ribelo de la Holandanoj ne por religio aŭ ŝtata liberoj, Pri la pezo de la lumo, Pri importimpostoj kiel malutilaj, nedecaj, maljustaj kaj fimoralaj, Pri poezio kiel la unua lingvo, Pri la invento de ĉasteco, Pri la kontraŭnaturo de lernejoj, Pri la potenco de la angloj ekster Eŭropo, Pri la germana unueco, Pri la elektro kiel movilo sen fero, Pri la senlaboreco de la Superulo apud perfektaj naturleĝoj, Pri la longo surmare...

El la cititaj temoj jam montriĝas, kiom M. ŝatas relativigi la tiaman tradician religion, histori-sciencon, la lingvosciencon, la etikon, la komercon, teknikon ktp. Kun iom da libero ni rajtas nomi Multatulin la Lanti en la nederlanda literaturo. Sed ne ĉiu ŝanĝo aŭ progreso estis por M. akceptinda. Li klare vidis tra la historio la dividon de la laboro kaj verŝajne antaŭvidis la ekstreman specialiĝon en la nova industrio. Sed specialisto estis por la aristokrata, multscia M. io abomeninda. Li komparis specialiston kun bovino, kiu faras nur unu aferon en sia vivo, nome doni lakton.

Daŭre oni renkontas tra liaj ideoj la sloganon: *La voko de la homo estas esti homo* kaj jam 15-jara li kontraŭis la rasismon. En Amsterdamo en 1835 li parolis kun judo surstrate. M. opiniis tiun judon pli civilizita ol la filojn de sia mastro, la komercisto. Li ricevis akran riproĉon de la komercisto: paroli kun judo ne estas dece kaj malbone por la komerco. Alia slogano sekvis el lia aristokrata sento: La destino de la reĝo estas esti reĝo. Ankaŭ tiel M. faras paŝon returne.

En la libro **Maks Havelaar** oni certe povas konstati, ke M. strebis al klimakso. La 17-a ĉapitro priskribas la kortuŝan sorton de du javanaj gejunuloj. Saidjo kaj Adinda, kies vivoj pro la sistemo de ekspluatado kaj rabado estis detruitaj. Saidjo, kiu diligente laboris en la urboj por per la ŝparita mono fine edziĝi kun Adinda, revenas je aranĝita dato antaŭ la ketapan-arbo, sed poste trovas la domon de Adinda tute detruita. La familio estis fuĝinta al Sumatro por aniĝi grupon de ribelanoj. Saidjo iras tien kaj atingas la vilaĝon, kie ĵus nederlandaj soldatoj batalis kontraŭ la ribelanoj kaj do brulis. Tiu malgranda vorto do kaŭzis disputojn en Nederlando inter deklamistoj, ĉar malmultaj kuraĝis deklami la tekston, kiel M. skribis ĝin. Oni restu honoranto de la kolonia armeo, kiu nur faris sian soldato-devon.

Ni tradukas du partojn el tiu rakonto, pri kiu M. daŭre ripetas, ke ĝi estas monotona rakonto, ĉar daŭre li devis mencii la rabon de bubalo de la mizera kamparano, kiu daŭre ŝuldis impostojn. Por la knabo Saidjo daŭre doloro, ĉar la besto kaj la knabo iĝis intimaj amikoj. Sed la patro vendas heredaĵon kaj nova bubalo venas. „La nova bubalo konatiĝis Saidjon kaj tre baldaŭ okupis en la amo de la infano la lokon de sia antaŭulo, verdire, tro, tro baldaŭ, ĉar, bedaŭrinde, la vaksimpresoj de nia koro tiom facile glatiĝas por cedi lokon al posta skribo”. Plenaĝulo montras al Saidjo okulfrapan harkreskon sur la dorso de la bubalo kaj klarigas, ke en tio bonŝanco estas kaŝita. Iutage sur la kampo S. aŭdas kriojn: Fuĝu, fuĝu, estas tigro. En la vilaĝo la infanoj konstatas, ke Saidjo ne kuniris.

„Ĉar, kiam Saidjo liberigis la bubalon de la jugo, neatendita salto de la besto skuis lin el lia ekvilibro kaj sur la teron. La tigro estis tre proksime... La bubalo, pelate de propra rapido pretersagis kelkajn paŝojn la lokon, kie lian etan mastron atendis la morto. Sed tio okazis pro propra rapido kaj ne pro propra volo. Ĉar apenaŭ venkinte la movan forton, kiu regas ĉian materion, ankaŭ post la ĉeso de la kaŭzo, la besto returniĝis, metis sian plumban korpon sur siaj plumbaj kruroj kiel tegmenton super la infano kaj turnis sian kornhavan kapon al la tigro. Ĉi tiu saltis... sed por la lasta fojo. La bubalo kaptis lin sur siaj kornoj kaj perdis iom da karno, kion la tigro ungis el li de la kolo. La atakinto kuŝis tie kun gapŝirita ventro kaj Saidjo estis savita. Certe la harkresko de tiu bubalo profetis bonŝancon. Kiam tiu bubalo estis forprenita de la distriktestro... Leganto, mi avertis vin, ke mia rakonto estas monotona."

El tiu rakonto la leganto povas sperti tropikan sunleviĝon, per la lingvo de M. Tre frue Saidjo staras apud la ketapan-arbo ekster la vilaĝo por tie laŭarangê renkonti Adindan. Tre orelstreĉe li aŭskultas por aŭdi la arean piedpaŝon de Adinda sur la vojeto. Sed li nur vidas la aŭroron.

„Jen venis strio da blueca ruĝo, kiu kroĉis sin al la nuboj, kaj la randoj lumiĝis kaj ardiĝis, kaj ekfulmis kaj denove pafiĝis sagoj da fajro tra la ĉielo, sed ĉi tiun fojon ili ne falis, sed ili gluiĝis sur la ombra tero kaj disdonis sian ardon en grandaj kaj pli grandaj ringoj kaj renkontis unu la alian, interkruciĝante, svingiĝante, vagante, kaj ili unuiĝis en fajrofaskoj kaj relumis en ora brilo sur perlamota grundo, kaj estis ruĝo kaj bluo kaj flavo kaj arĝento kaj purpuro kaj lazuro en ĉi ĉio... Ho, Dio, tio estas la tagiĝo: tio estas la revido kun Adinda!"

Sed Saidjo neniam revidis Adindan vivanta. Poste en Sumatro li trovis ŝin kaj ŝian familion, mortigitan de nederlandaj bajonetoj.

Sur la finaj paĝoj M. elverŝas ekzaltan pledon por justo por la javanoj, finante per letero al la reĝo Vilhelmo 3-a.

„La libro estas kaosa..., ne estas iu gvida fadeno... la stilo estas mankhava ...la verkinto ne posedas lerton... ne havas talenton... li celas efekton... ne havas metodon. Bona, bona, ĉio bona! sed... **La Javano estas misuzata!**

Refuto de mia libro ne eblas. Kaj se oni daŭre ne kredus min, tiam mi tradukus mian libron en la malmultajn lingvojn, kiujn mi konas kaj en la multajn lingvojn, kiujn mi povas lerni, por peti de Eŭropo, kion mi vane estus serĉinta en Nederlando. Kaj en ĉiuj ĉefubroj oni kantus kantojn kun tiaj refrenoj: Inter Belgio kaj Germanio kuŝas rabŝtato ĉe la maro. Kaj se tio ankaŭ ne helpus? Tiam mi tradukus mian libron en la malajan, la javanan, la sundan kaj en la aliajn lingvojn de Indio. Kaj mi ĵetus sabroakrigajn batalkantojn en la animojn de miaj kompatindaj martiroj, al kiuj mi promesis helpon. Kaj tio ege malbone efikus al la **kaf-aŭkcioj de la Nederlanda Komerc-Asocio!** Ĉi tiu libro estas enkonduko. Mi kreskos en forto kaj en akreco de armiloj laŭ la neceso! Dio zorgu, ke tio ne necesos. Ne, ne estos necese! Ĉar al vi mi dediĉas mian libron, Vilhelmo 3-a, Reĝo, Grandduko, Princo... pli ol Princo, Grandduko kaj Reĝo... Imperiestro de la belega Regno de Insulindo, kiu tie svingiĝas ĉirkaŭ la ekvatoro kiel zono de smeraldo...

Ĉu estas via imperiestro volo, ke tie pli ol 30 milionoj da ŝtatanoj estas misuzataj kaj elsuĉataj en via nomo?"

Tiu libro, **Maks Havelaar,** verkita per lingvo de „muziko kaj tondro", kiel M. jam juna promesis, kompilita per sarkasmaj scenoj en Amsterdamo, en kiuj okazas nudiga karakterizo de la etburĝoj, per objektiva rakonto de okazoj en Javo, per kortrafa rakonto pri la sorto de javana junlparo, per pasia pledo por justo al la reĝo, libro, kompilita tute laŭ la karaktero de M., kiu daŭre svingiĝis de unu ekstremo al la alia, libro, kiu troviĝis sur la listo de deviga literaturo en la instruistekzameno, ĉi tiu libro laŭ formo

kaj stilo neniam trovis ion similan en la posta nederlanda literaturo. La leganto eble rimarkis, ke M. kreis novan vorton por la kolonioj: Insulindo, insulo-regno, vorto, kiu trovis baldaŭ hejmon inter la nederlandanoj. M. opiniis la vorton „Nederlanda" en Nederlanda Indio jam ege suspektinde malprava. Malgraŭ la fakto, ke la reĝo neniam respondis, M. konservis sian kredon al la liberala reganto. Se intelektulaj rondoj laŭdis la libron, tio okazis pli por la stilo ol por la enhavo. La atendo de M., ke okazos publikaj indignaj krioj kaj ke la libro skuos la popolon al movado por justo por la javanoj, ne realiĝis, kvankam M. ne estis la unua, kiu atentigis pri ilia sorto. La mizeraj tuberkulozaj amasoj havis aliajn zorgojn ol cerbumi pri javano sen bubalo kaj la profituloj de la kolonia sistemo ĉirkaŭis sin per dika haŭto de indiferento kaj per mantelo de hipokrita nekredo. Kiam oni konstatis, ke M. tute ne celis la liberiĝon de la kolonioj, regantaj komercrondoj lasis lin sen cerbumado paroli en la templo de la nederlanda koloniismo, la borso en Amsterdamo Revolucia, konscia laboristmovado, kiu povus subteni M., ankoraŭ ne ekzistis kaj M. ne fidis la tiamajn laborist-asociojn.

Post la Maks Havelaar M. produktis sep volumojn de ideoj, en kiuj li ankaŭ teksis memorojn de sia junaĝo. La ideoj elstaras pro klara, konciza akra formo. M. montris en ili, ke li anticipis sian tempon. Li jam akre propagandas la emancipiĝon de la virino kaj montris la fikcion de aŭtoritato.

Li jam proponis novan ortografion, skribi kiel oni parolas kaj ne paroli kiel la profesoroj skribas; li jam skizis iun filozofion de la lingvo, temo, kiu momente regas la pensulojn. Sed precipe la religioj kaj la trompa nacia historio movis lian akran plumon. Pri la aresto de Jesuo: „La jud-romana polico ne bezonis iun, kiu perfidos lin. Jesuo estis ĉiutage trovebla. Sed per perfido oni malaltigis lin en la okuloj de la popolo. Vidu, estis tiom malmulte da deco en li, ke unu disĉiplo perfidis lin. La perfido estis dezirata makulo sur la firmo: Jesuo kaj K°."

Por naivaj kredantoj M. povis kritiki tre dolorige. Kiam en anonco gepatroj dankas dion, ke almenaŭ unu el la du dronantoj knaboj estis savita de la kompatkora dio, M. sarkasme aldonas: „Ĉu oni ne devas danki la kompatkoran dion pro la drono de la alia?"

M. simpatiis pli kun la katolikismo ol kun la protestantismo. „La katolikismo estas eraro, sed la protestantismo estas pesto. Mi prefere vidus mian filon ĥorknabo aŭ messervisto ol protestanto. Esti protestanto estas profitdona, kambisolida kaj deca, cifersaĝa. Protestanto ne oferas, li mokas ĉion. Li silentas publike, kalumnias sekrete kaj sufokas la liberpensulon". Verŝajne M., protestante edukita, renkontis hipokritajn pastorojn kaj tiutempe la katolikismo batalis por reagnosko per idealismo. Vere estas, ke la komenca protestantismo estis la ideologio de praktikaj laborantoj kaj komercistoj kun pli da realismo ol la katolika ideologio.

Pro seniluziiĝoj pri la nederlanda popolo M. prijuĝas la 80-jaran militon malprave, krude, unuflanke kaj maljuste, verdire kun blinda indigno. Li forgesis, ke la tiamaj burĝoj ne estis la senidealismaj satuloj de lia tempo. Li tute ne estimas la kuraĝan agon ĵuri malobeon al la hispana tirana reĝo, donita de dio, fare de simplaj burĝoj. Ankaŭ la heroa defendo de la urboj de la ordinara popolo, riskanta morton pro malsato, ŝajnis tute esti eskapinta al la atento de M., same la agoj de tre kapablaj, ruzaj maristoj. Verdire malantaŭ tiu idealisma mantelo efikis materiaj motivoj kaj regis profitavida kapitalismo, kiu fine detruis la financan staton de Hispanio. Se estus estinta vera naciismo tiutempe, Amsterdamo, kiu la unuajn 10 jarojn flankis kun Hispanio, estus konsiderata kiel perfidulo. M. skribis: „La plej plezuraj ribeloj estis tiuj de la makabeoj kaj de la svisoj. Sed por tio oni bezonas virajn karakterojn, arbarojn kaj montojn. Ĉio bela de romanideoj mankas en lando tiom plata kun plataj karakteroj kaj ideoj. La duko de Alvo estus povinta skurĝi kaj bruligi longtempe antaŭ ol la holandanoj amase estus ribelintaj. La impostoj estis la plendo kaj ne estus eĉ okazinta ribelo,

se Vilhelmo la Silentema, kortuŝite de la morto de Karlo la 5-a, ne estus bezoninta fari fortunon kaj atingi reĝan pozicion, kiun li perdis pro reĝiĝo de Filipo 2-a. Holando neniam ribelis kontraŭ Hispanio. Germanaj soldatoj pagitaj per germana mono, donita de germanaj protestantoj, elektis Holandon kiel batalejon kaj la lando estis en tiun kaoson kuntrenata". Ĉi tie li maljuste rigardas Vilhelmon I-an. Li estis granda figuro, kiu oferis multe kaj komencis kune kun la burĝoj heroan batalon sen iu ajn espero pri venko. Lia devizo estis: Ni ne bezonas la kredon al la venko por batali. En la tempo de M. certe estis sanige kaj samtempe kolerige legi la alian flankon de la historia medalo, ke ekzistis ankaŭ neidealismaj motivoj. Ne konsciante M. ĉi tie estas ano de la histori-materialismo.

★

Ankaŭ la teatro-publiko ne povis konkeri la simpation de M. Li atendis amasojn, kiuj venos al liaj teatraĵoj. „Ĉu la publiko venos al mia komedio? Mi dubas. La nederlanda publiko glutas ĉion en tradukoj kaj juĝas etmorale kaj etvide rilate ion originalan. Kio venas de malproksime ĝi rigardas per teleskopo kaj por aferoj apud la pordo ĝi uzas lupeon". En tiu kritiko M. forgesas, ke la nombro de nederlandaj teatro-verkistoj estas tre limigita. Oni plenigas la programon per Sartre, Shakespeare, Ibsen, Tennessee-Williams, Shaw kaj aliaj. Nur dum la vekiĝanta socialismo ĉirkaŭ 1900 genia, juda verkisto kreis veran teatro-arton. Kvankam M. nomas ie Shakespeare „kolosulo" ni povas trovi malmulte da estimaj vortoj pri li. Legante Sh. M. skribas: „Mi gustas kaj flaras el ĉio la fakulon, la faklaboron". Vere estas, ke Sh., por plaĉi al la publiko kaj al siaj mastroj devis kapti ĉiun ŝancon por ridigi la publikon, devis konstrui vortludon kaj ofte tro intence, tro orelfrape, tro sofisme. Verŝajne M. neniam legis Timono de Ateno, en kiu Sh. skizas la potencan rolon de la mono, temo, en kiu M. certe estis interesata. Ni jam menciis, ke M. ofte estas mortige sprita. Mem estante originala homo, li malamis la faradon de kliŝo-laboro, de



*Multatuli 55-jara.*

kliŝo-filozofo, de stereotipaj opinioj, de ŝablon-arto. Sian naŭziĝon li esprimis jene:

Plato iam estis ege malvarmuma kaj montris tion. Tersites tusimitis lin kaj demandis: Ĉu mi ne similas Platon nun? Tio ne estis la plej grava, ĉar demandado estas libera. La plej malbona estis, ke miloj kaj miloj respondis: Precize. Vivu Tersites, la nova filozofo. Kaj li varbis multajn anojn.

M. verkis 9 historiojn de aŭtoritato, en kiuj li nudigas aŭtoritaton kiel fikcion, kiel falsan, malnaturan ordonon, faritan de tiuj, kiuj bezonis ion tian por regi kaj subpremi. Nur unu ekzemplo:

### Dua historio de aŭtoritato

Volter diris: Se dio ne ekzistus, oni devus inventi lin. Certe! Ĉia potenco venas el Dio. Kiu volas potencon, volas Dion. Kiu bezonas potencon, aŭtoritaton, faras al si dion. Moseo faris tion, Konfucio, Zoroastro, Numo, Kolumbo, Kortez. Tion faris ĉiuj popolgvidantoj, astrologoj, sorĉistoj, pastroj. Ĉi tion ankoraŭ hodiaŭ faras ĉiu, kiu volas regi. La nombro da

dioj estas same granda kiel la nombro da deziroj. Al ĉiu nova deziro, nova dio.

La pilolfabrikisto faras diojn el nekonataj kuracistoj, kiuj ordonas vin aĉeti liajn pilolojn. Tiel parolas la Sinjoro, diras Moseo kaj: Tiel parolas kuracisto. Tiu kaj Tiu, diras la pilolfabrikisto. Obeu kaj aĉetu. Kaj ambaŭ aldonas: por ke via animo ne putru.

Tiu rakonto faras al ni elmodan impreson, sed tiutempe ĝi estis necesa por naivaj kredantoj kaj por religie edukitaj junuloj por liberigi ilin de la potenca diimago kaj de la patra aŭtoritato. M. tute ne tuŝas la mistikan kernon de la religio, ĉar tiutempe tio estus efikinta malmulte.

Atingante la finon de nia skizo pri tiu rimarkinda kaj originala pensulo kaj literaturisto, ni konstatis, ke M. kun sia devizo: La destino de la homo estas esti homo, mem posedis homajn mankojn kaj, ke li ne aperas el nia skizo kiel la senmakula kavaliro en arĝenta kiraso, la revobildo de nia junaĝo. Kiel Hamleto li ankaŭ havis ŝanceliĝemon kaj hezitemon. Li ankaŭ posedis kiel Hamleto la vantan, ĉielŝturman idealon rektigi la mondon, remeti ĝin en ĝia artiko. M. en letero samidentigas sin kun H.: „Oni opiniis Hamleton malsaĝa, freneza, oni ankaŭ opiniis min malsaĝa. Hamleto estis ekkolerema, poeta, filozofa kaj kruda, mi ankaŭ".

Kvankam M. precipe parolis nur per sia vulkana koro kaj kvankam li ofte tro impete, kvazaŭ blinde rondjetis siajn akrajn sagojn de kolera kritiko, li havu nian amon. Liaj kritiko kaj liberigaj pensoj kaj ideoj estis nepre necesaj kontraŭ la ŝimaj muroj de tradicia kaj spirita stagno. Ni, SAT-anoj, salutu lin kiel literaturan kamaradon Lanti, ĉar li provis trabori la maskon de falsaj, trompaj naciistaj konceptoj. Lia spirito ankaŭ transiris la oceanon, ĉar ankoraŭ la nomoj Douwes-Dekker kaj Multatuli estas memorataj kun honoro kaj respekto en la nuna Indonezio.

M. certe ne estis la unua, kiu provis trarompi la kaŝan, koruptan, realfalsan kolonian hierarkion, li ne estas la unua, kiu diskonigis la malfeliĉan sorton de la malriĉa javano, sed li faris la samon per tia lingvo-genieco, ke la rampa raspa, kraka, skrapa nederlanda lingvo metamorfoziĝis al riĉa, trafa, romantika, imagveka potencilo. Ni esperas, ke niaj legantojtoj spertos tion per la tradukitaj partoj. La libro **Maks Havelaar** estas ĝis nun unika en la nederlanda literaturo, unika pro originaleco kaj pro lingvo. Se lia kritiko al parlamentismo kaj al aliaj demokrataj formoj momente ne ŝajnas plu aktualaj, ĉar la socio post M. akceptis ilin, multo el lia kritiko pri la „babilkolegioj" pravas ankoraŭ, ĉar la parlamentoj en la burĝaj, kapitalistaj landoj perdis multe da potenco. Kun M. ni povas saluti kritikanton de la ŝajndemokratio, en kiu sistemo ankoraŭ restas multe da nekontrolata potenco. Iu ŝtatestro iam diris, ke libero kaj demokratio estas belaj ideoj, sed ofte detruitaj kaj faritaj sen praktika valoro pro la ekonomia realo. Tion ne diris Lenin, sed prezidento Rusevelt, ĉefo de kapitalista ŝtato kaj lando. Kiel la mondo momente sopiras al dua Bethoven aŭ al dua Verdi, la nederlanda literaturo atendas iun duan Multatuli. Momente en la sata, kontenta konsumsocio tia atendo verŝajne estas vana. La historio montras, ke granda arto ofte kreiĝas el maljusto, el tiraneco, el materia mizero. Rilate tiun aserton eble estus utile konsideri la du landojn Italio kaj Svisio. Mi timas, ke ni provizore devas kontentigi nin per „La Kanto de la Tero" de Gustavo Maler, la kanto pri **La Mizero de la Tero.**

S.A.

*Teksto al la bildo sur paĝo 26: Loĝejo de Multatuli en Lebak.*

# Helplingvo de la Heĝoj

Furoris en Anglio ekde 1973, kiam ĝi ricevis du prestiĝajn literaturajn premiojn, romano por infanoj, kiu estas ne nur streĉe interesa, ankaŭ science kaj morale instrua, libro por lernejanoj, sed romano originala, unika, sed klasika, kiun plenkreskuloj povas legi kun plezuro, relegi kun novaj ĝuoj, kaj rememori kun seriozaj pensoj. Ĝi enhavas aventurojn, valorajn implicojn pri individua kaj socia psikologio, brile elvokivan novan mitologion, humuron, kompaton, tiun solidecon de kohera intrigo, konsekvencaj karakteroj kaj etika signifo, kiu kvazaŭ nutras la leganton kontentige kaj troviĝas eble apogee en la grandaj romanoj de la deknaŭa jarcento, ekz. rusaj, francaj, anglaj kaj usonaj; samtempe tiun ĝisdatecon, kiun oni atendas en nuntempa serioza romano; kaj tiun riĉan denson, tavolarecon, kiu permesas, ke diversaj legantoj spertu ĝin ĉe diversaj niveloj de intelekta aktiveco, kaj same diversaj aĝogrupoj.

Ĝi aperis en 1972.
Ĝi temas pri kunikloj.

Richard Adams, tiutempe ŝtatoficisto, estis jam mezaĝa, kaj tute ne konata, eĉ ne verkinta aliajn librojn, kiam li verkis **Watership Down** (nomo de reala monteto en suda Anglio — kredeble Akveca, Akvara, aŭ Ondforma, Monteto) kaj subite famiĝis pli merite ol multaj famaj homoj. **Watership Down** naskiĝis el liaj rakontoj al siaj du filinoj; el la pejzaĝo kaj faŭno de tiu parto de Berkshire, kie la londona ŝtatoficisto havis kamparan dometon; el scienca verko pri kunikloj de R. M. Lockley [1]); el profunde spertitaj kaj sentitaj konoj pri granda literaturo, precipe sed ne ekskluzive angla kaj helena; kaj el la ekvilibraj, kompataj, ironiaj pensoj de homo jam matura kaj kulture riĉa. Kiel ĉiuj plej bonaj fantazioj, ĝi ne estas nur eskapisma verko por la distra horo, sed rilatas al la reala, eĉ al la aktuala, mondo. Ĝi estas nek alegorio, en kiu kunikloj reprezentus homajn kvalitojn aŭ konceptojn, nek antropomorfisma historio pri kunikloj, kiuj kondutas kiel homoj, kvankam verŝajne estas neeble verki romanon pri bestoj sen iomete da antropomorfismo: la kunikloj agas kunikle kaj plejparte havas kuniklajn motivojn. Oni povus tabeligi multajn paralelaĵojn el la scienca verko de Lockley kaj la fikcio de Adams: ekzemple pri la diversaj temperamentoj kaj humoroj de kunikloj; pri iliaj hierarkioj kaj dinastiaj bataloj; pri ilia familia vivo; sed ankaŭ, kiel diras Lockley mem en sia verko: „Kunikloj estas tiel homaj. Aŭ ĉu inverse: homoj estas tiel kuniklaj?"

Per siaj kunikloj Richard Adams sukcesis reporti nin al la mondo de la epopeoj, sagaoj, mitoj, heroeca historio, kamarada fidelo, hejmokreado, lojaleco al la amikoj, la grupo, kaj la speco. Estas malfacile fari tion nuntempe: sklavoj de totalismo foje kreas ian palan, nekredeblan, ridindan imitaĵon de tiu etoso, anstataŭigante potencan simplecon per malhonesta dudimensieco; sed, en relative liberaj socioj, ni nuntempuloj, pro diversaj kaŭzoj (inkluzive, kvankam nepre ne nur, psik-analizon, sociajn sciencojn kaj kelkajn beletristajn skolojn) ofte kaptiĝas en etoso de kvazaŭ obseda malnaivo, ia laŭmoda scikonscia sagaco, kiu unuflanke rilatas al honesteco, veramo, sciencemo, sed tre ofte tordiĝas kaj troiĝas ĝis negativismo, cinikismo, ia febra pseŭdoklarigemo, kiu forklarigas ĉiujn bonintencojn, ĉiun etikon, respekton, miron, dankon, amon, kiel nerealajn. Individuo, aŭ la homaro mem, ja serĉas veron longe, malrapide, pene kaj tra multaj eraroj; sed nuntempe ni iom inklinas, serĉante veron kaj realon, fali en tiun semantikan kaj psikologian paralogismon: ke, ĉar ni homoj ofte evitas dolorigajn verojn, ĉiu

vero devas esti doloriga: ke **realismo** temas pri angoro, monavido, ekspluatado, alkoholismo, sifiliso, skizofrenio, sed ke iel tenero, malavaro, helpemo, oranĝosuko kaj sapo estas malpli „realaj". Kvankam kredeble ĉiuj el ni kompatindaj duoncivilizuloj en nia tragika „infana raso" estas pli-malpli neŭrozaj, niaj neŭrozoj ne konsistigas nian tuton.

Sed eble nuntempe, nur portempe, estas per romano „porinfana", kiu kvazaŭ rajtas ian ŝajnan naivon, ke oni povas plej efike portreti relative maturajn kaj sanajn flankojn de la vivo: klare kaj kuraĝe aprobi amikecon, lojalecon, kompaton, kuraĝon, toleremon, liberamon, individuan respondecon, saĝan esperon, fortigan humuron, racian hierarkion, persistan laboron; ankaŭ foje rilatigi tiajn valorojn al la grandaj simboloj daŭraj en tio, kion psikologo Carl Jung nomas la kolektiva subkonscio, kaj kion ni ĉiuj, ne nepre kredante al Jung, iom spertas.

Se mi nun estus dekjara, certe ĉi-jare mi tre ofte estus kuniklo, kaj, ravite per tiu romano, konsole kuniklumus tra multaj tedaj aferoj en la lernejo kaj la hejmo. Estante kvindekjara, mi legis plurfoje la romanon eble eĉ pli ĝue, sed iom alimaniere; mi ne povas plu ludi, ke mi estas kuniklo; sed mi komprenas, ĝis kioma grado kuniklo estas mi.

La epopeaj kunikloj de Richard Adams konversacias; ĉar ni scias, ke multaj bestoj, eĉ insektoj, komunikas unu kun la alia, sed ni ne povas imagi, sufiĉe detale, tian komunikadon senvortan. Vorta konversacio estas do necesa konvencio por tia romano. Alie, la fikciaj kunikloj vivas plejparte laŭ veraj instinktoj kaj sociaj kutimoj de kunikloj. Inter ili, kiel inter homoj, troviĝas tre diversaj personecoj; sed, kvankam la verkisto uzas sian konversacian konvencion por indiki tiun diversecon, iu ajn, kiu observis plurajn samspecajn bestojn (ekz. katojn, hundojn, bovinojn, ĉevalojn, kokinojn, melopsitakojn, hamstrojn, ratojn) ja scias, ke ekzistas ankaŭ inter ili variaj temperamentoj. La plej kontraŭscienca koncepto de Adams estas, kredeble, lia fikcia konvencio, ke la kunikloj havas primitivan kvazaŭ religion kaj mitologion. Tamen, ni ja scias, ke bestoj ludas, foje verŝajne eĉ ŝercas, havas etajn ritojn kaj ceremoniojn, eĉ iasenca etajn artojn — do, kelkajn emociajn bezonojn, kiuj ne rekte kaj klare rilatas kun la bazaj biologiaj necesoj; do, la fikcio de Adams pli ekstrapolas, ol plene mensogas. Li tiel takte, iasence tiel realisme, agigas, paroligas kaj motivigas siajn kuniklojn, ke leganto povas perdiĝi en la fikcia iluzio, aŭ, minimume, pensi, ke se kunikloj povus paroli, ĝuste tiel ili parolus. Li do kreis riĉan, strečan fantazion, kiu tamen radikas en realeco.

La centra intrigo estas unu el la tradiciaj potencaj fikciaj temoj: vojaĝo kaj serĉado.

Kuniklaro loĝas en verŝajne trankvila granda kuniklejo; sed unu el ili, Kvinulo, estas ŝamana tipo: eta, malforta, nervoza, sed spertas intuiciojn kaj viziojn, kiuj pravas. Kvinulo havas intuician scion pri danĝero, sed ne povas konvinki la Ĉefkuniklon. Tial Kvinulo, kun sia pli forta kaj vigla frato Avelo, la batalema kaj iom aŭtoritatema granda kuniklo Tufego (kiu havas grandan hartufon surkape), plus Rubuso, eta timema Ujeto, Leontodo, Apargio [2]), Ramno, Veroniko, Glano kaj Arĝento, forlasas la kuniklejon por fondi alian, kvankam Ilekso, unu el la **Owsla** (kunikleja elito, gardistaro) provas aresti ilin. Avelo kaj Tufego montras sin la plej taŭgaj gvidantoj, pro inteligento kaj kuraĝo, ĝis finfine la nova kuniklaro rekonas Avelon Ĉefkuniklo kaj Tufego iĝas kapitano de demokrate milda **Owsla.**

Antaŭ tiu fino la kunikloj vagas tra arbaro, trans riveron, trans vojon, ĝis ili trovas novan kuniklejon, grandan, prosperan, ŝajne tre sekuran; tie la kunikloj Primolo, Frago, Kalto, Arĝentherbo kaj aliaj facile bonvenigas ilin. Abundas la plej luksaj nutraĵoj: karotoj, verdaĵoj, grenaĵoj, kiujn homoj lasas iom distance de la kuniklejo. Tiu kunikla socio ŝajnas riĉa kaj havas proprajn ceremoniojn kaj artojn, sed oni ĉiam evitas respondi al kie-demandoj; oni ne plu respektas la tradiciajn legendojn; la artoj enhavas ian malsanecon; tiuj prosperaj kunikloj mienas iom melankolie; kaj eta Kvinulo intuicias ion teruran. Lia intuicio subite klariĝas, kiam Tufego kaptiĝas en drat-

kaptilo, preskaŭ mortige. Liaj amikoj savas lin; sed la prosperaj kunikloj montras ŝokan indiferenton. Kvinulo subite ekkomprenas la tutan situacion: homoj nutras kaj protektas tiun kuniklaron, nur por foje kapti individuojn kaj bredi konsumeblajn kuniklo-varojn tre malmultekoste; do tiuj ĉi, akceptante rifuĝintojn afable, malpliigas por si mem la ŝancojn vice kaptiĝi.

Avelo kaj lia grupo forkuras denove, kun Frago, kies kuniklino ĵus pereis en kaptilo. Ili trovas lokon sur Watership Down, kie ili komencas prepari hejmon. Tiam alvenas, preskaŭ freneza, tiu iama severa **Owsla**-kapitano, Ilekso, kun Hiacinto; post ripozo, li rakontas, kiel homoj per venengaso mortigis preskaŭ la tutan kuniklaron, poste buldoze detruis la kuniklejon. La leganto komprenas, ke estas por konstrui domojn; sed Ilekso rakontas laŭ kunikla vidpunkto. Ilekso nun plene amikiĝas kun Avelo kaj la aliaj rifuĝintoj kaj iĝas kuraĝa, kapabla kaj lojala kamarado.

Sed ĉiuj rifuĝintaj kunikloj estas viraj; do ne ekzistos estonteco por ili, se ili ne trovos inojn. Ili amikiĝas kun vundita mevo, Kehaar (onomatopea nomo, reprezentanta mar-bruon), kiu poste esploras la kamparon fluge, kaj trovas kuniklinojn, kiuj vivas kiel dombestoj en kunikla kabaneto, kaj aliajn en granda malproksima kuniklejo. Unue, Avelo kaj kelkaj kamaradoj trovas la kabanetajn kuniklojn, kaj, post streĉaj epizodoj kun katoj, aŭtomobilo kaj hundoj, liberigas kaj eskortas hejmen la du kuniklinojn, Trifolion kaj Fojnostakon, ankaŭ unu el la du virkunikloj, Bukson. La grupo kredas Avelon mortpafita, sed post vizio Kvinulo trovas kaj savas lin, nur malgrave vunditan.

Dume, Ilekso, kun tri aliaj, trovas la grandan kuniklejon, Efrafan, kie loĝas ja superfluaj kaj malfeliĉaj kuniklinoj; sed Efrafa estas socio totalisma — rigore organizita, ksenofobia, netolerema, kruela — regata de generalo Stakiso, [3]) kiu estas inteligenta kaj tre kuraĝa, sed potencavida, senkompata, kaj ne tuŝebla per racio, rezonado aŭ kompatema moralo. Ĉiuj efrafaj kunikloj vivas en markogrupoj — laŭ mordcikatro sur iu korpoparto — kaj rajtas manĝi kaj ĉion fari nur laŭ grupaj aranĝoj.

Kvankam Ilekso kaj liaj kamaradoj malfacile eskapis kaj revenis, Avelo decidas gvidi ekspedicion por forkonduki la ankoraŭ tre bezonatajn kuniklinojn. Tufego aniĝas al Efrafa por agi de interne; amikiĝas kun malkontenta kuniklino, Hyzenthlay (Ros-Brila-Felo); kaj eskapas, kun pluraj kuniklinoj, al siaj amikoj: estas multaj streĉoj eventoj, kun diversaj strategioj, trompoj, defioj, konfliktoj; grava ŝtormo, helpo de Kehaar, kaj klimaksa eskapo de ĉiuj sur boato. Eĉ la aventuroj de la kunikloj sur la boato, kvankam neprobabla, restas esence kuniklaj travivaĵoj; Adams artisme uzas la kuniklan nekomprenon kaj la nebulajn klarigojn de Kehaar, por kredebligi la epizodon.

Ĝuste kiam ŝajnas, ke la Avelo-grupo sukcesis, kaj povos komenci trankvilan vivon kun familioj, la Efrafanoj venĝe atakas, kaj la fina defendo de la libera kuniklejo estas la plej epopeeca parto de la romano. La liberaj kunikloj montras grandan kuraĝon kaj finfine venkas, tamen nur kun helpo de hundo, kiun Hazel, Rubuso kaj Leontodo vivoriske allogas de farmbieno per taktika kurado. Tiu lasta batalo estas eksterordinare kortuŝa, eĉ inspira: la kunikloj batalas nur kunikle, per mordoj, gratoj, piedbatoj; sed malantaŭ ili oni sentas tutan tradicion de, ekzemple, Trojo, Roncevalo, Maldon, tiel ke iliaj simplegaj diroj eĥigas kaj reeĥigas grandajn kulturajn memorojn elvokive en la psiko: ekezmple, kiam Hyzenthlay, peze graveda, meze de angoroj kaj timo, asertis: „Mi preferas esti tie ĉi nun, en tiu ĉi situacio, ol neniam esti forlasinta Efrafan." Aŭ:

„Tufego ekkomprenis, ke Stakiso ankoraŭ scias, ke en la kuniklotruo lia korpo preskaŭ same malhelpos, morta, kiel viva. 'Li volas, ke mi surpiede elvenu,' li pensis. 'Sed estos al Inlé, ne Efrafa, ke mi iros de tie ĉi' " (Al la lando de la mortintoj, ne al la totalisma kuniklejo.)

Avelo, sinoferinte por liberigi la hundon, kiu savos la liberajn kuniklojn, pres-

kaŭ mortas sub ungoj de kato, sed — kiel diino de la helenaj epopeoj! — knabino lastmomente savas lin. Artisme saĝa, Adams permesas al Stakiso almenaŭ kelkajn epopeajn virtojn: kruela, senkora kaj netolerema, li batalas kuraĝe, ĝisfine penas kuraĝigi siajn subulojn, kaj sola defias la hundon. La romano finiĝas kviete: kampara pejzaĝo, kontentaj kunikloj, normala vivociklo; milda disciplino de tolerema demokrata socio, finfine ankaŭ la efrafaj postvivantoj evoluigas pli moderan socion kaj amike rilatas kun la Avel-anoj; kaj brava Avelo mortas, matura kaj memorriĉa, kiel falas finfine frukto de la arbo.

Do, nur kunikloj; kunikloj minimume antropomorfizitaj, science observitaj; sed jen bestoromano eksterordinare universala, inspira kaj vivovera.

Memsufiĉaj unuopoj, sed bele enkapsuligitaj en la romano, estas la kuniklaj mitoj kaj legendoj. Adams kreas kuniklan religion laŭ la ĉefaj travivaĵoj kaj bezonoj de kunikloj; tiu ĉi fantazio montras ankaŭ ian komprenon pri diversaj flankoj de psikologio kaj precipe de la psikologio de primitiva religio. Ĝi apenaŭ povus ne pensigi nin pri la neracia flanko de homaj religioj, kaj ankaŭ pri tiuj profundaj psikologiaj bezonoj kaj realaĵoj, al kiuj religioj grandparte rilatas. Foje amuzaj, foje kortuŝaj, tre elvokivaj, la mitoj kaj aludoj de la adamsaj kunikloj ŝajnas al mi multe pli realismaj fantazioj pri religio, ol la trosimpligitaj kaj ofte trivialaj kontraŭreligiaj satiroj, kiuj kutime nur ridindigas superstiĉojn kaj pastrajn malhonestaĵojn, sen inteligenta kompato al homaj emociaj bezonoj aŭ respekto al la poezio, konsolo kaj vivbeligo de pluraj aspektoj de religio.

La kunikloj kompreneble ne havas diservojn, pastrojn, preĝejon; nur siajn ŝamanecajn kuniklojn, kiel Kvinulon, kies intuicioj valoras. Sed *ili* iom nebule kredas pri Frith, kiu estas samtempe la suno kaj io pli; Inlé, kiu estas la luno kaj io plia; la Nigra Kuniklo de Inlé, speco de mortofiguro — brile konceptita — kaj pri la kunikla heroo, El-ahrairah, „La princo kun mil malamikoj", speco de superkuniklo legenda, ruza kaj elturniĝema kiel Odiseo, sed samtempe partorpenanta ian sugesteton pri Kristo — li estas petolulo, sed li estas ankaŭ la ankoraŭ vivanta savanto kaj gvidanto de la kunikla popolo kaj havas stelolumon en la oreloj. Avelo, mortante, renkontas lin. Estas kunikla tradicio rakonti legendojn pri El-ahrairah, kaj ni trovas en la romano plurajn tiajn legendojn: pri la Beno, kiun Frith donis al El-ahrairah — fakte, al la postaĵo de El-ahrairah — kaj tio estas iaspeca Genezo-mito; pri la Laktukoj de la Reĝo, pri ruzaĵo de El-ahrairaj; pri la Proceso kontraŭ El-ahrairah, alia historio pri ruzaĵo, en kiu la superkuniklo igas sian perfidulon perfidi kaj ridindigi sin mem, legendo, kiun mi ne povas relegi sen nova ridado; kaj pri El-ahrairah kaj la Nigra Kuniklo de Inlé, ektserordinara kreitaĵo, tute kunikleca kaj naiva, kaj samtempe tia mito pri sinoferado por sia popolo kaj pri reaĉetado, tiel rekte parolanta al la kolektiva okcidenta subkonscio, ke mi ne povas relegi ĝin sen larmoj; la historio pri Rowsby Woof kaj la Feino Wogdog (proks. pri Brua Bojo kaj la Feino Fundhund) alia ruzaĵo de El-ahrairah, kiu per stulta hundo satiras flatemon, flatiĝemon, eble histerian rojalismon aŭ aliajn ekcesajn personajn kultojn, ekz. al politikistoj aŭ modaj kantistoj. Ankaŭ, ĉe la fino de la romano, Adams indikas, kiel ni konstante mitigas niajn proprajn naciajn historiojn kaj travivaĵojn. Post la epopeeca lasta batalo ni neniam sciiĝas, ĉu Stakiso mortis aŭ eskapis; sed kreiĝis kunikla mito pri soleca kuniklego, kiu ĉasas rabobestojn kiel musojn, paŝtiĝas en la ĉielo, eble iam revenos. (Oni komparu legendojn pri, ekzemple, Napoleono.) Kaj estas bela momento, kiam aĝa Avelo aŭdas patrinan kuniklon, kiu rakontas al kuniklidoj tre eraran poezian verson pri liaj propraj heroaj faroj, identigante lin kun El-ahrairah; Avelo sentas, ke tiun historion li iom rekonas, sed li ne memoras, kie li aŭdis ĝin...

Oni povus legi **Watership Down** kiel streĉan romanon por infanoj, kiel alegorian romanon poezian por maturuloj pri la homa vivo kaj destino, niaj artoj kaj sopiroj, kiel satiron pri politikaj, religiaj

kaj artaj fenomenoj, kvankam ĝi tute ne enhavas tiun econ de malnobligo aŭ mensoga trosimpligo, kiu trivialigas multajn eĉ bonajn satirojn; kiel fikcian interpreton de sciencaj observoj pri la vivo de kunikloj; kiel elstare originalan, koheran kaj konsekvencan fantazion. Ĝi pensigas la leganton, samtempe amuzas, kaj ofte kortuŝas.

Kvankam Richard Adams ne estas esperantisto, ĝi enhavas ecojn, kiujn esperantistoj trovos aparte simpatiaj, ankaŭ intelekte interesaj: kvazaŭ ideologian aŭ sociologian etoson kaj lingvan esperimenton.

Ni vidas kuniklajn sociojn: la unuan, baldaŭ detruotan per katastrofo el ekstere; Efrafan; kaj la grupojn, kiujn ni nomu la Avelo-grupo kaj la Trifolio-grupo. La unua socio donas impreson pri socio iom klasa — kun natura aristokrateco de la pli fortaj kunikloj, sed kie la junaj kunikloj povas esperi pri estontaj privilegioj; la gvidanto, iam kapabla, nun havas ne sufiĉe bonan juĝkapablon pro sia aĝo kaj stagnado; sed tiu socio estas io natureca; ne tute justa (kiel la vivo mem ne povas esti tute justa) sed ne speciale kruela aŭ maltolerema; ĝi estas tolerebla socio, kiu povus longe daŭri, se ĝi ne renkontus eksterajn fortojn, pri kiuj ĝi tute ne kulpas, sed kiujn ĝi povus venki nur per rimedoj, kiujn ĝi ne povas alpreni — rezigno pri multaj komfortoj kaj tuja forkuro; mankas en ĝi adaptiĝemo.

La Trifolian grupon oni povus eble interpreti kiel portreton de socio kunikla, analogia al tiu prospera sed morale dekadenca kapitalismo de la tielnomita „riĉa socio" laŭ ekzemple J. K. Galbraith. Eble ĝi iomete ŝuldas ankaŭ al Thorstein Veblen? Ĝi estas materie prospera; ĝi havas belajn artojn, dignon, vivriĉigajn kutimojn; estas eble, por multaj, vivi tie relative feliĉe; tamen ĝi enhavas ion esence malbonan, malsanan kaj kontraŭnaturan, pro du kialoj: la kunikloj ne perlaboras siajn vivrimedojn kaj do vivas tro mole kaj lukse; multe pli grave, ilia vivostilo devas enhavi ian absolutan, principan indiferenton al la sorto de la viktimoj. Kvankam ili ne estas agresemaj, bonvenigas aliajn, kaj alie faras nenion malbonan, ili venenas sian socion per tiu sinteno, „mi prosperas, ne gravas se vi suferas." Kiam alia kuniklo suferas, la anoj de tiu grupo eĉ ne volas sciiĝi pri tio.

Efrafa estas tuj rekonebla bildo pri totalisma socio, kvankam ĝi povus esti aŭ „dekstra aŭ maldekstra". La militarista estro postulante la krudan subigon de la inoj sugestas, ekzemple, faŝismon aŭ naziismon; la netoleremo, malrespekto al individua digno kaj konstanta interna interspionado sugestas ankaŭ stalinismon; simbolo de viktimigo en tiaj socioj estas la kuniklo Blackavar, torturita, preskaŭ stultigita, kiun oni devigas ripeti memkritikon. Sed kiam Blackavar iĝas libera, li rapide retrovas sian personecon kaj montras saĝon, kuraĝon kaj iniciatemon. Efrafa estas socio regata per timo, kaj la preteksto de la tiranoj estas, kiel ofte, ke eksteruloj minacas ilin. Stakiso estas vere forta gvidanto kun organiza talento, kaj la efrafa socio estas, iasence, sekura kaj eĉ prospera. Nur ne valoras vivo en ĝi pro la sufoka atmosfero de timo kaj malfido, manko de persona libereco aŭ liberaj elektoj pri vivdetaloj.

La Avelo-grupo estas la plej sana kaj bona kunikla socio en la libro. Estiĝas ja gvidantoj, eĉ ĉefkuniklo; sed ili estas tiuj kunikloj, kiuj montris sin plej taŭgaj por gvidi; pli fortaj, inteligentaj, entreprenemaj, adaptiĝeblaj; sed moderaj, toleremaj, kaj forte sentante sian respondecon pri ĉiuj grupanoj. La kunikloj helpas unu la alian; la fortaj toleras kaj ofte subtenas la malfortajn; ĉiu kuniklo servas la grupon laŭ sia kapablo; pri gravaj decidoj oni diskutas, kaj neniu timas almenaŭ priparoli sian vidpunkton; ekzistas koleroj kaj kvereloj, sed naturaj, neeviteblaj — neniu montras sin aŭ tirane aŭtoriatema, aŭ stulte kaj obsede ribelema. Estas signife, ke generalo Stakiso tre ofte nomas alian kuniklon „stultulo", sed Avelo klarigas siajn instrukciojn kaj ofte kuraĝigas siajn grupanojn. Adams estas tro takta artisto por substreki la paralelaĵojn inter homaj kaj kuniklaj socioj pli aŭ malpli bonaj. Sed li permesas al si unu frostotremigan ironion, kiun tre juna leganto eble ne rimarkus: kiam Frago, en

Efrafa, parolas pri la natura besta deco kaj kamaradeco: „Bestoj ne kondutas kiel homoj. Se ili devas batali, ili batalas; kaj se ili devas mortigi, ili mortigas. Sed ili ne eksidas kaj cerbumas pri metodoj malbonigi la vivojn de aliaj kaj suferigi ilin. Ili havas dignon kaj bestecon."

Kiel ni devus eduki lernejanojn pri politiko? Nu, en multaj landoj estas malpermesite eduki kaj oni rajtas nur misinformi, false trosimpligi, eĉ sugesti, ke toleremo estas malvirto, ke ekzistas nur unu vidpunkto. Sed eĉ en relative libera lando, kiel instrui? Kiam politiko estas io tiel malpura, mensogoplena, necerta, kaj, samtempe, ege bezonas honestulojn? Nu, se mi havus gefilojn, mi ĝojus, se fantazia romano pri kunikloj frue sugestus al ili kelkajn elementajn konceptojn: ke ekzistas diversspecaj socioj; ke totalisma socio estas esence malbona kaj malplivalorigas la vivon; ke nura materia prospero ne sufiĉas por feliĉigi popolon aŭ sanigi socion; ke plena egaleco ne eblas, sed ke tro forta malegaleco kaj klasa tiranado, ĉu hazardeca, ĉu planita totalisme, suferigas multajn kaj semas malamon; ke individuaj diferencoj kaj individua libereco ege gravas por nia digno kaj feliĉo, sed ke, samtempe, ni ĉiuj havas la devon helpi nian grupon, kompati suferantojn, kunlabori en necesaj taskoj; ke ni celu pacon kaj laŭeble evitu perforton, serĉu kompromisojn, sed defendu nian grupon kontraŭ senkompromisaj perfortuloj, kiuj nin atakas; ke toleremo kaj bonhumoro, gajeco kaj konsolemo, kontribuas al pli bona vivo kaj pli bona kunlaborado; kaj tiel plu simplajn, bazajn, civilizajn konceptojn, instruitajn sen abstraktaĵoj, nur per ekzemploj; sen sloganoj kavaj, aŭ eĉ organizita rezonado; nu, legolibro, kiu sugestas tiajn ideojn al infanoj per tiel streĉa historio, tiom da vera plezuro, donas tre bonan elementan politikan instruon; kaj, feliĉe, infanoj trovos ĝin pli leginda ol unuflankajn broŝurojn kaj ĵurnalajn mensogojn, kontraŭ kiuj ni ne povas plene protekti ilin.

Ĉarme interesa, ankaŭ pensiga, estas la lingva enhavo. Fantaziaj verkoj pri nehomaj, eksterteraj, utopiaj aŭ malutopiaj socioj ofte kreas novajn vortojn kaj fragmentojn de fantaziaj lingvoj: ni pensu pri Swift en la angla, Szathmári en Esperanto; pri multaj sciencfikciaj verkoj, inter kiuj ni ne forgesu la romanon de Harry Harrison, **The Ethical Engineer** („La Etikema Inĝeniero") [6]), kies aliplanedanoj parolas degenerintan Esperanton! La fama kaj multe tradukita fantazio de J. R. R. Tolkien, **The Lord of the Rings** („La Estro de la Ringoj") [7]) enhavas tre interesajn lingvajn eksperimentojn kaj eĉ runojn; Tolkien estis fakulo pri la anglosaksa literaturo, alte estimata inter fakuloj longe antaŭ lia famiĝo kiel romanisto. (Kiel studentino 1941-44, por mia unua diplomo, mi eĉ vizitis liajn prelegojn kaj faris kelkajn tradukojn por li.) Adams tute ne pretendus esti lingva esploristo laŭ la nivelo de Tolkien, sed li montras grandan konscion pri lingvaj aferoj kaj kredigas pri kunikla lingvo kaj pri interspeca helplingvo, kvazaŭ Esperanto-de-la heĝoj.

Liaj kunikloj parolas, ne la latinan, sed la **lapinan**, kredeble de la franca **lapin**, „kuniklo". Tre takte Adams pritraktas la **lapinan**; kompreneble liaj kunikloj parolas por ni angle, sed Adams sugestas, ke temas pri lia traduko; foje li enmetas kelkajn lapinajn vortojn, foje li uzas piednoton pri la „traduka" problemo, kvazaŭ temus pri ia historia aŭ biografia studaĵo. (Lia universitata diplomo estas pri historio.) La angla lingvo de la kunikloj estas tre simpla, kun minimumo da abstraktaĵoj; iliaj paroladoj estas mallongaj, escepte kiam ili rakontas legendojn; iliaj frazoj preskaŭ ĉiam mallongaj. Sed ili havas slangaĵojn, proverbojn kaj aludojn al eta kunikla kultura tradicio pri Frith, Inlé, El-ahrairah; komparojn kun la natura mondo: ekzemple, Tufego akre riproĉas: „Vi, mizera peco da babilanta stelario", kiu „vagadas kiel lunfrenezigita kampomuso". Ili havas kelkajn idiotismojn: ekz. „ĉesi kuri" estas „morti"; „La Milo" estas ĉiuj naturaj malamikoj de kunikloj; bido ne danĝera estas „Ne-Akcipitro"; miksomatozo estas „la blanka blindeco". Ankaŭ Hiacinto, la ŝerculo en la grupo, kreas etajn rimaĵojn — kiujn foje aliaj finas ŝerce por li.

Tra la romano ni lernas diversajn lapi-

najn vortojn; kaj Adams saĝe indikas, ke ili ne ĉiam havas ekzaktajn anglajn ekvivalentojn, tiel sugestante, ke kuniklaj konceptoj ne estas homaj. **Hrair** li tradukas kiel „mil", sed ĝi pli signifas „multaj", ĉar kunikloj povas kalkuli nur ĝis kvar; **marli** signifas „kuniklino" sed ankaŭ „patrino".

Ni lernas kelkajn bestajn kaj plantajn nomojn, ekz. **homba,** „vulpo"; **yona,** „erinaco"; **pfeffa,** „kato"; **lendri,** „melo"; **threa,** „sorpo"; kaj **elil** estas ĝenerale „malamikoj" — la **hrair** naturaj malamikoj de la kunikloj —; ni lernas pluralan finaĵon, — il: **yona, yonil;** la lapina verŝajne havas ian afiksan sistemon aŭ aglutinan karakteron, ĉar ni trovas **-oo** aŭ **-roo,** „-eta", kaj **-rah,** „estro, moŝto, reĝo" **ni-,** „antaŭ" (**ni-Frith**) kaj **fu-,** „post" — eble prepozicio — (fu Inlé); ia radiko **lay** kredeble signifas „manĝ-" ĉar ni trovas **silflay,** „iri eksteren por manĝi" (kaj unufoje **silf,** „ekstere(n)" **flayrah,** „luksa manĝaĵo" ekz. laktuko aŭ karoto, kontraste kun nuraj herberoj; kredeble do **f-lay-rah,** „manĝ-por-estro"; kaj la demando **Sayn lay narn?** „ĉu senecio estas bona" t.e. „por manĝi". Ni ankaŭ trovas diversajn apartajn vortojn, precipe por konceptoj speciale kuniklaj: **Owsla,** jam klarigita, sed la totalisma polico de Efrafa estas la **Owslafa; hlessi,** „vaganto", t.e. kuniklo, kiu portempe ne loĝas en kuniklotruo aŭ kuniklejo; **tharn,** „parailizita per timo", kiel kunikloj fakte povas esti; **hrududu,** „traktoro, aŭtomobilo, buldozo aŭ io tiaspeca", ĉar kunikloj ne povas koncepti klare pri tiaj objektoj kaj do ne diferencigi. Kiam ili vidas vagonaron, kies subita aperfo savas Ilekson kaj liajn kamaradojn de efrafaj ĉasantoj, ili povas koncepti nur ke io, „pli granda **hrair hrududil"** estis speciale sendita de la Sinjoro Frith por savi ilin. Inter aliaj lapinaj vortoj ni havas **hraka,** „fekaĵo", **embleer,** „malbonodora", originale pri la odoro de vulpo, **zorn,** „finita", „plene detruita"; kaj artikolo, **u.** Adams do ekonomie sugestas la ekziston de tuta lingvo, eĉ kun sia morfologio.

Liaj kunikloj foje sakras, laŭ psikologiaj procedoj, kiujn ni ĉiuj konas; io ajn, kontraŭ kio oni koleras, povas esti **embleer;** kaj la sun-dio Frith, pri kiu oni ofte parolas serioze kaj respekte en pluraj kuntekstoj, al kiu oni kelkfoje kvazaŭ preĝas, tamen foje utilas ankaŭ por blasfemoj de koleraj aŭ mirantaj kunikloj: „Frith en vesponesto!" — Frith en lageto!" kaj jen vere ŝoka frazo en terura momento, **O embleer** Frith! Instruinte al ni diversajn vortojn lapinajn en diversaj kuntekstoj, Adams tre lerte preparas lingvan klimakson, kiu fortigas heroan agan klimakson: dum krizo de la lasta batalo Tufego kredas, ke li batalas ĝismorte, vane, sub la tero; li jam sangas; Stakiso tiomomente proponas, ke se Tufego forlasos siajn kamaradojn, li iĝos eminenta grupestro en Efrafa. Tiam varmigas nian sangon la maleleganta sed ege taŭga respondo de Tufego:

**„Silflay hraka, u embleer rah."**

Aparte interesa por esperantistoj estas la koncepto pri „heĝa dialekto", eble pli ĝuste, „heĝa piĝino", kiun kunikloj parolas kun alispecaj bestoj. Adams ne uzas vorton kiel „Esperanto" aŭ eĉ „helplingvo"; fakte li uzas la vorton **patois** (franca vorto, iom hejmigita en la angla por lingvaj studoj, kaj signifante proks. „dialekto"); sed la koncepto estas tia de Esperanto: kiam Avelo vidas, ke tinunkolo minacas kampomuson, li volas averti la besteton: „Musoj ne parolas la lapinan, sed ekzistas tre simpla piĝino de la heĝoj kaj arbaroj", kaj li parolas tiel simple al la muso. La diferenco de la koncepto de Esperanto estas, ke la heĝa piĝino ne havas la saman konceptan kaj lingvan riĉecon, kiel la lapina kaj, kredeble, la musa, meva, erinaca k.t.p. Sekvas kelkaj okazoj, kiam muso parolas al la kunikloj; ĝia lingvo estas io tre nepreciza ,komike konfuza; oni havas la impreson, ke aŭ la heĝa piĝino havas tre nebulan sintakson. aŭ la muso, ne tre inteligenta, ne scipovas ĝin tre bone! Avelo parolas la heĝan piĝinon al Kehaar, kiu respondas samlingve, kun fremda akcento sed pli kohere kaj konsekvence ol la muso. Unufoje Kehaar preparas mallongan paroladon en „hezitema, heperfekta lapina" kaj poste „refalas en la heĝan piĝinon".

Same kiel homoj, kunikoj verŝajne havas regionajn dialektojn, do la lapina ne estas (kiel la angla, franca, hispana k.t.p. ne estas) lingvo tute unuforma inter kunikloj: kiam Blackavar estis iom ĝenita kaj ofendita inter la Avelanoj, „lia efrafa akcento iĝis pli forta". Al angla leganto la tiama efrafa akcento iom sugestas skotan parolmanieron. Por esperantistoj unu el la plej interesaj kaj kortuŝaj momentoj, inter multaj interesaj lingvaj elpensaĵoj, estas, kiam post la epopea batalo Avelo vizitas la vunditan, elĉerpitan Tufegon. Tufego estas tiel malsana, ke li momente ne komprenas, kio okazas, kiu al li parolas. Eble li duondelire kredas, ke la birda amiko Kehaar parolas al li; kaj li respondas al la unua demando en tiu heĝa piĝino. Avelo takte komencas sian respondon en la sama lingvo. Sek kiam Tufego bone konsciiĝas, li denove parolas la normalan lapinan. Signifoplene kaj bele!

Multaj furoraj libroj furoras pro kialoj, kiuj malmulte rilatas al maturaj artaj kriterioj; multaj tiaj libroj, kiuj eĉ faras reklamon kiel celantaj nur plenkreskulojn, por esperigi al ni drastajn detalojn pri sekse aŭ sadisme interesaj epizodoj, furoras multe malpli merite ol tiu ĉi ŝajne senpretenda „porinfana" romano, kiun ne nur kvar eldonistoj, sed, preskaŭ nekredeble, tri aŭtoraj agentoj rifuzis antaŭ akcepto per eldonejo ne tre konata!

Nun ĝi havas gradskalan sukceson. Richard Adams povas nun vivi kiel verkisto kaj ĵus aperigis duan romanon, **Shardik,** tute alispecan fantazion kun forta psikologia-mitologia enhavo. **Watership Down** jam aperis ankaŭ en Usono, kaj tradukoj aperos en almenaŭ la dana, finna, germana, nederlanda, itala, japana; filmon oni eble faros el ĝi; kredeble oni entreprenos aliajn tradukojn. [8]) Ofte la furoro de ia libro ŝajnas kvazaŭ simptomo de socia etoso malsana; la grandskala sukceso de **Watership Down** ŝajnas al mi esperiga simptomo. La verko havas veran meriton kaj estas profunde sana, kaj mi riskos pli fortan opinion: ke ĵus aperis vera nova klasikaĵo de la porinfana literaturo, kiu, kiel kelkaj aliaj tiaj verkoj, ankaŭ estas, kvankam relative marĝene, malgrandskale, kaj ne por tiuj, kiuj kultas malnaivon pli ol ili kultas veron, koron kaj ekvilibron, nova matura romano, meritanta firman niĉeton en la monda literaturo. Jen fantazio pli vere realisma ol multaj tielnomitaj realismaj verkoj.

Estas ĉiam agrable kredi, ke oni trovas novan stelon; kaj eĉ pli agrable, kiam ĝia lumo havas percepteble verdan nuancon.

Marjorie Boulton

(1) *The Private Life of the Rabbit* (Intima vivo de la Kuniklo), Londono, 1964.
(2) Kampara planto: angle, *hawkbit.*
(3) Plantonomo: la angla nomo, *Woundwort,* estas uzata por pli ol unu planto. Ĝi signifas laŭlitere *Vundherbon,* pro supozita medicina utileco; kaj do la nomo iom sugestas ankaŭ la sangavidon de la tirana ĉefkuniklo.
(6) Londono, 1964.
(7) Londono, 1954-55.
(8) Ĉu eble la romano iam aperos en Esperanto? Mi mem plej volonte tradukus ĝin; sed la laboro estus kredeble tute nepagita, kaj mi ne konsentus fari ĝin vane, ankaŭ eble pagi vane al la aŭtoro. Eble iam ia Esperanta eldonejo tamen povus firme entrepreni ion? - *M.B.*

# Atomcentraloj:

## ĉu savaj? ĉu apokalipsaj?

Ek de la aŭtuno 1973 trakuras la kapitalisman mondon iu teruriga esprimo. Naskiĝinta okaze de la proksim-orienta „kipura" milito, komence flustra ĉe la komenco, ĝi plilaŭtiĝis kaj atingis la proporciojn de vekrilo. Ĝi refrene ritmas la oficialajn paroladojn samkiel la gazetajn ekonomiajn rubrikojn: Ĝi eĉ konsistigas la teksbazon de la priokupoj, konversacioj, projektoj, timoj, revoj de niaj samtempuloj sidantaj ĉe la radiatoro aŭ en aŭto: temas pri la **energikrizo**, kiu sonas ĉe niaj oreloj tiel apokalipse kiel la pesto por nia mezepoka praavo.

Sed al tiu nigre magia vorto mirakle eĥas ne malpli magia sava formulo: **atomenergio**. Tiu savkapablo apartenas al la plej furoraj dogmoj de nia tempo, ĉi-foje ne nur en la kapitalisma mondo, en kunesto kun la nepre rektlinia progreso kaj la senfina ekonomia ekspansio. Kio mita, kio reala en tio?

### De karbo al atomo

La decidan paŝon al industriigo ebligis la karba erao. Sed jam ĉ. 1860 profiliĝas la venko de la petrolo: likva, facile transportebla, abunda, riĉa je diversaj elementoj utilaj por la ĥemia industrio, ĝi definitive venkas kiam aperas la aŭtomobilo.

La senbrida regado de la kompanioj super la triamondaj produktantoj ebligas malaltan prezon, tiagrade, ke la kuŭajta petrolo alvenas ĝis la franca aŭ germana konsumanto malpli koste ol la karbo el Loreno aŭ Rurlando.

La rezultato estas rapida falo de la karba parto el la energetika bilanco, profite al la petrolo kaj gaso.

| | | Nord-Ameriko | Okcidenta Eŭropo |
|---|---|---|---|
| 1950 | karbo | 40% | 83% |
| 1970 | karbo | 19% | 28% |

Ni jam notu, ke la okcidenta glutemo rilate al energio reliefigas okulfrapan malekvilibron: 16% el la tutmonda loĝantaro konsumas 56% el la energio.

La rapida kresko de la petrola konsumado tre frue levis timojn; jam ĉe la komenco de nia jarcento pluraj eksportoj profetis baldaŭan elĉerpiĝon de la fontoj. Fakte oni tiel diligente esploris novajn kampojn, ke paralele kreskis la produktado kaj la postulo. Restis pli malpli regule 15 jaroj da rezervoj. Sed nun oni atingis tian kreskoritmon — duobliĝas la konsumado ĉiun naŭan jaron — ke la perspektivo severe malheliĝos post la fino de la nuna jarcento. Kompreneble, al la kvanta aspekto oni aldonu la problemon de la kreskantaj kostoj: submara fosado postulas trioblon, elskista ekstraktado kvaroblon de subtera laboro.

Inter 1965 kaj 1969, la konkurenco inter la ĉefaj kompanioj malaltigas la prezon de la petrolaj produktoj tiel ke ĉie la altaj instancoj bremsas la nuklean programon. Sed en 1970 tute ŝanĝiĝas la horizonto: la eksportantaj landoj ligiĝintaj ekregas la ludon kaj tiel altigas la tarifojn — ĝis nun ili laŭŝtupe kvarobliĝis — ke la atomaj realigaĵoj denove aperas sur la antaŭscenejo. Post la „kipura" milito, vera paniko kaptas la kapitalismajn registarojn — en la orienta bloko la bilanco produktado-konsumado atingas kvazaŭan ekvilibron —, ĉefe se ili ĝisfunde riskis siajn kartojn favore al la petrola atuto, kiel Japanio aŭ Francio.

Ili nun sin vidas kaptitaj en la petrola stringo kaj malkovras, ke ili pli ol iam dependas kaj de Usono kaj de la mezorientaj landoj. Ne mia celo estas esplori la plurfacetan rolon, kiun ludis Usono en tiuj ekonomi-politikaj eventoj. Almenaŭ evidente estas, ke tiu „krizo" ne tute ŝuldiĝas al la hazardo.

Kio interesas nin, tio estas, ke, por ŝtopi baldaŭ neeviteblan breĉon, la ofi-

cialuloj konkludis pri la urĝa neceso sin turni al la nuklea energio. La ĝisnunaj moderaj programoj ricevis fulman impulson, nura rimedo — laŭdire — por trairi kelkdekjaran mankoriskan periodon, ĝis novaj energifontoj transprenos la torĉon. Cetere, aldonis la samaj personoj, eĉ sur la tereno de la kontraŭpolucia protekto, „pura" atomo estas ĉiel preferinda al la videble danĝeraj karb- aŭ petrol-centraloj.

Ĉe la pinto de la nukleemuloj ni trovas i.a. la francan registaron. Jam antaŭ 25 jaroj ĝi draste fermis karbminejojn kaj blinde sin metis en la povon de la petrolkompanioj por du trionoj el siaj bezonoj. Nun ĝi same riskeme sin ĵetas kapvoste en nekredeble pretendeman nuklean programon: en la jaro 2000, 45% el la tiulanda energio fontos el atomo. Ĝi majstre orkestris panikon ĉe la publiko por akceptigi sen reago radikalan ŝanĝon ne nur en la ritmo, sed ankaŭ en la orientiĝo per adopto de usona procedo. Unu detalo sufiĉas por mezurigi la amplekson de tiu akcelado: la potenco planita en 1964 por tuta Francio en 1975 baldaŭ koncentriĝos en ununura vilaĝo.

Laŭ diversaj gradoj la naciaj programoj prezentas la samajn ambiciojn:

— kreskigi la tutan produktadon de energio,
— kreskigi la parton de la elektro en tiu energio,
— kreskigi la nuklean parton en tiu elektro,

kio resumiĝas en la formulo: „ĉio elektra, ĉio nuklea".

### Kelkaj teknikaj elementoj

En 1951 la usona pilo EBR I liveris la unuajn kilovattojn. Sekvis en Shippingport la unua vera centralo destinita al elektroproduktado (600 megavattoj). En majo 1956 la unua „civila" brita centralo diverĝas en Calder Hall. Tiujn unuajn paŝojn sekvis longa vojo signita de teknikaj elpensoj, kiuj kondukas al diversaj porcedoj, — signita ankaŭ de kreskantaj duboj rilate al eblaj riskoj.




1. Koro de la reaktoro
2. Kontrolstangoj
3. Interŝanĝilo de varmo
4. Superpremilo
5. Kuvo
6. Turbino
7. Alternatoro
8. Pumpilo
9. Kondensilo
10. Rivera akvo

□ primara cirkvito

■ sekundara cirkvito

Ni tre simple skizu la funkciadon de nuklea centralo. Kiel ĉiuj termikaj centraloj; ĝi celas la transformon de termika energio en meĥanikan, poste en elektran energion. Oni povas distingi tri partojn: ili estas la reaktoro, la turbino, la alternatoro. La du lastaj troviĝas en ĉiuj centraloj.

La reaktoro, plej specifa peco, aspektas kiel rigore fermita fortikaĵo el betono. Ĝi konsistas el tri elementoj:

— la brulaĵo, natura aŭ riĉigita uranio, sub la formo de tegitaj stangoj aŭ platoj. Ĝia fendiĝado (fisio) produktas intensan varmon;
— la moderigilo malrapidigas la neŭtronojn, tiele multobligante la fendiĝojn de la brulaĝo. Povas ludi tiun rolon, laŭ la procedo: grafito, ordinara aŭ peza akvo;
— la varmoportanta fluido cirkulas ĉirkaŭ la koro de la reaktoro kiun ĝi malvarmigas, dum ĝi varmigas ĝis vaporigo la ordinaran akvon de aparta cirkvito. Tiu fluido povas esti: karbona dioksido, heliumo, superpremita aŭ bolanta akvo, natrio.

Por eviti radioaktivan kontaĝon, la primara cirkvito (varmoportanta) kaj la sekundara (ordinara akvo vaporigenda) estas rigore apartigitaj.

Laŭ la kombinitaj elementoj — brulaĵo, moderigaĵo, fluido — ekzistas ĝis nun kvin ĉefaj sistemoj:

1) Natura uranio-grafito-gaso, kelkfoje dirita „franca ĉeno", kiu konsistigis la unuan generacion de la francaj centraloj.
2) Peza akvo kun natura uranio: ĉefe en Kanado.
3) Ordinara akvo kun riĉigita uranio, laŭ du procedoj:
— superpremita akvo:
usona sistemo PWR
— bolanta akvo:
usona sistemo BWR.
4) Alta temperauro (riĉigita uranio aŭ torio — moderiga grafito — varmoportanta heliumo). Tiu sistemo naskiĝis en Britio kaj Germanio, poste etendiĝis al Usono.
5) Supergeneratoro (plutonio aŭ riĉigita uranio — sen moderigilo — likva natrio varmoportanta). Ĉefe en Britio, Sovetio, Germanio kaj Francio. Ni poste pli detale pritraktos ĝin.

★

Tiel gigantaj aspektas la nunaj nukleaj programoj sur la tuta terglobo, ke ili levas gravajn problemojn, laŭ tri ŝtupoj:

— teknika: kiuj avantaĝoj? kiuj riskoj?
— ŝtatmorala: la informado kaj la ŝtatpovo
— etika: elekto de vivovojo.

**Efikeco — Produktiveco**

Unua paradokso: nuklea centralo, ege avida je energio, estas sia plej bona kliento. Vera energetika bilanco devus kalkuli unuflanke la liveritan elektron, aliflanke tiun konsumitan je ĉiuj ŝtupoj de la procezo, tio estas: elfosado, koncentrigo, transporto de la metalo, transporto de la radioaktivaj produktoj kaj ruboj, retraktado de la foruzitaj brulaĵoj por eltiri plutonion, konstruado kaj prizorgado de ĉiuj instalaĵoj, esplorcentroj, laboratorioj, centraloj, prizorgado de la radioaktivaj ruboj ĝis kompleta disatomiĝo. En 1972 usona inĝeniero, Adolfo Ackerman, asertis, ke la tuta konsumado de la usona atomkomisiono atingis 802 miliardojn da kilovatthoroj, dum ĝi produktis nur 86 miliardojn.

Oni povus esperi, ke tia centralo, post multekosta infanaĝo, atingu profitdonan sojlon, se ĝi ĝuus longan vivon. Sed tute male! Apenaŭ 20-25 jarojn ĝi laŭplane funkcios, dum ĝi postulos post emeritiĝo poreternan kontrolon super si kaj siaj ruboj.

Cetere tiu plano montriĝas optimisma, kiam oni konsideras la imponan nombron da paneoj jam okazintaj ĉie en la mondo. Chooz, ĉe la franc-belga landlimo, paneis dum 26 monatoj. Fine de septembro 1974, oni anoncis, ke 15 reaktoroj el 52 en Usono estos haltigotaj pro sekureca problemo. Oni rajtas dubi, ĉu multaj cen-

traloj atingos la optimuman vivdaŭran.

Se oni aldonas al tio la kostojn de multjaraj esploroj kaj la ruze implikan prezenton de la civila kaj milita buĝetoj en ĉiuj landoj, oni konkludos, ke estas neeble starigi fidindan financan bilancon. Tial ni singarde akceptu la kalkulojn, kiuj laŭcele substrekas la relative moderan prezon de la nuklea kilovatto. Gajnos elektra ungfajlilo la homo kapabla malkovri la veron en tiu konta kaĉo.

### Aera polucio

Oni ne dubu, ke eksterordinaraj antaŭzorgoj, tre superaj al la aliaj industrioj, akompanas la funkciadon de atomcentralo. La koeficiento de fidindeco vere impresas... se oni forgesas, ke la nukleaj riskoj absolute ne toleras komparon kun tiuj de ordinara uzino. Kiam oni konsideras la skeman planon kun tiu betona kestego tegita per dika lado, kun tiuj sendependaj akvocirkvitoj, oni povas demandi al si kiel gasellasoj estas eblaj. Sed oni ne forgesu, ke konkreta materialo estas pli malpli perfekta, manipulita de ordinaraj homoj, ke la tuboj postulas milojn da lutaĵoj, ke la tegoj de la uraniaj stangoj ofte fandiĝas, ke oni devas retiri la foruzitan metalon el la reaktoro por regeneri ĝin, ke do la hermetikeco de la tuta sistemo estas nur relativa.

La plej perfektaj filtriloj restas senpovaj kontraŭ tiuj danĝeraj substancoj: argono 41, kriptono 85, ksenono 133, stroncio 90, plutonio 239. Oni ĝenerale taksas je 30.0000 kurioj la radioaktivecon elĵetitan ĉiujare de 1.000 megavatta centralo. Tiu polucio estas la plej perfida el ĉiuj, ĉar ĝi ne estas tuj evidenta kaj nur specialaj aparatoj kapablas malkovri ĝin. Nur la tempo povas ĝin elimini. Sed por ke la radioaktiveco de iu substanco reduktiĝu ĝis unu milono, necesas dek periodoj *): nu, la periodo de stroncio 90 atingas 28 jarojn, tiu de plutonio 239.24.300 jarojn. Ĉar tiu radioaktiveco akumuliĝas, ĝia kvanto senĉese kreskas, kio fundamente distingas ĝin de la natura radioaktiveco.

La konsekvencoj povas esti somataj: leŭkemioj, kanceroj. La kresko de la infanaĝa mortokvanto ĉirkaŭ la plej malnovaj nukleaj sanktejoj, ekzemple Oak Ridge, ektimigas eĉ la oficialajn instancojn. La multobliĝo de la centraloj kondukos ĉ. 1980 al ĉiujara dissemiĝo de 25-30 kilogramoj da plutonio tra la atmosfero: sufiĉas 0,7 mikrogramo por mortigi homon.

Ankaŭ genetikaj estas la sekvoj, minacantaj la estonton de la homaro: tial multaj biologoj kaj kuracistoj tiris la atenton de la publiko al tiu problemo: Gofman kaj Tamplin en Usono, Rostand en Francio, aŭstraj kuracistoj en memorando. Temas pri vera genetika veto, flanke de la iniciatintoj de la nukleaj programoj: sed ĉu oni rajtas veti la ekziston de pluraj generacioj, kiam oni ne disponas absolutan garantion? Raporto de brita konsilkomitato por la ministro de la vivkadro konkludas: „La nuna generacio lasas konscie kaj facilanime toksaĵojn akumuliĝantajn. Al la estontaj generacioj ĝi forlasas la respondecon pri problemo kiun ĝi ne kapablas solvi. La danĝero estas evidenta: la homo riskas ĉion ludi per la karto de la nuklea energio kaj tro malfrue malkovri, ke nesolvebla estas la problemo".

Teknikistoj provis nin trankviligi per publikigo de t.n. normoj laŭ ili plene tolereblaj por la loĝantaro. Bedaŭrinde, post ĉiu akcidento oni devis draste korekti ilin, kio pruvas, kiom fidindaj ili estis, kaj tial probable estas. Sur tiu tereno, ĉu ni, estontaj kobajoj, povas konsenti pri la nocio mem de normo? Cetere ni rimarkas, ke ofte fiksas ilin la ŝtataj komisionoj mem.

### Akva polucio

Ĝi estas:

— radioaktiva pro la ellasita tricio,

— termika, ĉar nur unu triono el la varmo produktita de la reaktoro transformiĝas en elektron dum oni eliminas la du trionojn per akvo. Tio postulas grandajn kvantojn da akvo (50 $m^3/s$ por unu 1.000 megavatta centralo), kiu varmigas la tutan riveran, estuaran aŭ maran ĉirkaŭaĵon. La altigo de la temperaturo havas diversajn malagrablajn konsekven-

cojn. La akvo parte perdas sian povon regeneri oksigenon, la delikata biologia ekvilibro rapide rompiĝas, la fiŝoj iom post iom malaperas. Tiu silenta dramo atingas sian kulminon en la estuaroj: tie aperas centraloj pro la grandega akvovolumo disponebla, sed ĝuste tie troviĝas la larvejoj kiuj kondiĉas la pluvivadon de multaj specioj. La perdo estas des pli grava, ke la tajdomovo kirlas plurfoje en unu tago varmigitajn akvojn laŭ vojoj ĝenerale malbone konataj: denove oni impulsis procezon kies sekvojn oni ne povas kontroli. Freŝdataj eksperimentoj aŭ atestoj el Hispanio, Kvebekio, Norda Karolino alarme sonas.

Por bremsi tiun varmigon, oni elpensis gigantajn malvarmigajn turojn. Sed ili altigas la koston de la centralo je 15%, malbeligas la regionon: tri projektojn kontraŭis en Svisio la koncerna komisiono (tiuj turegoj atingas 150-200 metrojn laŭ alteco kaj diametro). Ili glutas teruran akvokvanton (4.000 l/s), kaj fine riskas krei mikroklimaton favoran al nebulo kaj glacipluvo malutilajn en la fruktarbejoj, kiel oni vidis en Karlsruhe.

### Polucio laŭ la nutro-ĉenoj

La radioaktivaj toksoj disponas esceptan povon de koncentriĝo laŭlonge de la nutro-ĉenoj. Post la eksperimentoj en Bikini (1954), la tiea planktono entenis radioaktivecon 58.000-oblan rilate al tiu de la ĉirkaŭa marakvo. Post kontaĝo de la usona rivero Columbia fare de la milit-instalaĵoj de Hanford, oni trovis rekordan povon de koncentriĝo en la flavaĵo de anasaj ovoj: 1.500.000-oble! Iuj toksoj disetendiĝas tra la tuta korpo (argono, tricio, cezio). Iodo 131 fiksiĝas en la tiroido. Stroncio 90, kies baza metabolo similas tiun de kalcio, plejofte fiksiĝas en la ostoj. Cezio 137 asimiliĝas paralele al kalio.

Du klasikaj ekzempoj pri tiaj danĝeraj vojoj estas:

— radioaktivaj gasoj - pluvo - paŝtejoj - bovinoj - lakto - beboj.
— radioaktivaj gasoj aŭ likvaĵoj en maron - planktono - krustacoj - fiŝistoj - konsumeblaj fiŝoj.

Pli malrapidaj sed ne malpli danĝeraj vojoj atingas la profundajn akvotavolojn, poste la akvodistribuadon por irigacio de la legomoj aŭ por rekta konsumado.

Simpla demando: se la afero estas tiel senriska kiel ĝin pretendas la aŭtoritatoj, kial ili malpermesis kolektadon de la lakto dum kelka tempo en iuj partoj de Britio kaj Usono, kun maksimuma sekreto?

### La ruboj

Post foruzado de la brulaĵo, kion fari el la ruboj? Tiu problemo ne nur restas sen kontentiga solvo, sed ĉiutage pligraviĝas kaj kruele embarasas la teknikistojn.

Intensiĝas la kamiona kaj fervoja trafiko, kiu kondukas kreskantajn kvantojn da metaloj al specialaj centroj de retraktado: Windscale en Britio, Savannah River, Idaho Falls, Hanford en Usono, Marcoule kaj La Hague en Francio, ktp. Kvankam kestegoj el ŝtalo kaj plumbo protektas tiujn radioaktivajn substancojn, akcidento restas ebla. Sed por ne timigi la loĝantaron, oni „forgesis' 'signi tiujn kamionojn aŭ vagonojn per speciala indiko, kiel oni faras por la „brulemaj likvaĵoj". Se 36-foje perdiĝis en 1968 radioaktivaj produktoj dum transporto tra Usono, oni povas taksi la sekurecon kiun rezervas al ni la aktuala kreskado.

La retraktado de tiuj elementoj estas la plej polucianta fazo el la nuklea procezo. Oni eltiras la plutonion, kiu „utilos" al armeo aŭ al supergeneratoroj. Laŭ D-ro Frank Barnaby, unu centralo 1.000-megavatta postulas por la retraktado de sia brulitaĵo ĉiujaran ellason de 45.000 kurioj da kriptono 85.

Kaj la neuzeblaj restaĵoj? Tridek jarojn post la unua pilo, oni daŭre ne kapablas solvi tiun problemon. Akumuliĝas la betonaj kestegoj: ĉiu fantazias por sendi ilin ĉu en salminejojn, ĉu sur orbiton. Atendante, tiun definitivan destinon, ili kelkfoje faŭkas sub la nazo de la publiko, kiel en Sacley, apud Parizo. Oni mergas ilin en Atlantikon, dekmilope: oni blinde ignoras la sekvojn kaj ŝajne kredas pri la eterneco de la betono kaj la neekzisto de porfundaj marfluoj. Ĝis kiam

oni venenos la oceanon? La fakuloj promesas, ke protekta vitrigo baldaŭ alportos definitivan rimedon... sed mi trovis similan aserton en deklaro datiĝanta de... 1964. Ni do paciencu kaj, se eblas, nur ridu, kiam ni legas, ke ĵurnalistoj de „Spiegel" trovis en julio 1974 intense radioaktivajn substancojn en plastaj sakoj forlasitaj sur rubujo!

Fine restas la rubkrono, la nuklea nekropolo: la centralo mem post eluziĝo. Kion oni faru el ĝi? Neniu scias. Ĝia malmuntado tiom kostus kiom ĝia konstruado. Interne de tiu sorĉistina kaldronego, konsiderinda amaso da metalo kaj diversaj likvaĵoj konservos plurcentjaran radioaktivecon. Tial oni kovros ĝin per betona monteto: ĝi plustaros, eterna monumento je la gloro de nia teknika pretendema senkapablo. Ĉiu epoko havas la katedralojn, kiujn ĝi indas!

Ni tamen ne forgesu, ke ĉiuspecaj ruboj postulos senmankan prizorgadon dum jarcentoj. 400 milionoj da litroj — restaĵoj solvitaj en acido — bolas en la kuvegoj de la usonaj atomservoj: oni devas senĉese malvarmigi kaj kirli ilin. Kiu garantias al ni, ke tra la ter- aŭ homskuoj, katastrofoj, militoj, la homo ne perdos la memoron aŭ la kapablon plenumi tiun nepran taskon?

### Akcidento

Ĉiuj aluditaj danĝeroj rilatas al t.n. normala stato. Sed kion alportus akcidento?

Ĝis nun miloj da incidentoj okazis, sed malmultaj veraj akcidentoj. Ŝajnas, ke oni povas elimini — escepte de la supergeneratoroj, pri kiuj ni reparolos — la riskon de atomeksplodo: centralo ne povas asimiliĝi al bombo. Sed la riskoj estas impresaj kaj variaj, dependaj de la materio kaj de la homo.

La plej ordinara estas supervarmiĝo de la reaktoro, kiun oni reduktas per ellaso de danĝeraj gasoj por eviti meĥanikan eksplodon: ili venenas la ĉirkaŭaĵon. Sismoriska regiono akcentas tiun eblon: ekz. Bodega Bay en Kalifornio. Ni disponas eĉ pri ekzemplo de alarmsistemo tiel perfekte funkciinta, ke la inĝenieroj ne volis kredi al ĝi: la centralo paneis dum pluraj monatoj.

Reaktoro konsistigas unuarangan celtabulon okaze de milito aŭ de atenco: la 11-an de novembro 1972 aerpirato minacis Oak Ridge.

Germana inĝeniero listigis pli ol mil incidentojn kaj akcidentojn inter 1945 kaj 1963, sen mencio, kompreneble, pri la plej sekretaj (ĉefe, sed ne nur en Sovetio). Oni povus supozi, ke la tekniko intertempe progresis, ke la freŝdataj akcidentoj maloftiĝis. Tute male! Paralele kun la amplekso kaj la nombro de la novaj instalaĵoj kreskas la dimensio kaj la ofteco de la riskoj. Post gravaj eventoj en Windscale (Britio), Sverdlovsk (Sovetio), Wood River kaj Idaho Falls (Usono), la jaro 1969 estas signita de similaj aferoj, interalie en Lucens (Svisio), Latina (Italio), Lingen (Germanio), St-Laurent-des-Eaux kaj Chinon (Francio), Rocky Flats (Usono), Dodewaard (Nederlando). Komence de 1974 filtriĝis kelkaj malkvietigaj informoj pri eksplodo en la soveta supergeneratoro de Ŝevĉenko.

En 1957 la usona atomkomisiono eldonis la raporton Brookhaven, kiu kalkulis la sekvojn de grava eventuala akcidento en 150-megavatta reaktoro ellasinta 50% el sia radioaktiveco. Tio signifus:

— 3.400 mortintoj,
— 43.000 vunditoj,
— 460.000 evakuendaj personoj,
— 3.400.000 personoj medicine kontrolendaj,
— 70 milionoj da dolaroj da damaĝoj,
— 26.500 km² minimume, 400.000 km² maksimume kontaĝitaj, laŭ la tiama vento.

Tiu raporto tute ne malaktualiĝis, male, laŭ konfirmo de Haroldo Price, de AEC, en marto 1971. La nunaj centraloj estas sepoble potencaj .Ellaso de nur 7% el ilia radioaktiveco sufiĉus por ekvivalenta detruo.

Oni komprenas kial J. Gofman deklaris, ke „eĉ se estus nur unu ŝanco el dekmil pri ĉiujara grava akcidento en unu centralo, jam tio estus neakceptebla risko".

Laŭ la revuo „Scienco" (26.1.1973), AEC konsideras, ke la ebleco de akcidento ne restas sub 1/1000 por unu reaktoro dum unu jaro. Tio signifas, laŭ la aktualaj konstruplanoj, ke en la jaro 2000 oni povus atendi meznombre unu gravan akcidenton ĉiujare en Usono, ĉiun kvinan jaron en Francio. Ne mirige, ke AEC kontraŭstaris la projekton de centralo sur insulo de la rivero Delaware, 18 kilometrojn distance de Filadelfio.

Fronte al tia minaco, kiun protekton ni povas atendi de niaj respektivaj registaroj? En Francio ekzistas la „plano ORSEC-Rad", kiu sin limigas per la tutsimpla izoligo de la koncerna loĝantaro, kio signifas ĝian foroferon. En Germanio ni konas multe pli ellaboritan planon por Karlsruhe: la trafita zono estos rigore fermita laŭ 10-kilometra diametro, la loĝantoj rehejmiĝos kaj fermos ĉiujn pordojn kaj fenestrojn, ili evitos ĉian nutradon per freŝaj manĝaĵoj. La fajrobrigadistoj de Brucksaal malpermesos disdonadon de akvo, purigos stratojn kaj domojn, forportos la infektitajn grundojn kaj kovros ilin per asfalto. Ĉiuj personoj sub medicina kontrolo estos senatomigitaj ekstere per titana oksido, oni kirurge traktos la vundojn kaj oni vomigos post la manĝo, ktp..."

Okulumo al via asekura kontrakto, kara leganto, instruus vin pri la fido, kiun inspiras la atomindustrio al la juristoj. En Usono la kompanioj rifuzis ĝis 1967 sian garantion; tiam ili konsentis aldoni 75 milionojn da dolaroj (kontraŭ tre multekosta poliso) al la ŝtata garantio de 500 milionoj da dolaroj por ĉiu akcidento. En Francio la privataj kompanioj rifuzas asekuri tiun riskon; leĝo limigas la sumon pagotan de la organizo respondeca pri la centralo.

### La supergeneratoro: miraklo?

Konsciaj pri la limoj de la uraniaj rezervoj kaj de la atomindustria produktiveco, la atomistoj sin turnis al nova procedo: la supergeneratoro kun rapidaj neŭtronoj surbaze de plutonio kaj de malvarmiga likva natrio. Ĝi prezentas duoblan avantaĝon:

— ĝi bezonas modestan volumon por maksimuma potenco: en 700-megavatta centralo, sufiĉus 6 kubmetroj por la „koro" anstataŭ 2.300 laŭ klasika sistemo. Ne plu katedralo, sed kapeleto...

— ĝi kapablas — jen la miraklo! — produkti pli da brulaĵo ol ĝi konsumas. Jen kial ĝi allogas plurajn militemajn registarojn, kiuj avidas plutonion por siaj bombstokoj.

Sed senmezuraj danĝeroj akompanas tiun teknikan mirindaĵon: neniam la homa cerbo ellaboris tiel diablan kaldronon. Tiuj centraloj produktas tiom da ruboj kiom la aliaj, sed multe pli da radioaktivaj ellasoj. Kaj tiuj plutoniaj ellasoj estas senkompare la plej danĝeraj por la homo.

Aliflanke la risko de supervarmiĝo estas nete pli granda, ĝis atingo de la „kritika maso", kiu ĉi-foje povus konduki al atomeksplodo. Tio klarigas la rezervojn de E. Teller, la „patro" de la H-bombo. Pravigis lin la misaventuro de la supergeneratoro „Enrico Fermi" en Lagoona Beach. Post mallonga funkciado, ĝi supervarmiĝis la 5-an de oktobro 1966. Silentis la aŭtomata malŝaltilo. Du jaroj necesis por trovi la kialon. Nur en julio 1970 ĝi reaktivis... ĝis definitiva malkonstruado fine de 1972.

### Kio pri la nuklea fandiĝo (fuzio)?

Kontraŭe al la frenezaj riskoj de la fendiĝo, fandiĝo de malpezaj nukleoj en kontrolita reakcio liverus preskaŭ senliman energion. Inter diversaj tipoj, la DT-fandiĝo (deŭterio-tricio) generas heliumon kaj alternergiajn neŭtronojn.

La rekta transformo de atomenergio en elektron evitas la interŝanĝon de varmo, sekve la termikan polucion, kaj nete altigas la produktivecon. Ĉiu incidento ĉesigas la reakcion, kio igas tiun sistemon pli sekura, escepte de la tricia danĝero.

Sed la fandotaj atomoj devas atingi eksterordinaran temperaturon, ĝis kelkdekmilionoj da gradoj.

La rusaj esploroj sin aplikas al la aparatoj „Tokamak", la usonaj al la „Stellarator" kun uzo de laserradiofaskoj (centroj de Livermore, Los Alamos, Roches-

ter). En Eŭropo, oni studas tiun teknikon en Culham (Britio), Garching (Federala Germanio), Frascati (Italio), Fontenay-aux-Roses (Francio). Eŭratomo (okcident-eŭropa koopera organizo) projektas JET-on (Tokamak) uzeblan en 1978.

Nesensignifa detalo: pluraj jardekoj necesos por atingi la stadion de nur eksperimenta centralo. *Optimistoj riskas profeti* kiel daton de la industria ekpaŝo: 2030-2040...

**Danĝeroj de la akcelado**

Ĉiuj supre *elvokitaj riskoj multobliĝas* laŭ du driektoj pro la mondskala dissemiĝo kaj la ĵusa akcelado de la naciaj programoj sekve de la t.n. energikrizo.

1971: 128 reaktoroj 16 landoj
sume 25.000 megavattoj;
1977: 325 reaktoroj 32 landoj
sume 174.000 megavattoj;
1990: 2000 reaktoroj
sume 2-3.000.000 megavattoj.

Fakte estas, ke ĉiu ŝtato suferas pro „atomkomplekso": se ĝi ne apartenas al la „*nuklea klubo*", *ĝi ne posedas seriozan* internacian statuton. Ĉiu klopodas ĉiupreze sin ekipi. En julio 1967 ekfunkciis la *unua japana centralo en Tokai Mura*, en julio 1970 la unua hinda en Tarapur. Westinghouse baldaŭ konstruos la unuan en *Jugoslavio. La civila kaj milita* programoj nedisigeble implikiĝas, — tiel, ke eĉ la tute modera ĝenerala sekretario de Unuiĝintaj Nacioj, Kurt Waldheim, deklaras en septembro 1974: „Dek du landoj nealiĝintaj al la kontrakto pri limigo de la nukleaj armiloj povos baldaŭ akiri la nuklean kapablon, kaj tiu nombro eble duobliĝos post kelkaj jaroj. Tiel larĝa disvolviĝo de la nuklea tekniko kaj de la plutoniaj stokoj povus minaci per preskaŭ neimageblaj danĝeroj la postvivon de nia civilizo kaj de la homaro, sen mencio pri la terura multobligo de la militriskoj pro *akcidento, miskalkulo aŭ akiro de* tiaj rimedoj fare de krimuloj".

Nun Hispanio sin preparas al amasa ekipado de *la Biskaja Golfo. Izraelio po*sedas 50 kilogramojn da plutonio fabrikita en uzino liverita de Francio. Kvebekio intencas konstrui gigantan komplekson el 12 centraloj ĉe golfo St-James, 800 kilometrojn norde de Montrealo. Unu el la plej trafaj ekzemploj pri nuklea freneziĝo koncernas Francion, kies registaro abrupte anoncis la mendon de 6 centraloj en 1973, 6 en 1974 kaj 7 por 1975, poste po 5 ĉiujare, ĉiuj minimume 1000-megavattaj. Sume 40 estus konstruataj en 1980 kaj ĉ. 200 reaktoroj funkcius en 2000. Samtempe *oni forlasis la „francan procedon"* provitan dum 15 jaroj kaj adoptis la usonan sistemon PWR malbone konatan en *Francio, rifuzitan de Britio kaj Svedio.* Tiu ambicia programo ne nur superas la kapablon de la franca industrio (multnaciaj firmoj pretas *helpi!*), sed tute ŝanĝas la sekurecajn normojn.

Tial la sindikatistoj de CEA (ŝtatkomisarejo por atom-energio), kvankam principe favoraj al la atoma tekniko, ĵetis alarmkrion: kiam EDF (ŝtata elektro-administracio) pretendas lanĉi novan centralon ĉiun duan monaton, kiel ĝi povus plenumi la kutime rigorajn kontrolojn? Per kiu personaro? Je kiuj konstrustadioj? Ni des pli dubas pri la fidindeco de tiuj instalaĵoj, ke la akcelado de la programo postulas kreskantan partoprenon de privataj firmoj kaj vicentre*prenoj: por ili la sekureco subordiĝas* al profito. Aliflanke la kontrolistoj estas tro malmultaj (300 en Francio) kaj nun de*pendas de la ministerio de industrio...* kiu patronas la mendon de la centraloj.

Cetere, al kiu insistas pri la necesa sekureco, la *entreprenistoj kaj eĉ la ŝtataj* teknikistoj fine konfesas, ke troa zorgo endanĝerigus la profitrenton de la afero: jen la fundo de la problemo!

**Malantaŭ politikistoj kaj teknikistoj, kiuj?**

Ĉar ni ne forgesu, ke ni baraktas en iu ekonomia sistemo, por kiu vivbezonoj samkiel mortriskoj egale rolas kiel profitebloj. En Francio de 1000 megavattoj kostas ĉ. 2000 milionojn da dolaroj. Tio signifas, ke ĝis 1985 la nuklea toasto estos *ŝmirita per ĉ. 8 miliardoj* da dolaroj. Kalkulu la koston de la tutmonda progra-

mo... Ni ne miru, ke tie rendevuas la elito de la kapitalismaj „filantropoj". Je ĉiuj ŝtupoj de la procezo, ni trovas la samajn nomojn jam famajn sur aliaj ĉasterenoj, interalie la petrolindustrio: ĉu hazarde?

Ekzemple, Exxon regas en la uraniaj minejoj, dum progresas Gulf Oil. En Kanado, Gabono, Niĝerlando, ni renkontas Pennaroya-Nikelon kaj PUK (Péchiney-Ugine-Kuhlmann).

Koncerne la reaktorojn, la tipo PWR estas vendata sub licenco Westinghouse, BWR sub licenco General Electric. La konata nomo de belga barono Empain profiliĝas malantaŭ la trustoj, kiuj konstruas la nukleajn kaldronegojn, turboalternatorojn kaj transformilojn. Longa povus esti la listo.

**La rezistomovadoj**

Fronte al tiu senprecedenca amasa agresado kontraŭ la nuna kaj estonta homaro, ĉu kaj kiel reagis la eventualaj viktimoj?

Ĉe la komenco, ili estis tutsimple paralizitaj pro kompreneble nescio. Ĉiuj oficialuloj, scienculoj, teknikistoj konspiris por substreki, ke paca atomo havas nenion komunan kun la atombombo, ke ĝi reprezentas, laŭ lirika esprimo de la EDF-prezidanto, „la energetikan savon de la okcidenta mondo". Siaflanke la ĉiulandaj komunistoj emfazis, ke dum la kapitalisma mondparto sin dediĉas ĉefe al la militpreparo, Sovetio strebas liberigi la laborantan homon per atomindustrio grandparte turnita al paca konstruado.

*Du PWR-reaktoroj po 900 megavattoj en Fessenheim (Alzaco)*



Ankoraŭ nun la specialiĝo de la scienculoj impresas la laikan publikon, dum ĝi kaŝas danĝeran nescion pri la najbara fako: ne nur la atomistoj ne akordiĝas, sed ili tute ne kompetentas pri biologio, geologio, medicino aŭ agronomio. Certe estas, ke, se okazos iu katastrofo en centralo, neniam oni trovos la respondeculojn: ĉiu blinde fidas sian alifakan kolegon kaj senpripense fosas propran sulkon.

La politikistoj ĉiam optimisme kredas al senfina progreso dank' al neelĉerpeblaj naturaj riĉaĵoj, kaj ĉiam renkontas naivajn aŭ flatemajn teknikistojn por firmigi ilian konvinkon.

La sindikatoj ĝenerale defendas unue la laborrajton de siaj membroj, evitante ĉian ĝenan sindemandon pri la fincelo de tiu laboro.

En ĉiuj landoj oni pli malpli aplikis al tiu problemo la sekreton, kiu de la komenco regis la militaspekton. La findecidoj apartenis al politikistoj tute ne kompetentaj, konsilitaj de arogantaj teknokratoj sen respondeco kaj sen kontakto kun la popolo. Vera tabuo ĉiam sin ligis al tiu temo. Sed kiam ĝi fariĝis tiel urĝa, ke silenti oni ne plu povis, venis la tempo por sistema misinformado. La ŝtatpovo zorge prezentis nur unuflankan argumentadon kaj laŭbezone tordis la leĝon por silentigi la kontraŭulojn.

Samkiel la esperantistoj, tiuj ĉi longe predikis en dezerto, sen monaj rimedoj, sen facilaj internaciaj ligiloj, fronte al dubemo aŭ indiferento: estas pli facile interesi la publikon pri tuja konkreta problemo, kiel la limigo de vetur-rapideco. En Svedio okazis detala debato en la parlamento, ne sen hezitoj ambaŭdirekte, por fiksi la energitikan perspektivon. En Usono ordinara civitano aŭ defendasocio povas interveni en konfrontadojn, des pli oportune, ke tie ne ekzistas ŝtata elektro-administracio tutpove monopola. Tial en 1971 nur du projektoj el dek unu efektiviĝis sen prokrasto.

Male, en Francio la centraliza politika strukturo starigas efikan baron kontraŭ la kontestantoj, precipe nun en la manoj de la plej konservativaj fortoj. Neniam okazis fundamenta debato en la parlamento pri la energitika orientiĝo. La prefekto, ĉiopova provinca lakeo de la registaro, facile timigas la urbestrojn aŭ vilaĝestrojn, kiuj almozas ŝtatsubvenciojn. Li povas logi ilin per la imposto, kiun havigos al ili la centralo: 100 loĝantoj povas ricevi 10-milion-frankan manaon, dum la najbara vilaĝo ricevos nenion. Longa tradicio fortigas tiun pasivan sintenon, laŭ kiu „kion ni povas kontraŭ tio? 'Ili' jam supre decidis".

Tamen ĉie en la mondo naskiĝis inform- kaj defendkomitatoj, kiuj organizas publikajn kunvenojn, eldonas broŝurojn kaj flugfoliojn, subskribigas peticiojn, aranĝas protestajn marŝojn, sidadojn kaj ĉiuspecajn manifestaciojn. Se la rezultatoj ne estas tiel okulfrapaj kiel tiuj rezultintaj en Usono el la klopodoj de Barry Commoner, Linus Pauling, J. Gofman, A. Tamplin k.a., ili tamen multiĝas kaj ofte ĝenas la teknokratojn, kiuj kalkulis pri la tradiciaj nescio kaj pasiveco de la popolamaso.

En Belgio (1973) iu konstatas, ke la trinkakvo en Visé, ĉe la rivero Mozo, estas radioaktiva. Spite al la koncerna ministerio, amaskampanjo disvolviĝis. En Nederlando la difektoj de la centralo de Dodewaard estis diskonigitaj de iu tekniksto: por protesti kontraŭ lia maldungo aliaj kolegoj demisiis. Japanoj sin organizas kunlige kun la kontraŭpolucia movado. Asocioj kiel „Milieudefensie" en Nederlando, „Civitana kontraŭnuklea asocio de la mezrejna valo" en *Germanio*, „Protekta asocio kontraŭ la jonigaj radioj" fondita en 1966 en Francio de esperantisto Johano Pignero, estas kelkaj ekzemploj inter miloj da similaj tra la mondo. Unu el la plej tiklaj problemoj estas la kunordigo de tiuj komitatoj el bonvoluloj, kiuj ne disponas multe da tempo por informiĝi, vojaĝi, prepari komunajn agadojn, kontraŭstari potencajn ŝtatajn aŭ financajn fortojn.

Des pli signifoplenaj estas la manifestacioj kiuj grupigas partoprenantojn laŭ supernacia skalo, kiel en Kaiseraugst (septembro 1974, Svisio) kun francaj kaj germanaj batalantoj. Eŭropskala strukturiĝo ekaperis en julio 1974.

**Dekjaran moratorion** postulas la kontraŭnukleaj komitatoj. Tio signifas, ke oni

tuj haltigu la konstruadon de centraloj ĝis estos pruvite, ke ili estas plene kontroleblaj kaj sendanĝeraj. Ĉar tute malprudenta kaj kontraŭscienca estas tiu sinteno oficiala, kiu kondukas al daŭrigo de plano, kies konsekvencojn oni ne kapabas mezuri kaj regi.

Sed por multaj aktivuloj, la signifo de tiu lukto transpasas la nuran atomproblemon. Ĝi celas konsciigi la popolamason pri propraj rajtoj, kutimigi ĝin al memstara, eksterdogma penskapablo, por ke ĝi ne plu blinde, obeeme fidu al siaj regantoj, sed mem ekforĝu sian estonton.

**Aliaj energifontoj**

Necesus tuta artikolo por detale studi la aliajn eblajn solvojn. Ni kontentiĝu per simpla mencio:

— la suna energio,
— la geotermika energio,
— la eola energio,
— la modernaj hidraŭlikaj turbinoj,
— la hidrogeno,
— la piloj kun brulaĵo,
— la magnetohidrodinamiko (MHD).

Ne foregsu, ke temas en la nuna situacio nur pri komplementaj fontoj: ankoraŭ tute ne elĉerpitaj estas la klasikaj karbo, petrolo, hidro-elektro.

Kelkaj el la cititaj procedoj prezentas grandan avantaĝon: ili povas esti instalitaj malcentralize, je homa skalo, solvante samtempe la problemon de la elektrotransporto.

La respondeculoj de la atomaj programoj ne ironiu pri la nepreteco de kelkaj procedoj: ĝuste tiuj programoj glutas la monon kaj la cerbojn, kiuj ebligus ĝisfundan esploron kaj poluradon de aliaj fontoj. Oni ĉion vetis je la atomo ĝis atingo de la nuna senelirejo.

**Etika demando:**
**Ĉiam pli da energio, ĝis ... ?**

Ĝis nun mi adoptis kiel rezonbazon tiun postulaton, laŭ kiu la ekonomia progreso bezonas rapide kreskantan elektroproduktadon: franca EDF elmetas „leĝon" de la duobliĝo ĉiun dekan jaron.

Sed venis la momento starigi la fundamentan demandon: ĉu ni blinde akceptu tiun dogmon? Ĉu ni ignoru la manovron de tiuj organizoj, kiuj senĉese ekscitas nian konsumapetiton kaj samtempe vekrias pri mankorisko? Ĉu ni eniru la inferan cirklon de la energetika vetkonkurado aranĝita de la riĉaj landoj kaj de la multnaciaj firmoj dank' al la rabado de la tria mondo?

Ĉu ni sklave postkuru senfinan teknikan progreson ĝis detruo de nia vivkadro, aŭ ĉu ni subordigu ĝin al la veraj bezonoj de la homa kolektivo?

Kiun simbolan bildon ni lasos al la estontaj generacioj pri nia civilizo?

Ĉu elektra dentbroso je la pinto de betonkovrita nekropolo?

Ĉu la silueto de la japana nuklea ŝipo „Mutsu", forpelata de ĉiuj havenoj, senespere rondiranta dum unu monato kun sia atompestula maristaro?

ROL.

---

*) Periodo: daŭro necesa por ke iu substanco perdu duonon el sia radioaktiveco. Dum la sekvanta periodo, ĝi perdos denove duonon el la resto, ktp.

# Rigardo al Hago, nia kongresurbo por 1975

La nomo 's-Gravenhage, historie kreskinta, nuntempe ankoraŭ oficiale uzata por Den Haag (Hago), datiĝas de la periodo, kiam ĉirkaŭ Vijverberg kaj Voorhout troviĝis la Grafa rezidejo. Grafo Vilhelmo la dua alkonstruigis en la jaro 1248 en Die Haghe apud lia ĉaskastelo duan domon, kiel hodiaŭ ni nomus ĝin, kie li povas malstreĉiĝi. Li speciale elektis Hagon, ĉar li opiniis tie la aeron plej pura kaj la akvon plej bongusta, laŭ raportoj en la malnovaj skribaĵoj. Kiam oni nomumis lin Romkatolika reĝo de la germana regno, li konstruigis ĉe „freŝa dunlageto" (nuna Hofvijver) grafan palacon, kiu pli bone harmoniis kun sia ĵus akirita pozicio. Post 25 jaroj lia filo, Floris la kvina, alkonstruigis apud tiu bela, sed malgranda palaco la „Kavaliran Salonon" por povi akcepti siajn gastojn iom pli pompe.

La Hagaj grafoj — kaj pli malfrue iliaj filoj — estis speciale ŝparemaj rilate la abundan verdaĵon kaj la belegajn arbojn ĉirkaŭantaj la grafan rezidejon. Ĝis en la unua duono de la dekkvina jarcento Lange Voorhout estis per fostoj ĉirkaŭbarita teritorio de la grafo, en kiu la verda kreskaĵo restis skrupule indulgata. Nur en tre esceptaj okazoj la grafoj donis konstrupermeson por tiu terposedaĵo. Kiu sukcesis eklogi interne de „Des Graven Hage" povis konsideri sin kiel favoraton de lia grafa moŝtulo. Jen la estiĝo de la hodiaŭa Hago. En la nuntempa „Kavalira Salono" la reĝino ĉiujare elparolas antaŭ la deputitoj de la nederlanda popolo sian reĝan alparoladon je la tria mardo en septembro okaze de la malfermo de la nova parlamenta jaro.

La reprezentantoj en la urbkonsilantaro estas dividitaj inter jenaj politikaj partioj: Partio de Laboro 18 deputitoj; Liberala partio 13, Kristanoj 10, Radikaluloj 2, Komunista partio 1, Demokrataj socialistoj 1 (apartigo de Partio de Laboro).

La loĝantaro de Hago nombris en la jaro 1830 nur 56000 kaj en 1850 tio estis 70000, por atingi en la jaro 1900 la ciferon de 200.000. Tiu evoluo daŭris ĝis 1958, kiam la urbo havis 607.973 loĝantojn. Post tiu jaro la nombro daŭre malkreskas pro transloĝigo de multaj homoj al la antaŭurboj de Hago, tiel ke 1973 la urbo nombris nur 500.761 loĝantojn.

Hago konas nur tielnomatajn „purajn industriojn", entreprenoj kiuj apenaŭ kaŭzas malbonodoron, sonĝenon aŭ poluadon. La Haga industrio donas laboreblecon al preskaŭ kvarono de la profesia loĝantaro. Oni trovas grandajn entreprenojn en la grafika industrio, la elektrotekniko kaj en la konstruado. La eksporto valoras pli ol 150 milionojn da guldenoj. Kaŭze de enkonduko de novmodaj maŝinoj la nombro de laborlokoj estonte iom post iom malaltiĝos.

Hago estas urbo kun multspecaj vizaĝoj. Ĝi ne estas la ĉefurbo de Nederlando, kiel multaj eksterlandanoj erare opinias, sed la centro de la registaro. Ĝi estas vasta urbo kun multe da floroj, verdaĵoj, parkoj, kasteloj kaj vilaoj. Laŭvice ni pritraktu nun la allogaĵojn de la „kortega urbo".

Pro la saĝa sinteno de la antaŭaj, sinsekvaj konsilantaroj la civito dankas sian eksterordinare grandan riĉecon al publikaj ĝardenoj kaj pompaj parkoj. Ili ĝuste taksis la grandan valoron de vasta verda posedaĵo. Oni jam aĉetis sinjorajn bienojn en la apuda ĉirkaŭaĵo, kiam la areo de la urbo ankoraŭ estis multe malpli granda, por tiel eviti mizeran pereon de la belegaĵoj. Eĉ ankoraŭ nun oni daŭrigas tiun salutindan agadon. Per konstruado de novaj objektoj kiel Westduinpark, Zuiderpark kaj Westbroekpark. Jen sekvas ioma priskribo de kelkaj vizitindaj parkoj :

*Clingendael:* 55 hektaroj. Unu el la plej bone konservataj biendomoj. En 1955 oni malfermis ĝin por la publiko. La bieno donas al la vizitantoj vicon da eblecoj. Malantaŭ la vilao estas tre bela parko kun akvofontanoj kaj malnova, nederlanda ĝardeno. Ĉe la enirejo troviĝas rozĝardeno,



*Malgranda insulo „Hofwijwer", Hago.*

ludherbejoj kaj komplekso de infan- kaj lernejaj ĝardenoj. Ankaŭ estas restadejo por bestoj. Famkonata estas la japana ĝardeno, kiu dum la tempo de florado en la printempo estas la celo de dekmiloj da interesiĝantoj.

*Meijendel:* Oriente de la urbo situas la bieno Meijendel. Ĝi posedas rajdlernejon, kies uzantoj povas esplori la ĉirkaŭaĵon de la dorso de ĉevalo. Ekzistas centro de naturvojetoj kaj la komunuma servo dislokis de ĉi tie interesplenajn promenadojn, kiuj kondukas la rigardanton laŭlonge de ĉiuspecaj plantoj, floroj kaj majestaj arboj. Regule oni organizas ĉi tie ekspoziciojn pri ĉiuspecaj naturfenomenoj.

*Ockenburg:* 33 hektaroj. Publika promenparko ĉe la okcidenta rando de la komunumo, projektita de la kuracisto-poeto Jacob Westerhaen, amiko de la pli konata Jakob Cats. Nun oni ŝanĝis la vilaon, en kiu li loĝis, en junulargastejon: unu el la plej vizitindaj parkoj en Hago. Kreskas multe da dense staranta arbetaĵaro. En marto-aprilo miloj da rododendroj, unue plantitaj en la jaroj 1930-35, konsistigas unuarangan allogaĵon. Oni povas admiri birdrezervejon. Ne mankas la kutimaj ludherbejoj kaj polernejaj ĝardenoj. Sed sufiĉas pri la parkoj. Dum via vizito al nia 48-a vi certe havos okazon eltrovi la ceterajn belegaĵojn. Ni reiru al la malnova urboparto.

*Het Binnenhof* (La interna Korto) estas jam dum sep jarcentoj la sidejo de la registaro. Ĝi estas unu el la plej interesaj, historiaj monumentoj en Nederlando. Tri pordegoj kondukas al la Interna Korto. La plej malnova parto de la konstruaĵoj estas simpla, malnova palaco konstruita de la romkatolika reĝo, Grafo Vilhelmo la Dua, ĉirkaŭ 1248. La ceteraj konstruaĵoj ĉirkaŭ la kortega placo datiĝas el la 16-a ĝis la 19-a jarcento. La tri potencoj, sur kiuj la demokrata ŝtatregado en Nederlando sin apogas, la leĝdona, la plenumanta kaj la juĝistara potencoj, havas siajn sidejojn en la konstruaĵoj sur kaj ĉirkaŭ la Interna Korto.

Nepre ne forgesu eniri en Hago la *Pacpalacon,* atentinda konstruaĵo laŭ projekto de la franca arkitekto Cordonnier el Roubaix. Dank' al malavaraj donacoj de milionoj da guldenoj flanke de amerika ŝtalmagnato Andrew Carnegie oni povis ko-

menci la konstruon, kiu finiĝis en la jaro 1913. Oni solene malfermis la palacon en ĉeesto de ges. Carnegie kaj multaj aliaj altrangaj personoj. Ĝi estas la sidejoj de la Internacia Arbitracia Tribunalo, la Internacia Juĝejo kaj la Akademio por Internacia Juro. Pro tiuj instancoj la palaco estas vera mondcentro en la vivo de la popoloj. Oni fieras pri la riĉa biblioteko, ampleksanta pli ol 250.000 volumojn. La ĝardeno, projektita de la brito H. Mawson certe meritas vian atenton kaj vian esploremon.

Por la adorantoj de Spinoza, tiu mondfama filozofo, vizito al lia domo sur Paviljoensgracht 72, estas neevitebla. Eksteronte rigardu la belan fasadon de la domo, kie mortis la famulo en la jaro 1677.

Sur Zeestraat 65 malkovru la elstaran Panoramon de Mesdag, kiu prezentas sur kolosa, cilindroforma tuko en olefarboj la fiŝistan vilaĝon Scheveningen en la jaro 1881. Vi kvazaŭ sentas vin en la mezo de la vilaĝo.

*Maduradam* estas la plej malgranda urbo en Nederlando, konstruita sur areo de 18.000 m² laŭ projekto de la arkitekto J. Bouma. Oni imite kunmetis konstruaĵojn kaj partojn de nederlandaj urboj, sed laŭ dudekkvinona skalo de la vera amplekso. La urbeto prenis sian nomon de la Kuracaa familio Maduro, kiu donacis la necesan kapitalon por instali la miniaturan urbon, memore al sia filo, kiu mizere pereis en la koncentrejo Dachaŭ. Maduradam akceptas ĉiujare pli ol milionon da vizitantoj, inter kiuj multaj personoj el ĉiuj landoj de la



*„Kurhaus" (kazino) Scheveningen.*

mondo. Vespere la urbeto estas lumigata de kelkmiloj da inkandeskaj lampetoj, neforgeseble fea iluminado. Plue estas admireblaj havenprojektoj kun veturantaj modelŝipoj, aerodromo, fervoja reto etendiĝanta multajn kilometrojn. Laŭ la aŭtostradoj veturas aŭtomobiloj; en la montetoj funkcias la bormaŝinoj. La bulbkampoj ampleksas 20.000 tulipojn, malpli altaj ol 2 cm. La kunmetaĵoj en la komercaj kvartaloj grandparte estas donacoj flanke de entreprenoj kaj kompanioj.

La urbo estas posedanto de multnombraj muzeoj. Ofte la kolektoj estas belaj kaj intimaj, rezultantaj el la privata posedo de artamanto. Poste, pere de aĉeto aŭ heredo, ĝi fariĝis publika posedaĵo, kaj oni plivastigis la pentraĵaron. Sur la tereno de la pentraĵarto la Hagaj muzeoj donas superrigardon pri la mezepoko ĝis la moderna tempo. Mauritshuis donas precipe pentraĵojn de antikvaj Nederlandaj majstroj i.a. Vermeer, Ruisdael, Jan Steen, Rembrandt kaj Rubens. Muzeo Mesdag prezentas antaŭajn impresionistojn el Francio kaj Nederlando. La Haga komunuma muzeo montras verkojn el la 19-a kaj 20-a jarcentoj.

Kurhaus (Kazino), kies bildon vi trovas sur nia kongresa glumarko, estas fakte la naskiĝloko de la internacie konata banloko Scheveningen. Ĝi verdire apartenas al la urbo Hago, sed portas propran nomon. En 1819 oni malfermis tie lignan domon kun kvar ĉambroj, kie oni povis bani sin per saniga, sala marakvo. Oni alportis ĝin per siteloj el la maro al la ĉambroj. Ĉirkaŭ la antaŭa ligna konstruaĵo, kiun oni diversfoje rekonstruis kaj pligrandigis, elkreskis la nuna, mondkonata banurbo Scheveningen. La tieaj virinoj ankoraŭ honorigas la pentrindajn, jarcent-malnovajn popolkostumojn. Momenton promenu sur la ĝeto, kiu etendas sin kiel longa brako en la maro. Eventualaj baniĝantoj en la maro bone atentu la diversajn avertojn sur la tabuloj kaj la avizojn de la kompetentuloj. Neniam tro fidu la maron kaj viajn naĝkapablojn, ĉar ni tre bone scias, ke la maro restas perfida. Somere oni festas en Hago/Scheveningen la „Nederlandan Festivalon", — unuaranga okazaĵo, kie elstaraj artistoj el la tuta mondo prezentas sin.

Per tiuj linioj mi kompreneble ne ĝisfunde elĉerpis la tutan gamon da hagaj vidindaĵoj, sed certe vi akiris ioman impreson, kia urbo estas Hago. Se tamen plaĉis al vi tiu mankhava priskribo, restas nur unu solvo. Vizitu nian 48-an kaj mem gustumu la delikataĵon, kiun oni nomas Hago.

*J. Kuijpers*
Sekr. de la 48-a SAT-kongreso

---

# Pri mona ekonomio

1. *Enkonduka noto*

En „Sennacieca Revuo" n-ro 101 (1973) mi publikigis artikolon „Pri mona ekonomio". Sekve de kelkaj diskutoj kaj konsidere al la nuna ĝenerala plirapidiĝinta malvaloriĝo de la mono mi sentas la bezonon fari kelkajn aldonajn rimarkojn, kiuj ne ŝanĝas la pensojn de mia menciita artikolo, sed nur pli-klarigas kaj kompletigas ilin.

Paragrafoj de mia 1973-artikolo, menciotaj ĉi tie, estos signataj per „1§".

2. *Minimuma jara valorperdo*

2.1. En nia okcidenta kapitalista sistemo ekzistas miaopinie minimumo de jara valorperdo de la mono laŭ la formulo

$$P = E. (1 - T)$$

Ĉi tie estas :

P minimuma jara valorperdo aŭ perdo de la aĉetpovo de la mono (malvaloriĝo)
E jara raciiga profito aŭ jara kresko de la produktiveco de la produktanta ekonomio (vidu 1§ 3.3.)
T parto de la produktanta ekonomio en la tuta ekonomio

Ekzemplo :

E = 0,05 (= 5%)
T = 0,60 (= 60%)
P = 0,02 (= 2%)

Tio signifas: Se la produktataj varoj po laboristo (produktiveco) pliiĝas je 5% (E) kaj se la parto de la servofaroj kaj de aliaj neraciigeblaj agadoj en la ekonomio estas 40% (1 — T), la mono perdas dum jaro minimume 2% el sia valoro.

2.2. Jen la pruvo de la formulo: Surbaze de la kresko de la produktiveco la laboristaro de la produktanta ekonomio en sia klasbatalo fine atingas pliigon de la salajroj je 5% (progres-partopreno laŭ 1§ 2.11.). Ĉi tiu pliigo ne kaŭzas valorperdon de la mono; ĉar la pliiĝinta kvanto de la varoj kompensas sur la merkato la pliiĝintan kvanton de la cirkulanta mono (mi supozas, ke la merkato ankoraŭ ne satiĝis per la koncernaj varoj). Nun ankaŭ la laboristoj de la neproduktanta parto de ekonomio volas profiti de la ĝenerala progreso kaj postulas saman pliigon de siaj salajroj (adapto laŭ 1§ 2.). Sed ĉi tie la prezoj kreskas nun samkvante kiel la salajroj, do je 5%. Se homo elspezas 60% el sia mono por varoj, kies prezoj ne ŝanĝiĝis, kaj 40% por servofaroj kaj similaĵoj, kies prezoj pliiĝis je 5%, ĝi elspezas 40% el 5%, tio estas 2% pli da mono ol antaŭe por la sama kvanto da varoj kaj servofaroj. Do la mono perdis 2% da valoro, kio estis pruvenda.

2.3. En la pasinta jarcento, kiam vivis Karlo Marks, la parto „1 — T" de la servofaroj en la tuta ekonomio estis ege malgranda. Pro tio ankaŭ la necesa minimumo P de monmalvaloriĝo estis neglekteble malgranda, kaj tial la valorperdo de la mono ne ludas rolon en la marksa teorio pri la kapitalo. Kontraŭe hodiaŭ ĉiuj birdoj babilas pri la granda rolo de la daŭra malvaloriĝo de la mono.

2.4. Konsidere al tio, ke la publika administracio, la ŝtata aparato, la tuta burokrataro en komunumoj kaj industrio, la militservo ktp. apartenas al la branĉo „servofaroj kaj similaĵoj", kaj pro la kresko de aliaj branĉoj de servofaroj (trafiko, turismo, sanservo ktp.), la necesa minimumo P de la jara valorperdo hodiaŭ estas sufiĉe granda kaj agas kiel infektĝermo por plua kaj plia valorperdo (cibernetike: pozitiva retrokuplo).

### 3. *Salajra kompenso pro valorperdo*

3.1. En 1§ 2.11 „mi diferencigas tri specojn de salajrpostuloj de la laborprenistaro: transdistribuo, progrespartopreno kaj adapto." Sed hodiaŭ ludas grandan kaj kreskantan rolon en la batalo inter laborprenistoj kaj labordonistoj kvara postulo, nome la postulo pri la kompenso de la malvaloriĝo de la mono dum la pasinta jaro. Tiel la ĝenerala postulo pri salajrpliigo enhavas kvar konsistaĵojn, kiujn mi ripetas:

transdistribuo (koncernas ekz. marksan plusvaloron)
progrespartopreniĝo (koncernas la fruktojn de raciigo, aŭtomatiigo ktpl)
adapto (koncernas justecon inter diversaj tavoloj de laborprenistoj)
kompenso pro valorperdo (koncernas la valoron de la mono).

Pri la unuaj tri mi parolis sufiĉe en 1§ 2 „Pri la distribuo de la tutprodukto". Pro tio ni konsideru nun nur la kvaran konsistaĵon.

3.2. Ni supozu, ke la malvaloriĝo de la mono dum la pasinta jaro estas 8%. Ĉi kaze hodiaŭ estas jam kutimo doni kiel kompenson ankaŭ 8%. Ni ekzamenu la valoron de tiuj 8% ĉe daŭra valorperdo de la mono. Se dum la venonta jaro la malvaloriĝo ankaŭ estas 8%, ni havas jenan situacion: En la komenco de la jaro la laboristo havas 8% pli da aĉetpovo. Dum la jaro tiu suplementa aĉetpovo malkreskas ĝis 0% en la jarfino. Tiel la laboristo havas mezan suplementan aĉetpovon nur de 4%.

3.3. Se ekde la komenco de la nova jaro la malvaloriĝo de la mono finiĝus (utopio?), sufiĉus por la malvaloriĝo dum la pasinta jaro doni kiel kompenson nur la duonon de la procentaĵo de la lastjara valorperdo; tio havigus meze al la laboristo la saman aĉetpovon kiel en la kazo de 3.2.

### 4. *Stabiligo de la monvaloro*

4.1. En la tria sekcio „Pri stabiligo de la aĉetpovo de la mono" de mia 1973-artikolo mi provis doni recepton por la stabiligo de la monvaloro. Esenca parto de tiu recepto estas, ke la sindikatoj fiksu en la tarifoj kun la entreprenistoj ne nur la salajrojn,

sed ankaŭ la bazajn prezojn de la varoj kaj servofaroj de la koncerna ekonomia branĉo. Ĝenerale mi opinias, ke sen tia fiksado de la prezoj ĉiuj rimedoj, kiujn la diversaj registaroj provas kontraŭ la konstanta malvaloriĝo de la mono, fine fiaskos (mallongdaŭra ŝajna sukceso ne kontraŭas mian opinion).

4.2. Nun mi kompletigas mian recepton por la stabiligo de la monvaloro jene:
La jara postulo pri pli da salajro estu

$$S = A + B.$$

La konsistaĵo A estas kalkulata laŭ la direktivoj kaj reguloj de mia 1973-artikolo. Al la entreprenistoj estas permesataj nur tiaj ŝanĝoj (altigo aŭ malaltigo) de la prezoj, kiuj sekvas ankaŭ el tiuj direktivoj. Sub la kondiĉo, ke kroma prezaltigo estas malpermesata kaj ke la banko eldonanta la monbiletojn ne pligrandigas la kvanton de la kreditoj, la konsistaĵo B egalu la duonon de la monvalorperdo de la pasinta jaro. Sed se iu entreprenisto altigas malpermesite la mezan prezon de siaj varoj aŭ servofaroj, li ankaŭ plialtigu ekde la sama momento la salajrojn je 2% por ĉiu procento de malpermesata prezplialtigo.

5. *Malprivilegiuloj*

Neeviteble troviĝas en ĉiu ekonomia sistemo malprivilegiuloj; ĉar ideala sistemo ne ekzistas kaj neniam ekzistos. Kompreneble oni alstrebu laŭeble malgrandan nombron de tiuj malprivilegiuloj. Dume se estas unuflanke malprivilegiuloj, aliflanke oni havas privilegiulojn.

Ĝenerale politikistoj kaj publikaj administrantoj konsentas helpi la malprivilegiulojn, ekezemple per mono. Sed ofte ili hezitas doni sufiĉan monhelpon, dirante ke grandskala helpo favoras kreskantan valorperdon de la mono. Sed tia suplementa valorperdo ne okazos, se oni forprenas de la privilegiuloj la saman monkvanton, kiun oni donas al la malprivilegiuloj (transdistribuo). Socialaj rimedoj, speciale monaj vere kreskigas valorperdon de la mono, se la politikistoj timas kompense malfavori la privilegiulojn.

6. *Rimarko pri Sovetio*

En Sovetio la valoro de la mono estas praktike senŝanĝa. Dum la kvindekaj jaroj estis kelkaj malaltigoj de la ŝtataj prezoj. Tio konformas al malgranda koeficiento „a" (1§ 3.3.). Poste Ĥruŝĉov plialtigis la plej malaltajn salajrojn, kio konformas al koeficiento „b". La du koeficientoj kompensas pli malpli unu la alian pri la valoro de la mono (vidu ekvacio (II) en 1§ 3.3.).

Ke Sovetio ankoraŭ ne atingis la mezan vivnivelon de okcidenta Eŭropo, ne baziĝas sur tia stabileco de la mono, sed havas aliajn kaŭzojn. Unu el tiuj kaŭzoj estas miaopinie la nesufiĉa konsidero de la principo de 1§ 2.7 (malsupra limo por la malegaleco de la distribuo de la tutprodukto kun ebleco per plia laboro plibonigi sian staton). Ŝajnas al mi, ke Ĥruŝĉov mem opiniis simile, kiam li parolis pri „materialnaja zainteresovanost" (materia interesiĝo) de la homo. Estas klare, ke homo pretas labori pli, se sekvas verŝajne suplementa bezonkontentigo.

*Breŭninger (31533)*

# TABELO DE ENHAVO

*Paĝo*

SAT-eldono. 272 pĝ. Prezo: 3.60 $.




*Marinko Ĝivoje*

## Interesa Arkeologio

Originalo. 60 paĝoj plus 4 bildotabuloj.

La konata aŭtoro pentras vivplene prahistoriajn relikvojn kaj aliajn iom malpli antikvajn arkitekturaĵojn.

SAT-eldono. Prezo: $ 2.50.

Jam aperis tria eldono de

## Manifesto de la sennaciistoj

la fundamenta verko, en kiu E. Lanti vokas per klara argumentado al la racio de siaj homkunuloj. — 3a eldono.

84 paĝoj. — Kartonita.

Prezo: 0.50 $.

Kiu ne jam posedas tiun verkon, nepre akiru ĝin por serioza pristudo!

128 paĝoj, SAT-eldono: Prezo 2.30 $.




Preso: Grafisch Bedrijf Tuijtel - Hardinxveld-Giessendam - Nederland